# INTERNACIA KULTURO

V JARO
N-ROJ 1-2
1950




BULGARA NACIA TEATRO EN SOFIO

## LA MONDO VIN VOKAS

**BULGARIO**

★ Rajna Petkova Kacarova str. Dimo Ĥaĝi Dimov 73 — Sofio deziras korespondi kun junuloj.

★ Ginka Kirilova Bojarova 18 jara, lernantino, str. Jakim Krĉovski 16 — Sofia.

☆ Petko At. Bojadĝiev str. „Iv. Papazov" 20, Bjala, dez. kor. kun gejunuloj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

★ Milena Kurteva, studentino en muzikakademio deziras korespondi je ĉiuj temoj, p. k., p. u. Adreso: Sofia, Bulgario, str. Buzludĝa 74.

☆ Pejĉo Mitev, Pozitano 4 „Esperanto" Akceptas korespondadon kun la tuta mondo.

☆ Simeon Atanasov, 21-jara studento, V. Berievo-Sevlievsko, Bulgario, deziras korespondi kun gesamideanoj pri diversaj temoj.

☆ **Instruistoj!** Mi deziras ricevadi de ĉiuj landoj fotografaĵojn de lernejoj, bibliotekoj kaj klasĉambroj, ankaŭ pedagogiajn artikolojn kaj analitikajn modelajn specimenojn de lecionoj.

Mi rekompencas laŭ via deziro. Bistra Koleva, Bulgario, Sofio. C. Bistrica" 7. B,

☆ Ljubomir Iliev Bogdev v. Alekovo, Sviŝtovsko dez. korespondi k. ĉ. landoj. Respondas ĉiam.

★ Leŭtenanto Marin Ivanov Cvetkov, podel. 3995, Pleven deziras korespondi kun la tuta mondo.

☆ Zohrav Ĉalâkjan str. P. R. Slavejkov 19. Plovdiv, dez. koresp. kun gesamideanoj de aliaj landoj. Respondo garantiata.

☆ Todor Ivanov, selo Kalnovo, Kolarovgradsko deziras korespondi pri stenografio-

☆ Kosta Stojĉev Katraŝev kv. Kiril . Metodi 542, Ĉirpan, Bulgario, dez. kor. ki ĉ. landoj.

☆ Malgrandá rondeto ĉe la Esper. societo „Roza Valo" deziras korenspondi kun gesamideanaj el la tuta mondo, adreso: Marin V. Koev, str. Ĉumerna 6 — Kazanlik.

☆ Ljubomir Leviĉarov, str. S. Nenov 9 Pazarĝik deziras interŝanĝi esperanto librojn el Bulgario kun diverslandaj esperanto libroj.

**ĈEĤOSLOVAKIO**

☆ Jozef Pinka ml., studento, nam. dt Beneŝe 20, Roudnice n/L. dez. intŝ. pm., gaz. k. koresp. kun tuta mondo.

☆ Miloŝ Janák, studento. Horovo gymnasium. Roudnice n/L. dez: intŝ. pm., PI, fotografajojn k. koresp. kun tuta mondo.

☆ 20-jara Ludvik Málek, Vápenny Podol 35 dez. koresp. amike kaj intŝ. pm. kaj PI kun tuta mondo.

☆ Tridek esperantistoj komencantoj el Ĉeĥoslovakio deziras korespondi. Adresojn donos s-no Vladimir Koĉvara, studento, Masarikovo nám. ĉ. 82, Rokycany.

☆ Vlastimil Nekuda, 18-jara studanto, Zvyŝov 283 ĉe Brno, deziras korespondi per L. IL. P. kun gejunuloj el ĉiuj landoj, antaŭ interŝanĝas PM. Respondo certa.

☆ Jaroslav Petracek, Usti u Lali Strekav Decinska 441/6 — Ĉ. S. R.

☆ Juna ĉehoslovaka agrikulturisto-esperantisto petas bulgarajn esperantistojn pri kelkaj semoj de bulgara kotono, kiujn bezonas por eksperimento kun kulturado de kotono en ĈSR. Mia adreso: Frantiŝek Gale, Tvarŝna 51 okr. Brno, ĈSR.

☆ Por niaj ĉehoslovakaj abonantoj. Ni en metis en la 11-an n-on de nia revuo pagilojn, kiujn bonvolu uzi niaj ĉehoslovakaj legantoj por reabono por 1950. Pagu rapide, se vi deziras ricevi kompletan jarkolekton ĝustatempe.

☆ Jaroslav Osoba, Hronov—Zbeĉnik 155 deziras korespondi kun ĉiuj landoj kaj pri ĉiuj temoj.

# ATENTON!

## *GESAMIDEANOJ EL LA TUTA MONDO!*

*„Internacia Kulturo" estas kultura kaj socia revuo de la Danubregionaj esperantistoj kaj de ĉiuj demokrataj esperantistoj en la mondo. Ĝi estas kontraŭmilita, kontraŭfaŝisma, progresema kaj porpaca Esperanto-gazeto.*

*„Internacia Kulturo" estas eldonata de Bulgara Esperantista Kooperativo kaj presata en ĝia propra presejo „Esperanto". En la kooperativo membras kun kapitalo Bulgara Esperantista Asocio, ĉiuj esperanto-societoj kaj pli ol 500 individuaj membroj-esperantistoj bulgaraj. La varbado de novaj membroj daŭras senĉese.*

*Gesamideanoj, abonu kaj abonigu al „Internacia Kulturo"! Subtenante „Internacian Kulturon", vi subtenas la estontecon de nia movado, vi akcelas la batalon por justa demokrata paco, vi helpas la kulturon kaj la progreson!*

## *PAGU SENPROKRASTE VIAN ABONON POR 1950!*

| Lando | Sendu la sumon al: | Jarabono |
|---|---|---|
| ARGENTINO | E. Eglesias Nunez, Dehesa 1860, Buenos Aires. | 8 pesoj |
| AŬSTRALIO | L. E. Pfahl, 37 Seymour Street, Croydon, N. S. W. | 12 ang. ŝil. |
| AŬSTRIO | Aŭstria Esp. Federacio, Wien, 1, Neutorgasse, 9. | 33 aŭstr. ŝil. |
| BELGIO | Flandra Esperanto-Instituto, P. van Humbeekstr. 3, Brussel W. | 100 fr. |
| BRAZILO | Brazila Ligo Esperantista, Praça da Republica, 54-sob. Rio de Janeiro. | 40 kru. |
| BRITLANDO | Univ. Esp.-Asocio, Heronsgate, Rickmansworth (Herts). | 12 angl. ŝil. |
| BULGARIO | „Internacia Kulturo", str. Tri uŝi 15, Sofia. | 400 lev. |
| ĈEĤOSLOVAKIO | Ĉeĥosl. Asocio Esperantista, Praha II, Mala Ŝtĕpânska, 7 | 100 kĉs. |
| DANIO | Centra Dana Esperantista Ligo, Pr. Jorgensgade 4 A Kopenhago N, Danlando | 12 kr. |
| EGIPTIO | Tadros Megalli, P. B. 450, Cairo. | 12 angl. ŝil. |
| FINNLANDO | Eldono Vilho Setälä. Kommandiittiyhtiö Onnentie 23 Helsinki-kä | 400 fmk. |
| FRANCIO | Union Esp. de France, rue de Chabrol, 34, Paris X. | 550 fr. |
| GERMANIO | Arthur Schulze, Berlin — Lübars, Kolonic Waldesfrieden 77 (poŝtĉek n. 105666) | 10 D. M. |
| | Dr. Stegfried Ziegler — Verlag München - Pasing, Enĝelbertsr 7 | 10 D. M. |
| HUNGARIO | Bela Berceli Budapest VIII, Rökk Szilard str. 28 | 24 forinpontoj |
| IRLANDO | Lorcan O'Huiginn, 1 Bothar Glasárd 16, Tor Fhionnabhair, Dublin (Eire). | 12 angl. ŝil. |
| ISLANDO | O. S. Magnusson, Bergstadastraeti 30 B, Reykjavik. | 13 kr. |
| ITALIO | L. Minnaia, Vialle Guilio Cesare, 223 Roma. | 800 liroj. |
| IZRAELIO | Bencion Danon, kibuc Afikim, Emek-Ajarden | 500 prutoj |
| KANADO | Univ. Esperanto-Asocio, Heronsgate Rickmansworth, (Herst), Britlando. | 2.50 dolaroj |
| MAROKO | S-ino L Fink, 5 rue Savorgnan de Brazza, Casablanca. | 550 fr. |
| NEDERLANDO | Redakcio „La juna vivo" West. Grafdijk „Heroldo de Esperanto", Harstenhoekweg 223, Scheveningen. | 6 gld. |
| NOV-ZELANDO | Bendon Clark, R. D. Makarau, via Kaukapakapa, Northland | 12 ang. ŝil. |
| POLLANDO | Isaj Dratwer, Warszawa Marszalkowska 81/32—Asocio de Esperantistoj en Pollando (Poŝtĉeka konto I 8266) | 500 zl. |
| RUMANIO | Rumana Esp. Societo, Bukureŝti, Casuta Postala 9. | 240 leoj |
| SVEDIO | Einar Adamson, Värmlandsgatan 18, Göteborg. | 8 kronoj |
| SVISLANDO | O. Walder, Eigenheim, Romanshorn, Pĉk. VIII 12139. | 10 frankoj |
| URUGVAJO | D-ro R. Zeballos Morales, Fray Marcos (Florida). | 4 pesoj |
| USONO | Libro-servo de „Amerika Esperantisto", 114 West 16 Street, New Jork 11, N. J. | 2.5 dolaroj |
| USSR | Pagmaniero laŭ interkonsento | 25 rubloj |

**RIMARKIGO:** Ĉiu povas aboni ankaŭ rekte ĉe la redakcio, sendante al ni 20 respondkuponojn internaciajn aŭ egalvaloron en tiaŭgaj esperanto-libroj.

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

JANUARO-FEBRUARO 1950

ADRESO: STRATO TRI UŜI № 15, SOFIA — BULGARIO

KVINA JARO N-RO 1-2



## VLADIMIR ILIĈ LENIN

*Antaŭ 26 jaroj, la 21-an de Januaro 1924 mortis la genia gvidanto kaj majstro de la laborulaj amasoj el la tuta mondo, la stratego kaj organizanto de la Granda Oktobra Socialista Revolucio, la kreinto de la glora kaj heroa Bolŝevika partio kaj de la Soveta ŝtato — Vladimir Iliĉ Lenin.*

*Lenin apartenas al la tuta progresema homaro. Lia granda instuo penetris en ĉiujn kontinentojn de la mondo. La homa historio ne konas pli popularan kaj pli karan nomon inter la popoloj de ĉiuj rasoj ol la nomo de Lenin.*

*La populareco de Lenin konsistas en tio, ke en li la laborista klaso kaj la laboruloj el la tuta mondo ekkonis sian genian gvidanton, en lia granda instruo ili vidis la vojon lumigitan, kiun ili devas sekvi por sia liberiĝo el la kapitalista jugo.*

*Vladimir Iliĉ Lenin konstruis la ideologiajn organizojn kaj taktikajn teoriajn fundamentojn de bolŝevismo. Li riĉigis la marksismon per novaj ideaj trezoroj. La leninismo, tio estas marksismo en la epoko de imperiismo kaj la proleta revolucio.*

*La teorio de Lenin pri la ebleco de venko kaj konstruado de socialismo en unu nura lando kaj ĝia praktika realigo en Sovetunio, inspiris la proletaron al plua batalo kaj science argumentis ĝian konvinkon en tiu batalo.*

*La historia venko de la bolŝevikoj estas ŝuldata al tio, ke Lenin kaj Stalin kreis la Bolŝevikan partion — revolucian partion de nova tipo, kapablan kunligi sin kun la laboristaj amasoj kaj kiu gvidis ilin al venko.*

*Lenin kaj Stalin kreis la potencan Sovetan ŝtaton konstruitan laŭ la sciencaj principoj de marksismo-leninismo, laŭ la granda instruo de Marks-Engels-Lenin-Stalin.*

*La granda memoro de Lenin neniam estingiĝos en la konscio de la homaro, ne nur pro tio ke li postlasis al ni dekojn da volumoj, plenigitaj per la senmorta teorio kaj praktiko de marksismo-leninismo, sed ankaŭ pro tio ke la instruo de Lenin fariĝis vivanta verko, ĉar el la granda Lenin kaj lia genia daŭriganto Stalin la laborulaj amasoj el la tuta mondo faris standardon en sia liberiga batalo.*

*Eventoj kun tutmonde historia signifo pruvas la grandan forton de la ideoj de Lenin. La kreo de la Germana demokrata respubliko kaj la venko de la popola demokratio en Ĉinio estas nerefutebla pruvo pri tio.*

*Sub la granda nevenkebla standardo de Lenin kaj Stalin la laboruloj el la tuta mondo ĉefrünte kun la potenca Sovetunio staros firme sur la fronto de l' paco en la batalo kontraŭ la imperiismo kaj la agresio, por paco, demokratio kaj socialismo.*

**I. K.**

# VOLGA

*de N. N. Mihajlov*

Ĝi komenciĝas kiel apenaŭ rimarkebla rivereto en malgranda marĉo de Valdajo, sub kaduka, kovrita per verda moskо, trabara dometo. Iu nekonata homo konstruis ĝin ĉi tie, por montri la lokon karan al la rusaj homoj.

La arĝenteca rivereto apenaŭ aŭdeble murmuranta inter la betuloj kaj abioj trairas ĉenon da arbaraj lagoj, kolektas fortojn ĉe digoj, fosaĵoj, de dekstre kaj maldekstre akceptas riverbranĉojn kaj kreskas, fine, ĝis potenca rivero. Jam de la urbo Rjev — vere, nur dum la printempa plenakveco — navigacias inter ĝiaj altaj bordoj negrandaj vaporŝipoj. Tutan someron la vaporŝipoj povas navigacii de Kalinin.

Ne rapidante adiaŭi sian arbaroriĉan naskiĝlokon Volga faras akran kurbon al la nordo — de Sĉerbakov, sed poste malsupreniĝas al Gorkij. Apud Gorkij ĝin enfluas Oká. Ĉi tiuj du riveroj kuniĝante, limigas la spacon nomatan Volga-Oká interriverejo. Ĉi tie, en la interriverejo, ja naskiĝis Moskva Rusio. La akvoj de Volga kaj Oká kvazaŭ lavas la lulilon de Rusio. Kuniĝinte ili forfluas en la stepan Sud-orienton, por fari la vojon al la regionoj, sur kiuj vivas multaj el tiuj popoloj, kiuj sekvis la rusan popolon dum la revolucio: ĉuvaŝoj, muriecoj, tataroj kaj azerbejĝanoj, turkmenoj kaj kazanoj...

De la urbo Gorkij Volga fluas kiel volviĝanta rubando. Akceptinte post Kazanjo Káma-n, kolektintan la defluon de la tuta okcidenta deklivo de Uralo, Volga larĝiĝas ialoke ĝis du kaj pli da kilometroj, kaj konsiderante ĝiajn insulojn — eĉ ĝis kvar. Dum la printempa altakvo la rivero kelkloke disfluiĝas je distanco de dudek — kvardek kilometroj. Okazadis, ke la nivelo de Volga dum la printempo altiĝis ĝis 15 metroj.

Sur la dekstra bordo de la meza fluo de Volga de nordo al sudo etendiĝas la ondeca kaj ravineca Apud-Volga Altplataĵo.

En la seka stepa zono Volga jam ne havas riverbranĉojn. Kontraŭe ĝi mem komencas doni branĉojn, dispeciĝante je ĉefa fluejo kaj elfluoj. Ili kunplektiĝas, transiras unu en la alian, kaj laŭ sia aspekto sur la mapo Malsupra Volga similas dense kunplektitan harligon. Tiu riverbranĉo kiu ĉiam fluas maldekstre apud Volga — de Stalingrado ĝis Kaspia maro, estas nomata Aĥtuba.

Volga-Aĥtuba-n malaltaĵon inundas dum la printempo la akvo kaj forfluinte, lasas multe da ŝlimo. Sur la fertila, malseketa tero elkreskas abundege herbo, formante verdan strion inter la helbruna duondezerto.

En la buŝo de Volga kuŝas vasta delto, tratranĉita de densa reto da sennombraj flankriveroj. Ĉiam novaj sablaĵoj transmovas Volga-n pli kaj pli profunden en la maron — preskaŭ je cent metroj dum jaro.

Ĉi tie Volga enfluas la Kaspian maron, donante al ĝi ĉiusekunde ok milojn da kubometrojn da akvo. La ĉiujara alfluo de la Volga akvo povas kovri tiun plej grandan el la lagoj en la mondo per akvotavolo de 61 centimetroj.

La bordoj de Volga etendiĝas malproksimen de nordo al sudo, ili trairas arbarojn, arbarstepojn, stepojn kaj duondezerton, sed ĉie ilia klimato konservas sian fundamentan karakteron — kontinentalecon: varmegan someron, malvarman vintron. Tamen inter la nordo kaj sudo ekzistas diferenco. En la nordo la vintro daŭras kvin monatojn, sed en la sudo nur tri. Al la sudo la somera varmego pli intensiĝas, kaj la precipitaĵoj fariĝas ĉiam pli malgrandaj—tie kuŝas la zono de l' sekeco.

Volga estas la plej granda rivero de Eŭropo. Ĝia longeco estas 3688 kilometrojn. En la baseno de Volga troviĝas triono de la loĝantaro de la eŭropa parto de U. S. S. R. Kun siaj navigaciaj kaj floseblaj riverbranĉoj Volga konkuras per sia longeco kun la tuta fervojretaro de la Unio.

Ĉi tiu rivero liganta la Nordon kun la Sudo, la arbarojn kun la stepoj, atinganta per unu sia brako Moskvon, kaj per la alia Uralon — estas nia ĉefa akva vojo. Ĝi firmigas la ekonomian unuecon de la Soveta lando.

Laŭ Volga kun ĝiaj alfluoj estas transportataj duono de ĉiuj sovetaj perriveraj transportaĵoj. Kaj la ŝarĝlaboro de Volga, se ni volas ĝin esprimi en tun-kilometroj, konsistigas ĉirkaŭ 70% de la ŝarĝlaboroj de ĉiuj riveroj de U. S. S. R. Al la sudo laŭ Volga estas transportataj ligno kaj industriaĵoj, al la nordo — nafto, greno, salo kaj fiŝoj.

Volga ne estas brua, sed larĝa kaj potenca: kutime trankvila kaj kvieta, sed dum la altakvo sovaĝa kaj neretenebla.

Super Volga pasis centjaroj de la rusa historio. Volga estas la akso de Rusio.

Ĉi tie troviĝas la vojo el Moskva Rusio al la landoj de Oriento, laŭ Volga malsupreniris en siaj boatoj la antikvaj rusaj komercistoj. En la XV jarcento la kuraĝa vojaĝisto el la urbo Tverj Afanasij Nikitin laŭ la volga vojo alvenis Hindujon — li estis la unua eŭropano, vizitinta tiun malproksiman landon. Apud la urbo Kamyŝin konserviĝis la postsignoj de la kanalo, per kiu Petro la Unua volis kunigi Volga-n kun Don-rivero.

Sur Volga bruegis la grandaj popolaj ribeloj de Stepano Razin kaj Emeljan Pugaĉov. Ci tie elturmentitaj per superforta laboro la burlakoj (boattrenistoj) komponis la plej belajn rusajn kantojn. Ĉi tie naskiĝis Lenin. Volga donis al ni Gorkij' n, Ĉkalov' on. Ĉe Volga staras Stalingrado, la urbo-heroo. Ĉe ĝiaj muroj estis farita la bato difininta la turnon en la tuta marŝo de la granda milito por la sendependeco de nia patrolando.

La regionoj kaj aŭtonomaj respublikoj de la meza fluo de Volga nomiĝas Povólĵie. Volga estas ilia ekonomia trunko. Ĝi altiras la industrion, intensivigante ĝin en la urboj, ĉefe ĉe la interkruĉiĝo kun la fervojoj. Ĝi firmigas la apudvolgajn regionojn per komuna por ili densa torento da ŝarĝaĵoj, navigantaj supren kaj malsupren laŭ ĝia fluo.

La urboj de la malnova Povolĵie konis nur arbsegejojn, brandfarejojn kaj muelejojn. Sur la riverkajoj senŝarĝigistoj laboris por groŝo de la maten — ĝis la vesperruĝo, riĉigante ŝipposedantojn kaj komercistojn. Ni konas ĉi tiun vivmanieron laŭ la libroj de Gorkij.

Nun, dum la soveta reĝimo ĉe Volga estas kreita granda progresiva industrio, en ĝi antaŭ ĉio elstaras la maŝinkonstruado. Kreskas ankaŭ la lignoprilabora, nutra kaj teks- industrioj. La ĉeno de grandaj uzinoj etendiĝis laŭlonge de la tuta Volga.

Dum la jaroj de la granda patruja milito Povolĵie estis unu el la plej proksimaj postfrontaj bazoj. Ĉi

tien estis transportitaj ne malmultaj entreprenoj de okcidento. Dum la tempo de la milito la industrio de Povolĵie aparte plivastiĝas.

La terprofundoj de Povolĵie antaŭe estis konsiderataj tute malriĉaj. Plej akute sentiĝis la manko de la hejtaĵo. Nun sur Volga estas malkovritaj grandaj tavoloj de minerala krudaĵo.

En Povolĵie estas trovitaj fosforitoj kaj bruleblaj skistoj, sed la plej grava estas la malkovro de nafto.

En la jaro 1929 estis trovita nafto en Ĉusovskojurbetoj sur la okcidenta deklivo de Uralo je distanco de kvincent kilometroj oriente de Volga; en 1932 oni trovis nafton en Iŝimbaj — en Baŝkirio. Baldaŭ ĉeno da naftnaskiĝlokoj etendiĝis laŭlonge de la tuta Uralo. Sed la geologiaj specoj donintaj nafton sur Uralo etendiĝas malproksimen al la okcidento kaj okupas la tutan spacon de Uralo ĝis Volga. La tuta tiu ĉi parto de la grandega „Rusa platformo" post la malkovroj en Uralo, promesis nafton. Unue la sovetaj scienculoj malkovris ĝin teorie: ĝi devis estis ĉi tie. Komenciĝis intensaj serĉadoj. Kaj la geologoj montriĝis pravaj: la nafto estis aperigita en multaj lokoj sur grandega areo — en Krasnokamask ĉe la urbo Molotov, en Tujmaz inter Volga kaj Iŝimbajo, en Buguruslan norde de Ĉkalov kaj, fine, sur Volga mem.

Baldaŭ sur Volga, ĉe Syzranj, estis ricevita fontannafto. Elŝprucis naftfontano ankaŭ ĉe Povolĵia (norde de Kujbyŝev). Poste nafto estis trovita apud Saratov. Tiamaniere estis konfirmitaj la pensoj pri la naftekzisto en la grandega spaco inter Uralo kaj Volga. Naskiĝis nova nafta regiono en la mezo de la lando.

Jam antaŭ dek jaroj la naftprovizoj de la regiono Uralo-Volga superis miliardon da tunoj, — ili estas pli grandaj ol la naftprovizoj, kiuj estis konataj en la antaŭrevolucia Baku. Inter Uralo kaj Volga naskiĝis „dua Bakú" — la nova potenca naftproduktanta regiono.

Uralo-Volga nafto estas sulfureca, sed kompense en ĝi troviĝas multaj malpezaj karbonhidrogenoj. Ĝi servos ne nur kiel hejtaĵo, sed ankaŭ kiel krudaĵo por diversaj kemiaj industriaĵoj. En la lasta tempo estas malkovrita multe da nafto en la plej profundaj devonaj tavoloj.

La „Dua Bakú" rapide kreskas. La partio kaj la registaro donas grandan atenton. En la fino de la nova Stalina kvinjarplano la produktado de nafto en Povolĵie superos la antaŭmilitan nivelon dekunuoble.

La konturoj de la Uralo-Volga naftregiono iom post iom plivastiĝas. Oriente estas jam trovita la nafto laŭ la siberia montflanko de la Urala montaro. Sude la Uralo-Volga regiono kontaktas kun la grandega naftdona areo de Emba. Sud-okcidente ĝi larĝiĝas al la flanko de la naftoportaj terenoj de Norda Kaŭkazo. Oni povas atendi daŭrigon de la naftobaseno ankaŭ okcidente de Volga. Videbliĝas grandega naftprodukta lando.

Jam komencas famiĝi la brulebla Volga gaso. En 1942, dum la Stalingrada militbatalo, estis esplorita la grandega naskiĝloko de gaso proksime de Saratov. La eksperimentoj de la Saratovfabrikoj montris, ke tiu ĉi gaso (metano) povas sukcese anstataŭi la demalproksime alportatan hejtaĵon. En 1934 oni ekkonstruis la gaskondukilon de la potencaj Buguruslanaj gasnaskiĝlokoj ĝis Kujbyŝev, longan ducent kilometrojn. Dum malpli ol du jaroj Saratov kaj Kujbyŝev ŝparas ĉirkaŭ milionon da tunoj de ŝtonkarbo. En la uzinsekcioj malaperis la brulodoro kaj la fulgo.

De la Saratovnaskiĝlokoj de gaso jam troviĝas la magistralo de la gaskondukilo. Ankoraŭ antaŭnelonge Povolĵie laŭ hejtaĵo estis plene dependa de aliaj regionoj, sed nun ĝi helpas mem per hejtaĵo la ĉefurbon.

La agrikulturo de la antaŭrevolucia Povolĵie kruele suferis de la sekeco. La sekegon eĉ nun oni devas serioze atenti. Sed la kolĥozoj havas tiajn rimedojn de batalo kontraŭ la sekego, kiajn ne havis kaj ne povis havi la erigita eta kamparana mastrumado.

La kolĥozoj de Povolĵie nun adaptas kun helpo de maŝintraktoraj stacioj la plej progresivajn rimedojn de la agrikulturado. Oni enkondukas la science ellaboritan semadalternadon. Oni pligrandigas la semadon de la aŭtuna greno. Oni semas sekecrezistajn kulturojn — milion, flavan medikagon kaj nove eltrovitajn sekecrezistajn specojn de tritiko. Sur la grandega teritorio — de la Azova maro ĝis la montarbranĉoj de Uralo kiel verdaj rubandoj estas plantataj laŭlonge de la kampoj protektaj arbarstrioj. Akacio, acero, frakseno, plantitaj en la senarbara stepo, gardas la kampojn kontraŭ la sekaj ventoj kaj malrapidigas la neĝodegeladon. Dum la du unuaj kvinjarplanoj en la sud-orienta parto de Eŭropa USSR estis plantitaj ĉirkaŭ 300 mil hektaroj da protektanta arbaro.

La kolĥozoj de Povolĵie per digoj detenas la defluon de la lokaj riveretoj kaj forkondukas ilin al la kampoj. Sekaj kaj marĉecaj ravinoj, baritaj per digoj, dum printempo aliformiĝas en lagetoj. Jam nun estas rimarkite, ke ĉe la riveretoj de Povolĵie preskaŭ malaperis la kutima printempa akvoaltiĝo. La forfluanta antaŭe akvo nun estas detenata per digoj por irigacii la semaĵojn. La sekeco estas malamiko serioza kaj danĝera. Oni konstante devas batali kontraŭ ĝi. En la estonteco en tiu ĉi batalo ludos grandan rolon Volga mem.

La Volgaj riverkurboj estas profundaj, sed ilia profundeco estas senvalorigita per la sablaĵoj. La neĝo ne deteniĝas en la multe elhakitaj arbaroj, ĝi degelas rapide kaj foriras subite per la printempa altakvo.

Dum la rapida akvoaltiĝo forfluas 70% de la jara riverdefluo de Volga. Dum la somero ĝi malprofundiĝas: la profundeco en la riverkurboj malaltiĝas ĝis unu kaj duono da metroj. Volga havas grandan „solidan defluon" — ĝia akvo portas multe da ŝlimo. Demetante la aluviaĵojn, Volga ofte ŝanĝas sian ŝanelon kaj ĉi tio malhelpas navigadon. La rivero trapasas la industriajn regionojn de Povolĵie, sed ne donas al ili energion. Volga preterpasas la sekecan zonon donante al ĝiaj plugkampoj eĉ ne unu guton da akvo.

Oni devas rekonstrui Volga'n, kaj ĝia rekonstruo estas jam komencita. Tia laboro estas nur laŭ la fortoj de la lando de socialismo.

La rekonstruo de Volga signifos laŭplanan kaj sciencan rekonstruon de la tuta popolmastrumado sur grandaj spacoj. Ĝi postulos ne malmulte da tempo.

Oni intencas konstrui sur Volga kelkajn potencajn hidroelektrajn staciojn. Tri el ili sur Supra Volga jam estas konstruataj — ĉe Ivanjkov, Ugliĉ kaj Ŝĉerbakovo. En la nova stalina kvinjarplano estas konstruota la hidrostacio ĉe Gorkij kaj la hidrostacioj ĉe la alfluoj de Volga — sur Kama ĉe Molotov kaj sur Oka ĉe Kaluga. En la estonteco aperos ankaŭ hidrostacioj sur la malsupraj riverkurboj de Volga. La kolektiĝo de la akvo ĉenos de unu digo al alia. Volga transformiĝos en ĉenon de grandegaj lago-akvorezervujoj. Tri el ili jam estas planitaj sur la mapo.

Sed la digoj ne nur profundigos Volga'n; ili detenados la printempan akvon kaj ellasados ĝin somere dum la tempo de la malmultakveco, la disfluo estos retenata kaj tiel distribuata, ke Volga fariĝos profunda en la daŭro de la tuta somero kaj laŭ sia tuta longeco

J. Dratwer.

# LA MONUMENTO DE MICKIEWICZ

La monumento de Mickiewicz estis malkovrita la unuan fojon en jaro 1898 en la centa naskiĝtago de la poeto, sed Hitleraj barbaroj detruis ankaŭ ĝin. Nun en la Popola Polujo tiu ĉi monumento estas rekonstruita.

Malkovro de la monumento finis la jaron de Mickiewicz, proklamitan okaze de la 150 datreveno de la naskiĝtago de la poeto. La malkovro okazis treege solene.

Ĉirkaŭ la monumento altiĝis multege da standardoj. La placo kaj ĉirkaŭaj stratoj formis maron de homaj kapoj. Alvenis delegitaroj de fabrikoj, ŝtataj oficejoj — de ĉiuj varsoviaj laborentreprenoj.

Multnombran grupon formis eksterlandaj delegitoj: el Sovetunio, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Bulgarujo, Rumanujo, Albanio, Germana Demokrata Respubliko, Francujo, Italio, Belgujo, Grandbritujo, Svisujo kaj Aŭstrio.

La solenaĵon inaŭguris en la nomo de polaj verkistoj kaj Ĉefurba Nacia Konsilantaro la ĉefa revolucia pola poeto Wladyslaw Broniewski, kiu diris interalie:

„De la piedestalo forigis vin la mano de la barbaro, sed ni detranĉis tiun ĉi manon. Ni detranĉis ĝin en la frateca alianco kun la Liberiga Armeo de la Lando de Socialismo. La domoj, kiuj ĉirkaŭis vian monumenton estis riunigitaj, sed ree ni konstruis tiujn ĉi domojn. Ni konstruas urbojn, fabrikojn, havenojn, ni plugas kampojn per traktoroj, ni laboras pli konscie, pli bone kaj pli racie ol iam.

Via vorto direktas pioĉon de ministo, traktoron de plugisto, plumon de poeto. Vortojn de via testamento plenumas nia popolo kaj la registaro de Popola Polujo".

La prezidanto de la Pola Respubliko Boleslaw Bierut diris interalie:

„Vana evidentiĝis la senlime malnobla venĝo de la faŝistaj barbaroj kiuj detruante la monumenton de Mickiewicz, pensis en sia stulteco, ke ili tiamaniere detruos la revolucian influon de la krea verkaro sur la homamasojn. Estiĝis tute kontraŭe. Neniam pli proksimaj estis al la popolamasoj ol ĝuste nun la imponaj kaj belegaj verkoj de Adam Mickiewicz, suprenlevantaj la patrujan lingvon sur altecon de la nekomparebla beleco. Neniam pli forte — ol nun — parolis al koroj Liaj ardplenaj patriotaj sentoj, en kiuj ĉiam la naciaj aferoj nedisigeble ligis sin kun ĉiaj sociaj kaj tuthomaraj celadoj.

Neniam pli plene — ol nun — estis sentataj kaj komprenataj de la popolamasoj tiuj plej ardaj revoluciaj ideoj, kiuj flagris en la granda koro de la poeto-revoluciulo kaj kiuj esprimiĝis en la blej bonaj liaj verkoj, en ofte eksplodaj spasmoj de lia poeta artismo, disvolviĝanta ofte sur bazo de profundaj sociaj konfliktoj.

„La granda revolucia romantikeco de Mickiewicz eksplodis per protesto kontraŭ la oportunismo kaj egoismo de iamaj privilegiitaj socitavoloj. La poeto vidis la celon de la vivo en batalo por libereco kaj sendependeco de sia popolo. Li deziris en tiu ĉi batalo instigi sentojn de senlima sindediĉo kaj sindono por la afero. Instigi deziron al la heroeco kaj nefleksebla hardo, saturita de la plej alta sociiĝemo, kiu kunfandiĝas la tutan vivon de la homo kun la nacia kaj sociaj ideoj. Tiuj ĉi celadoj serĉas ofte la eliron en ia mistika simboleco, simile kiel okazis foje kun la sociaj sopiroj de la subpremataj popolamasoj. La poeto prenis el la polaj fontoj kaj motivoj, revoluciigante ekzistantajn formojn de poeta kaj literaturista verkado. La verkaro de Adam Mickiewicz estas plenigita de popoleco kaj tial ĝi fariĝas des pli proksima nun al la popolamasoj".

Post substreko de la profunda amikeco de Mickiewicz kun la rusaj revoluciuloj Ŝtatprezidanto Boleslaw Bierut konstatis, ke:

„ La plej grava por pritakso de la sinteno de Adam Mickiewicz estas la fakto, ke ne nur lian poezian verkadon, sed ankaŭ lian plenan de tragedieco vivon kaj vivbatalon plenigis firma kaj neŝanceleblа ligosento kun la plej proksimaj tuthomaraj liberecceladoj. La batalon por la sendependeco de Polujo, sian tutan senliman sindonon al la afero de la nacia liberiĝo — li ligis precize kun la batalo por socia liberigo, kun venko de sociliberiga batalo de aliaj popoloj, kun la gvidantaj sociaj ideoj".

„Ni rekreu kiel eble plej vaste por la tuta popolo la aginspiran lian poezion, liajn kreajn inspirojn. Ĝuste nun venis la konvena momento kunigi la grandan poezian revolucian romantikecon de nia Profeta Poeto en unu fokuso kun la granda romantikeco de la ago de la polaj laborantaj amasoj, komencantaj la krean verkon de la sesjarplano, de la plano firmiganta liberecon kaj sendependecon de nia Patrujo, de la plano de la socialista kulturo kaj socia justeco".

Antaŭ cent du jaroj, parolante en Italio la 1-an de majo en jaro 1848 Adam Mickiewicz antaŭvidis:

... Novaj fortoj, kiuj prezentiĝas al la mondo, potenco de la ĉionpova kaj ĉionrega popolo, nerimarkita de tiranoj, akiros por la homaro la plenan liberecon..."

Malkovrante hodiaŭ monumenton al la poeto en la rekonstruata ĉefurbo ni dezirus diri al la Profeta Poeto:

Viaj libroj vagas en kampulajn kabanojn. Plenumiĝis viaj profetaj vortoj: En ĉiuj landoj plifortiĝas la batalo de laboranta popolo pro libereco.

---

La parto de la malkara elektroenergio de la estontaj grandaj ĉevolgaj hidrostacioj fluos laŭ dratoj de alta tencio granddistance en Moskvon kaj al Uralo. Parto de la elektroenergio estos uzata por la novaj produktadoj, kiuj estos kreitaj en Povolĵie. Kaj parto de la energio helpos akvumi Zavolĵie (la postvolgan regionon). Potencaj pumpiloj levos per elektra forto la Volga-akvon sur la kampojn, kiuj estas konsumataj de la sekeco. En la estonteco Zavolĵie ĉiujare dum ĉia vetero donados konstantajn rikoltojn de tritiko.

La rekonstruo de Volga estos diversflanka, kompleta. Volga fariĝos ne nur bonega akvomagistaralo. sed ankaŭ fonto de elektra energio, rimedo de akvumado de la grandegaj nun sekecaj spacoj.

En la rusa lingvo tradukis: *D. Staritskij*

---

**LITERATURA MONDO**

informas siajn abonatojn, ke pro financaj malhelpoj la aperigo de la revuo ne plu estas ebla.

En la jaro 1949 ni sukcesis aperigi kvar numerojn kaj ni restis ŝuldantaj al niaj abonatoj por du numeroj.

Kvankam ni ne sukcesis enkasi eĉ la preskostojn de la kvar numeroj, ni sciigas al niaj reprezentantoj, ke ili repagu al la abonanto la trionon de la abonsumon pagitan, se la abonanto tion petas de nia reprezentanto, al kiu li sistempe pagis la abonsumon.

Literatura Mondo

# LA MISTERAJ MIGRADOJ DE LA SALMOJ

La naturaj sciencoj ankoraŭ ne sukcesis klarigi la misterojn de la vivo de la salmoj. Krom la angilo, ne ekzistas fiŝoj kun moroj pli enigmaj.

La vivo de salmo partiĝas en periodoj preskaŭ egalaj pasigitaj en la maro kaj en la sensala akvo de la riveroj. Tie kuŝas la mistero. Kial nerezistebla bezono pelas tiun riverfiŝon al la maro ekde ĝia dua jaro? Kial post dujara restado enmara ĝi revenas por demeti ovojn aŭ fekundigi ovojn en la akvoj de ĝia naskiĝa rivero?

Scienculoj konstatis, ke kiam la salmoj estas dujaraĝaj, ilia haŭto pigmente modifiĝas. Certaj nigraj prodiktaĵoj, protektantaj iliajn lumsenteblajn haŭtĉelon tiam malaperas. La sunlumo tiam tiomforte inflamigas tiujn ĉelojn, ke la salmoj tuj serĉas protekton en la profundaj marakvoj. La sama fenomeno -- tamen kun malplia intenseco — rimarkiĝas ĉe la trutoj, kiuj dum umplenaj tagoj sin kaŝas en la riverakvoj kaj nur iras al surfaco je la mateniĝo kaj krepusko por trovi sian nutraĵon.

Kiel do klarigi la ciklan revenon de la salmoj en la riverakvoj?

Estas fiziologia ŝanĝo kiu klarigos ĝin. Tuj kiam evoluis la seksa vivo de salmo, ĝi bezonas absorbi pli grandan kvanton da oksigeno. La marakvoj enhavas malpli da oksigeno ol la riveraj akvoj, tiom pli oksigenoplenaj kiom oni alproksimiĝas al ilia fonto. Tial la salmo iras al sia origina rivero je ĉiu fazo de seksa aktiveco. Sed oni povas demandi, kiu sento de orientado ebligas al ĝi retrovi tiun riveron. Por kompreni tiun fenomenon necesas scii, ke la fluo de rivero ne haltas je la limo de la marbordo, sed ke ĝi tre foren eniĝas en la oceanojn. En la revenvojaĝo la salmoj gvidiĝas, en la daŭriĝo de la riverfluoj laŭ la saleco akva. Kiam ĝi retrovas la riverfluon al ĝi konata, ĝi ekkomencas sian revenvojaĝon. Aliaj faktoroj intervenas, la flua temperaturo ekzemple, sed eblas diri, ke tiuj lastaj hipotezoj estas la plej valoraj por klarigi la misteron de la perioda migrado de la salmoj.

Tamen la vivo de la salmoj havas aspektojn pli strangajn. Kiam ĝi eniras riverakvojn, tiu danĝera viandmanĝanto fariĝas asketo kaj ĝis ĝia posta migrado enmara ĝi preskaŭ ne nutras sin. Nova kaj neklarigebla mistero. Iun vintron plenkreska salmo estis forgesita en fiŝbaseno de Bretanio. Decidite estis observi ĝin nenutrata, ĝis ĝi montros signojn de laceco. Ĝi restis la tutan vintron, la printempon kaj someron sekvantajn. Je la frajtempo ĝiajn ovojn oni fekundigis artefarite; la salmidoj naskiĝintaj prezentis nenian apartecon. Kiel la salmoj, certaj marfiŝoj, la haringoj, alozoj, ankaŭ la fokoj fastas post periodoj de malmodereco. Kaj feliĉe estas tiel.

Se la fantazio sin nutri, en la riveroj kie ili restados, ekkaptus la salmojn, estas certe, ke post kelkaj jaroj restus preskaŭ nur ilia speco kaj rapide ili estus alkondukataj al intermanĝado. Feliĉege estas enmare, ke la salmoj sin fordonas al gastronomiaj diboĉoj.

Tie la salmoj sin metamorfozas. Multaj eksperimentoj pruvis, ke ili dikiĝas tri kilogramojn po jaro pasigita en maro. Mirkonsterniga cifero, se oni scias, ke truto, eĉ supersate nutrata en fiŝkultura baseno, dikiĝas per nur unu kilogramo pojare. En kelkaj jaroj salmo fariĝas vera monstro, la plej peza el la riverfiŝoj, escepte „la bahano" de l' tropikaj riveregoj. En la torentoj de Oleron, de Pau, en la rivero Allier, en riveroj de Bretanio estas kaptitaj salmoj de kvindek funtoj, sed en Norvegio estis kaptita la plej peza salmo, pezanta okdek sep funtojn.

Pri la enmara vivo de la salmoj multaj diskutoj kontraŭmetis, disigis la specialistojn de la fiŝkaptado de l' tuta mondo. Kion faros la salmoj dum siaj restadoj en la oceanoj? Ĉu ili naĝos milojn da kilometroj laŭ la marbordoj? Ĉu en marmezo? Aŭ ili restas ĉe la riverenfluejoj? Estas la tria tezo la plej verŝajna, sed ankoraŭ oni havas nenian certecon. Eksperimentoj demonstris, ke ĝi estus parte neĝusta. En pluraj landoj oni kaptis centojn da salmoj en riveroj, ligis je la dorsa naĝilo arĝentan lamenon kun numero kaj ilin remetis en akvon. Iuj estis kaptitaj je 2500 km. de la riverego, kie oni kaptis ilin la unuan fojon, aliaj je 2,500 aŭ 2,000 km. for de la marbordo, sed ĉar multaj estis kaptitaj je distanco malpli granda, oni ne konkludis.

Stariĝis nova demando? Ĉu la salmo reiras ĉiam en la saman riveron? Por fraji ĉu ili reiras foje en riveron, aŭ nur en pli modestan akvovojon? Pri tio oni surprize eksciis post diversaj enketoj internaciaj, ke ili ja venas ĉiam en la samajn akvojn por demeti ovojn aŭ fekundigi ilin. Estas en decembro kaj fine de la vintro, ke la salmoj, viraj kaj inaj reiras kontraŭfluen en la riverojn, post restado de dekok aŭ dudek kvar monatoj en maro. Post kelkcentkilometra irado la salmino preparas liton per siaj naĝiloj en ŝtonetaro, kie ŝi demetos siajn ovojn. Tiuj ovoj estas tuj fekundigataj de la vira salmo, kiu poste, tute elĉerpita, sin lasas esti forportita de la fluo. Lia malsupra makzelo fleksetiĝas supren dum lia supra konvulsie tordiĝas malsupren, kaj estos escepto, ke li ne mortos antaŭ atingi la maron. Ankaŭ elĉerpitaj, la inoj sin lasas esti forportitaj de la fluo, sed pli viglaj, ili sukcesas postvivi.

Ĝis la komenco de ĉi-jarcento la francajn akvovojojn eniris aroj da salmoj de pluraj dekmiloj. En iuj francaj provincoj dum longa tempo estis manĝaĵo tiel ordinara, ke leĝo kondiĉis ke oni ne manĝigos salmon pli ol trifoje semajne al domlaboristoj de la marbordaj departamentoj de Atlantiko. Vidiĝas ankoraŭ sur la kolorvitraĵoj de multaj preĝejoj la salmokaptado glorita inter la dudek kvar laboroj de l' homo. Nun la salmokaptado fariĝis apanaĝo de la ŝtelkaptistoj kaj la malmultaj profesiaj salmokaptistoj, ankoraŭ en aktiveco, malfacile sukcesas vivteni sin.

Tradukis ***Maŭrico***

---

### INTERNACIA JUNULAR-KUNVENO

Organizata de la Tutmonda junular-organizo okazos dum 8—10 tagoj en Julio ĝis Aŭgusto 1950 j. en u. Konstantz apud Bodensee, Germanio, ĉar temas pri junulara renkontiĝo. La aĝlimo por la partoprenantoj estas 30 jaroj.

En la programo estas antaŭvidataj: laborkunsidoj debatoj kun ĉeftemo „Esperanto kaj la junularo", amuzvesperoj kaj eskursoj.

Ek de la Germana landlimo funkcios karavanoj, kiuj ebligas 50% rabaton ĉe la fervojaj vojaĝprezoj.

*Jiri Marek*

# PAROLAS PATRINO

Mi rakontas al vi, sinjoro, ĉi tiun rakontaĵon, ĉar vi okupas vin pri verkado kaj ankaŭ ĉar mi opinias, ke estas urĝa tempo, ke ĝi estu aŭdata de pli vasta rondo ol en mia eterna izoleco. Via tasko estas formi miajn nelertajn vortojn tiamaniere, kiel oni kutimas formi ilin en la beletraturo. Kaj mi petas vin, donu al la vortoj ĉiun forton kaj ekscitiĝon kaj la tutan malĝojon kaj avertadon, kian oni povas atingi en skribita rakontaĵo. Ĝi estas vere necesa, ĉar poste la homoj eble tamen ekkredos tion, kion mi rakontos.

Mi loĝas en luita domo kiel tute nekonata virino kaj nenion interesan oni trovus sur mi. Preskaŭ neniu konas min. Du fenestroj de mia ĉambro estas frunte al sensuna strato kaj post iliaj kurtenoj mi observas la murojn de la kontraŭaj domoj. Ne estas necese, ke mi havu pli belan vidaĵon el la fenestroj, mi ja tamen rigardas sole en la pasintecon. Unu-dufoje tage la homoj de mia hejmo renkontas min, kiam mi vagas kun mia nigra aĉetujo eksteren, de kie mi baldaŭ revenadas. Mi iras malrapide, mia koro estas malsana kaj tre malfacile mi spiras.

Neniam vi rimarkis kiom multe da forlasitaj virinoj simile vagas ekstere kaj neniu ilin atentas? La vivo ĉirkaŭ ili ne por ili ekzistas, la montrofenestroj por ili ne brilas, neniu atendas ilin kaj ili tamen vivas, kvazaŭ rande de ĉiuj okazaĵoj, kvazaŭ iliaj ombroj. Kaj tamen ĉio kio okazas ĉirkaŭ ili tuŝas ilin, same kiel tiujn, kiuj la vivon trinkas plenbuŝe. Sed post ili ekzistas io tre peza, ia granda doloro, pri kiu jam neniu ion scias, certe ia perdita vivo, pri kiu oni jam ne parolas.

Tiu maljuna sinjorino el la teretaĝo — oni diras pri mi — iras aĉetadi. Sed unufoje la domservistino ekrigardis la daton de mia naskiĝtago kaj ŝi klakfrapis la manojn: — Vi ja estas ankoraŭ tute juna virino! Tion faras viaj blankaj haroj.

Tion faras multaj aferoj, sinjorino. Kaj juna mi jam ne estas. Mi ofte pensas, ke mi havas jam mil jarojn.

Kaj ŝi ekridis, sed samtempe ŝi rigardis tiel necerte kaj malgaje, kvazaŭ ŝi volus bedaŭri min. Sed pro kio bedaŭri? Mia vivo ne estis ĉiam tia, kia ĝi estas. Ĝi estis ja iam tre bela. Ni vivis bone, mi kaj mia edzo, ni vivis feliĉe, kiam al ni naskiĝis infano.

Cetere vi vidas, ke tiu ĉi rakontaĵo estas neniel interesa, ĉu ne vere, tiajn travivaĵojn vivas tamen miloj da homoj. Kaj mi preskaŭ timas, ke vi rifuzos mian rakontaĵon kaj vi ne skribos plu rakontadon tiom ordinaran. Mi petas vin, estu iomete pacienca ankoraŭ.

Venis la milito. Tio nature ankaŭ estas nenio interesa, ni ĉiuj tion travivis kaj vere ni ĉiuj tro bone scias, kia ĝi estis. Sed fakte ĉu ne ŝajnas al vi, ke ne sufiĉas nur tiel facilanime diri: milito? Ĝi estas nur vorto, nur kelkaj silaboj, kiuj tute ne esprimas kiom da teruro estas en tiu ĉi vorto kaŝita. Ĝi vere ne estas bona vorto, mi pensas, ĝi estas tro mola: tiu ĉi vorto devus knari, metalbrui, dolori, malodori per pulvo, per sekiĝinta sango kaj tamen ĝi estus ja nenio kontraŭ la realeco. En tiu milito mia edzo batalis. Ne kun armilo en la manoj, tio estis ĉe ni neebla, oni kaptis lin, kondamnis kaj ekzekutis pro la partopreno en rezista movado. Kaj mi restis sola kun mia infano. Estas necese, ke vi komprenu du aferojn: la teruron kaj la pezecon de la vorto milito kiam ĉiu homa laboro perdas sian sencon, kiam la morto sidas komune kun la vivantoj ĉe unu tablo kaj kontraŭe, la ĉarmon kaj gracion de infano, kiu dormante premas siajn pugnetojn, kvazaŭ ĝi volas kapti perdiĝantan sonĝon. Estas necese, ke vi priskribu ekzemple tian okazaĵon: la suno brilas sur irvojeton en parko kaj meze de ĝi paŝetas infano, ĝi voĉfajfas kaj siblas, movante per sia maneto kvazaŭ per maŝinpiŝto. Kiu diras, ke tio estas irvojeto en parko, kie oni preparas kontraŭbombajn rifuĝejojn, kie sidas silente lacaj homoj, rigardantaj teren? Tio estas ja tamen vagonaro kaj ĝi veturas sur siaj reloj, ĝi estas ja belega aventuro kaj la mondo estas bela, ĉar per unusola movo de la okuloj vi povas ŝanĝi ĝin.

Aŭ se la infano prenas ĉevaleton, kies kapo estas fore rompita! En tiu momento la peco da ligno plena ekviviĝas kaj sur ĝia dorso rajdas knabeto kaj lia bukl-kapeto kvazaŭ papava kapsulo tremetas, sed li tute ne volas esti delikata, li estas fortulo, li estas kavaliro, li rajdas voje-nevoje trans barilojn. Neniam finos tiu ĉi rajdado. Kaj jen subite pasero kaptas lian atenton, la ĉevalo-ligno falas en la sama momento teren kaj ĝi jam estas objekto morta. Tie sur la rando de fenestro pepas pasero. La nazo de la infano surgluiĝas sur vitrotabulon de la fenestro kaj li miras kial la pasero ne atendis iomete? Kial ĝi eksvingis per la vosteto? Kion diras la pasero, se ĝi ne scias paroli? Post momento denove la multkolora pilko estas multe pli bela ol la pasero, nenio estas tiom bela, kiam ĝi flugas tiom alteni ĝis en la ĉielon kaj denove revenas kaj vere ridinde brufrapas apud vi. Kaj dume la aĝaj personoj vidas afiŝanoncojn, kiuj signifas militon, suferadon kaj morton. Kaj la dika fingreto vagas en libro de bildo al bildo, kiuj estas tiom belaj: homoj en aŭtomobiloj, kuĉero kun sia vipo, vaporŝipo sur rivero... Kaj tio jam ne estas la fingreto, ĝi estas kamentubisto, kiu grimpas sur la ŝtupareto, unu du, unu du.... Panjo, kien iros dormi la kamentubisto? Kiu estingas la steletojn? ***Estas la suno pli granda ol mia telero?"***

Ĉiuj infanoj estas belaj kaj la plej belaj estas la ekdormantaj; ili falas en siajn sonĝojn kiel en la kusenetojn kaj dum ili apenaŭ povas fermi plene la okulojn, sur iliaj lipoj jam vagas „ridetulo", poste la senkapa ĉevaleto, la pilko kaj ankaŭ la pasero eksidiĝas sur la litorando kaj ili renove vivas, ĉar la beleco de tiu ĉi mondo estas senfina.

Kial mi pri tio ĉi tiom longe rakontas? Ĉar mi vidis mian infanon iri renkonte al la morto.

Ĝi iris kun mirega infanrigardo, ĝi iris konsternita pro ĉio kion ĝi vidis ĉirkaŭ si, ĝi premis la manon de alia infano kaj ili ĉiuj iris en tia procesio renkonte al morto kaj ili estis tiom malgrandaj, tiom ĉarmaj, tiom senpovaj.

Mia knabeto... Ne, ne timu, mi ne ploros, nur mia voĉo iomete tremetas; la plorado estas jam longe post mi, nur la teruro restis al mi, sed la teruro ne ploras.

Tion ĉi vi devas ankaŭ bone kaj precize priskribi. Ĝi estis senkonsola, nuda regiono kaj dezerta vojo pasis laŭlonge de la reloj, ĝi estis plena de seka koto. Kaj tiun kotan vojon marŝetas infanaj piedetoj, super ili estas marĉkolora ĉielo kaj ĉirkaŭe nenio moviĝas, eĉ ne unu folieto ektremetas, ĉio estas tro terura, eĉ la vento hontas kaj la arboj staras senmove, kaj se ili per siaj radikoj ne estus enkreskiĝintaj en la teron, ili devus forkuri de tiu ĉi loko de teruro. La tuta

regiono mutas pro konsterniĝo, fantome, tute nespirante. Nur la procesio iras, la malgrandaj infanoj, kiuj vidis jam tro da teruraj aferoj. Ili iras sen kriado, ĉar ili ne komprenas tion, kio okazas, ili iras, la tuta longa procesio iras, kvazaŭ ili irus el sia lernejo kaj ili bonmore premas la manon unu de la alia. Kaj tiuj, kiuj gardas ilin, klakas per ferumitaj botoj. Tiel simile vi tion skribu kaj diru: la infanoj iris renkonte al morto.

Mi vidis ilin kiam oni min transportis kune kun aliaj virinoj en kraditaj vagonoj sur longa senfina vojo al loko de morto, kiun oni nomis loko de la destino. Ĝi estis kruela vojaĝo, ni soifis, ni malsatis, multaj el ni mortis, sed la plej granda doloro estis tio, ke oni forprenis al ni niajn infanojn. La necerteco estis la plej terura: kio okazos al ili? Ĉu la infanojn oni adoptos? Ĉu oni arestos la infanojn en orfejoj kaj tie ilin multe punos? Ĉio ĉi estis kruela, sed ĉiam sub tio ĉi ĝermis tia pia konsolo: ĉion oni povas travivi, elteni, ĉefe, ke la infanoj vivos. Nia vivo jam ne estis grava....

Kaj poste iris laŭlonge de la fervojo la infana procesio; ĝi iris senbrue laŭlonge de la transportvagonaro, kiu staris tie ĉi jam tre longe, la procesio iris bonmore la vojon, sur kies fino fumegis la kamentuboj. Ho kiam ni algluiĝis per niaj okuloj al la kraditaj fenestretoj de la vagonoj, mi ekvidis la infanojn, sed pli grave, mi ekvidis mian propran infanon. Mia fileto! mi ekkriis kaj en la lasta momento de mia scio mi vidis kiel li turnis la kapon al la vagono kvazaŭ li estus aŭdinta min. Sed en la sama momento la ceteraj virinoj min deŝiris de la fenestreto, ili ankaŭ volis vidi siajn infanojn kaj ni estis ĉiuj tute frenezaj. Mi kuŝis sur la planko de la vagono, oni piedpremis min, mi sciis jam nenion. Sed mi poste eksciis, ke el la vagonoj ekbruegis tuta lamentado, ke oni rapide ordonis veturi pluen, la ploro de la patrinoj rivere fluis pluen kaj povis ĝin silentigi nek la insultado, nek la batoj, ja eĉ ne la pafado.

Poste la virinoj komencis konsoliĝi (ĉar unu afero estas, kiu ne finas, nome espero) ke tio tute ne estis niaj infanoj. Ankaŭ mi onidire ne povis ekkoni mian infanon, ĉar ĝi simple ne estis en la procesio, tiaj hazardoj ne okazas. Tio ne estis niaj infanoj, ili ne povis esti niaj infanoj ĉar niajn infanojn oni traktos pli bone, oni donos la infanojn en orfejojn, sed lasos ilin vivi.

Ne, tio ne estas niaj infanoj, ripetis la virinoj laŭte, tio estas infanoj tute fremdaj.

Ho, ho, kial do fremdaj? Kial do niaj koroj povus pro ili preskaŭ krevi?

Do en tia procesio iris mia fileto, ruĝvanga knabeto, mia „ridetulo", kiu zorgis kien iras la steloj dormadi. Kaj se tamen ne estis li, do estis alia knabeto. Sed la morto estis la sama por ili ĉiuj, morto de infanoj, gvidataj en la procesio, morto de infanoj, sur kies ŝtrumpoj trovas sian truon la polekso, morto de infanoj, kiuj purigas per manplato sian malpuran nazeton kaj havas delikatajn harojn, molajn kiel nesto de paseroj. Ĉu ekzistas entute vortoj, kiuj povus bildigi ĉi tiun teruron? Ĉu estas eble priskribi vere tion, kion la patrinoj en tiu momento sentis?

Kaj plej terure estis, ke mi plu vivis, ke mi ne mortis, kvankam mia koro jam antaŭ longe ekhaltis. La morto versimile hontis rigardi en mian vizaĝon kaj tial mi restis vivanta kaj revenis el ĉio ĉi — revenis. Sed mia fileto ne revenis.

Do jen mia tuta okazintaĵo: mi vidis mian propran infanon iri rekonte al morto.

Dum la milito tia estas la sorto, en la milito ankaŭ la infanoj batalas, diris iu en kunveno. Sed tio ne estas vero, infanoj ne batalas, infanoj nur suferas. Ĉar la batalantoj en la militoj estas ĉiam nur ne multaj, sed la viktimoj estas tro multaj kaj la suferado estas senfina.

Kial mi tion al vi rakontas? Kial mi volas, ke vi ĉi tiun kruelan okazintaĵon priskribu, malgraŭ ke la homoj certe ekĝemos, ke ĝuste hodiaŭ ili prefere legus pli gajajn rakontojn, pri amo kaj pri belaj aferoj?

*Ĉar oni parolas pri nova milito.*

En mia soleco cetere la milito povas nenion plu disbati, en mia neniaĵo ĝi povas rabi nenion. Sed estas tamen virinoj, kies infanoj vivas kaj ili matene leviĝas kun la sama rideto kiel mia fileto kaj ili ekdormas same lacaj, ili havas similajn ludilojn kiel mia fileto kaj iliajn fruntojn freŝigas la vento de infanaj songoj. Al tiuj ĉiuj vi skribu, ke mi gardas. Ke ankaŭ ili gardu. Ke dum oni parolas pri milito kaj preparas armilojn, mi pensas nur pri la krio de la murdataj infanoj. Do ke ankaŭ ĉiuj ceteraj patrinoj pensu pri tiu krio. Kaj se mi iras tra la parko, mi ne vidas la infanojn, kiuj ĉi tie ludas, sed tiujn, kiujn la milito murdis. ***Mi vidas procesiojn de ekzekutotoj, kiuj sur la sojlo de la morto demandas, ĉu la suno estas tiom granda kiel ilia infana telero.***

Mi bone aŭskultas kion la potencaj parolas pri milito. Mi, patrino, kiuj havas mil jarojn, trapikita per milo da doloroj. La tombojn de ĉiuj miaj infanoj scias neniu kalkuli, ĉar ĉiuj mortaj estis miaj infanoj. Kaj neniu plu povas al mi redoni unu el ili kiu karesus min per siaj diketaj manetoj.

Milito? Ĝi ne rajtas esti, la paŝoj de la infanoj tamburas por alarmo: *milito devas morti!*

Mia nomo estas Mario, mia nomo estas Katjo, mia nomo estas Rahel, mia nomo estas Penelope. Mi havas milojn da nomoj kaj mi estas la eterna patrino de la tuta mondo.

Ili parolas pri milito, sed mi ne aŭdas iliajn parolojn. Mi aŭdas la babiletadon de la infana parolo kaj mi aŭdas la krion de la murdatoj.

Mi streĉas la brakojn, rigardu min, mi plene streĉas la brakojn por reteni ĉiun ĉi teruron.

Mi retenos ĝin. Kaj se estos necese, mi metos miajn maljunajn manojn, kiuj jam neniam karesos infanon, mi metos ilin sur la gorĝon de tiuj, kiuj parolas pri milito.

tradukis ***A. Malik***

---

Karaj kamaradoj,

Hodiaŭ nia popolo kun ĝojo akceptis la bulgaran delegitaron, kiu vizitis Rumanion okaze de la semajno de amikeco inter ambaŭ popoloj. Ĉi-okaze akceptu niajn kamaradecajn salutojn.

Vivu la bulgara kaj la rumana popolo en frateco kun Sovetunio. Vivu la batalo par daŭra paco kaj demokratio.

***Jon Bunesku***
Bulvardul Nicolae Balescu 26
Bukureŝto

---

Estimataj kamaradoj,

La Franca Federacio de la laboro (F. E. T.) dolore surprizita pro la morto de k-do'j Kolarov, sendas al la Bulgara Esperanto-Asocio, kaj al la tuta popolo de Bulgario plej varman simpation.

F. E. T. klinas funebre sian flagon antaŭ la senviva korpo de k-do Vassil Kolarov, kaj pere de Esperanto promesas pli aktive lukti por demokratio kaj por daŭra paco.

Ni sendas al vi ankaŭ artikolojn rilate Vassil Kolarov, aperintaj en la komunista gazeto „Homaro".

Kunmetite, mi sendas al vi belan afiŝon, eldonita de la Franca Kompartio pro la morto de nia fama k-do Dimitrov,

Plej frate Klebraj

# KRIZANTEM-FLORO

*Sigeharo Nakano*

Mi estas granda amanto de floroj ekde mia infaneco — komencis rakonti onklo Huyukiti Tadokoro.

Mi amis ĉiuspecajn florojn, sed precipe florojn kampajn apudvojajan: violojn, ranunkolojn, enoterojn, hidropiprojn, sovaĝajn krizantemojn ktp..

Eĉ depost mia elkresko mi revadis kreskigi florplantidon se eble per mia propra forto, ĝis ĝi belege ekfloros. Sed mi ne disponis unue la necesan monon por aĉeti plantidon, due — la grundon sur kiu planti ĝin kaj trie — sufiĉan tempon por surverŝi la grundon kaj ŝirmi la plantidon kontraŭ la suno. Mi estis tiom okupita. Do mi devis kontentiĝi nur rigardante, kiam mi povis dum okupiteco, florojn ĉe vesperfoiraj floristoj, aŭ rigardante apudvojajn florojn paŝante.

Sed mi ne povis fari eĉ tion dekiam mi enkarceriĝis. Mi tre deziris vidi florojn despli ke mi jam ne povis fari tion, kvankam mi ne deziris vidi florojn tiom forte dum mi estis en libero. Nun mi deziregis vidi florojn ĝuste kiel amikojn.

Do mia ĝojo estis grandega, kiam iun tagon mi ektrovis belan oksalid-floron en anguleto de la ekzercejo.

La tempo por nia korpekzercado estis limigita je 20 minutoj, dum kiuj ni malliberuloj rondiradis en la mallarĝa ekzercejo kaj mi faris pli ol 1,500 paŝojn en la daŭro de tiuj 20 minutoj. La cirkonferenco de la ekzercejo estis ĉirkaŭ 20 paŝoj, tio estas, mi povis rondiri ĝin ĉirkaŭ 70 fojojn. Do mi povis preterpasi la angulon kie floras la oksalido tiom da fojoj kaj ĉiufoje mi salutis ĝin:

„Saluton, k-do Oksalido!"

Mi ekesperis kunporti la oksalidon en mian ĉelon. Ĝiaj folioj estas manĝeblaj. Ili gustas acide kiam vi maĉas ilin. En mia infaneco mi ofte maĉis ilin. Mi deziris ĉiel kunporti ĝin en mian ĉelon. Sed la gardisto observas min kun timigaj okuloj kaj mi ne povis elfosi ĝin. Mi povus forŝiri la florojn, sed tiam ĝi tuj forvelkus. Krome mi ne ŝatis forŝiri florojn. Sekve mi kontentiĝis nur salutante ĝin ĉirkaŭ 70 foje:

„Saluton, k-do Oksalido!"

Pasis preskaŭ unu jaro dekiam mi malliberiĝis kaj jen komenciĝis nova aŭtuno. La tagoj fariĝis ĉiam pli mallongaj. La sunlumo penetranta en la ĉelon fariĝis pli kaj pli malforta kaj ĉiumatene malleviĝis malvarma nebulo.

Kiam mi elrigardis tra la kradita fenestreto, la arboj kies verdaĵoj estis videblaj transe, tute nudiĝis nerimarkate de kiam, kaj la hirundoj, kiuj flugadis dum somero tiom multnombre, estis jam nenie videblaj en la ĉielo.

Daŭris melankolia aŭtuna pluvo ĉirkaŭ kvin tagojn, dum kiuj mi ne povis eliri por korpekzerco. Sed la sekvintan tagon la ĉielo sereniĝis helblua kaj mi eliris en la ekzercejon ĝojsaltante. Sed kiam mi aliris tiun angulon mi trovis la orajn florojn de la oksalido kuntirite tremantajn:

„Saluton, k-do Oksalido!"

Mi salutis. Sed la oksalid-floroj velkis iom post iom, ĝis fine iun tagon mi trovis iliajn petalojn teren dissŝutitaj. En la sekvinta fojo mi jam ne vidis eĉ tiujn petalojn.

„Fine venis vintro. Fine mi restis sen floro", Mi pensis.

La tagoj fariĝis ĉiam pli mallongaj kaj la noktoj — ĉiam pli malvarmaj. De la oksalido jam restis nenio: nek tigo, nek folio. Anstataŭe stariĝis briletanta frostaĵo tie kie ĝi antaŭe staris, kaj venis la Sepa de Novembro.

Matene tiun tagon mi gimnastikis en mia izolita ĉelo: unu-du, unu-du, gardisto malfermis la pordon kun laŭta bruo de seruro kaj diris:

„Jen sendaĵo por vi!"

Ho, kiom mi ĝojegis! Tion mi ne kapablas esprimi. Envenis ja belegaj krizantem-floroj.

„Krizantem-floroj, krizantem-floroj!"

Estis du krizantemoj, flava kaj blanka.

Estis mia patrino, kiu sendis ilin al mi.

„Patrino, mia kara patrino!"

Mi metis la krizantemojn en malplenan lakt-botelon kaj alportis ilin al angulo de mia ĉelo ame tenante ĝin ĉe la brusto. Tie fasko da sunlumo, enpenetranta tra la alta fenestreto, formis sunan loketon. Tie mi aranĝis tiel, ke la sunlumo surverŝiĝu sur la tutajn krizantemojn: florojn, tigojn kaj foliojn.

Kiel la suno turniĝis, tiel la suna loketo en la ĉelo transmoviĝis. Ankaŭ mi transmoviĝis de unu angulo al la alia sekvante ĝin. Kiam la varma sunlumo tute foriĝis el la ĉelo mi metis la krizantemojn sur mian manĝtableton.

De tiam mi ĉiutage longe staradis tenante la krizantemojn en sunlumo. Transmoviĝante post la sunlumo mi diris:

„Patrino, mia kara patrino, la suno lumigu kaj varmigu ankaŭ vian korpeton, dum ĝi tiel lumigas kaj varmigas la krizantemojn!"

Sed jen okazis embarasoj: ĉiufoje kiam mi matene purigis la ĉelon, sur la petaloj de la krizantemoj algluiĝis subtilaj polveroj, kiujn mi provis forigi per blovado, sed vane. Mi ne povis frapeti ilin same kiel la manĝtableton kaj librojn por forigi polvon. Ĉia provo estis senefika: ambaŭ floroj, neĝblankaj kaj flavaj, nigriĝis iom post iom.

La dua embarasaĵo estis, ke mia penado doni kiom eble plej multe da sunlumo restis senfrukta: la floroj pli kaj pli ŝrumpis. Mi renovigadis la akvon, sed la floroj ne ĉesis ŝrumpadi kaj kiam en la sekvanta fojo ili doniŝ novajn burĝonojn ili estis ankoraŭ pli malgrandaj.

Iun tagon fine unu el la floroj alparolis min:

„Onklo!"

La krizantem-floro klinis sian malgrandan frostrigidiĝintan kapon kaj demandis al mi:

„Kial mi estas metita en tian lokon? Ĉi tien ne penetras varma sunlumo. Ĉi tie estas mallume la tutan tagon. Neniu freŝa vento karesas min. Nokte prujno ne falas sur miajn foliojn; matene polvoj kolektiĝas sur ili dum purigo. Mi ne povas elsuĉi akvon el la tero. Kial okazas ĉio ĉi? Mi sopiras tuŝi la bonfaran teron..."

„K-dino Krizantemo!" mi respondis, „Estas mia patrino, kiu sendis vin ĉi tien. Ŝi ja sendis vin por konsoli min".

„Por konsoli vin? Sed kial? Kial vi silente sidas en tia malhela loko? Mi dezirus eliri kiel eble plej baldaŭ. Ĉu vi ne deziras eliri, onklo?"

„Kiel mi dezirus eliri!" mi respondis, „estas tute same kiel vi, k-dino Krizantemo".

„Kial do vi ne eliras? Vi ja havas manojn kaj piedojn! Pro kio vi venis ĉi tien?"

„Mi havas fortajn manojn kaj piedojn. Mi ne venis ĉi tien propravole".

„Kial do vi venis, se vi tion ne volis?"




Antikva ponto en malnova bulgara urbo Koprivŝtica

„Malbonaj homoj, kiuj eŝtas multego, kondukis min ĉi tien perforte".

„Kial? Sed kial?"

„Mi faradis bonan aferon, kio ne plaĉis al la malbonaj homoj. Kaj jen ili forkondukis min ĉi tien..."

„Nu jes, mi ekkomprenas" eksopiris la krizantemo.

„Kaj por vi mem, kara k-dino Krizantemo," mi diris, „kiel estus pli bone resti sur la kampo ol trafi tian lokon! Se la malbonaj homoj ne venigus min ĉi tien mia patrino neniam sendus vin en tian lokon".

"Jes, certe. Tiel devas ja esti!" diris la krizantemfloro.

Plue ni interparolis pri diversaj temoj. Intertempe mi ekrememoris unu aferon, pri kiu mi volis demandi ŝin, sed ĉiam iel forgesis.

„Nu, k-dino Krizantemo!" mi demandis, „ne sufiĉas ĉi tie la venteto, akvo kaj sunlumo, kaj viaj belaj floroj ŝrumpas kun ĉiu tago. Komence mi pensis, ke vi perdas viglecon, sed post observado mi trovis, ke tiel ne estas la afero. Estas vero, ke vi ĉiam pli perdas de via grandeco, sed anstataŭe via beleco pli kaj pli kreskas. Ĉiu petalo ricevas brilon kvazaŭ polurita. Kion tio signifas?".

Tiam la krizantem-floro respondis:

„Tio ta estas la animo de floro".

La krizantem-floro fariĝis ĉiam pli malgranda, sed ĝi floradis kun ĉiam pli bona odoro.

„Vivadi kun via tuta forto kien ajn oni metus vin, jen estas la animo de floro; jen estas la vivo de floro!"

La burĝonoj donadis florojn ebure belajn en la mezo de malabunda sunlumo kaj akvo. El ĉiu burĝono fariĝis floro.

Kaj mi skribis leteron pri tio hejmen al mia malgranda patrino.

El la japana lingvo tradukis: ***T. Kurisu***

*Multatuli*

# Preĝo de l' nescianto

*Ne scias mi, ĉu mi kreita laŭ fiksita plan'*
*Aŭ nur hazarde vivas, nek ĉu la Di'*
*Aŭ... Dioj sin amuzas pri mizer', mokante pri*
*la neperfekto de ekzisto mia. Sed, se estus ver'.*
*Terura estus tio! Kies kulpo do,*
*Ke ni suferas pro malforto, kriplo, stulto?*

*Se estus ni kreitaj laŭ intenca celo,*
*Sed ne atingas ĝin pro neperfekto nia...*
*La kulpo de l' malbon' ne trafas nin,*
*Kreitojn... sed Kreinton! Tutegale, ĉu*
*Jehovo, Zeŭs', Baal' aŭ Jupiter' ni nomas Lin.*
*Se vivas Li, Li estu bona, pardonema.*
*Ke ni Lin ne komprenas? Kial do*
*Li ne revelaciis sin? Se tion farus Li,*
*Li tiel agus, por ke dubo estu for,*
*Ke ĉiu diru: mi Lin konas, sentas kaj komprenas.*

*Ĉar kiom ajn aliaj scii pri la Di' pretendas,*
*Ne tuŝas min. Mi ne komprenas! Kial do*
*Li al aliaj sin revelaciis, ne al mi?*
*Ĉu ne egalas al la patro ĉiuj liaj idoj?*
*Se eĉ nur unu hominfan' ne konas Lin,*
*Pri tia Dio kredi estas ja blasfem'!*
*Ne pekas ido, vene patron alvokanta...*
*Kruelas patro, kiu ne respondas al la fil',*
*Pli bela estas kredo: ne ekzistas patro,*
*Ol ke Li surdus antaŭ voko de l' infan'!*

*Sed iam eble estos ni pli saĝaj! Iam do*
*Ni scios, ke Li estas kaj observis nin,*
*Kaj ke silento Lia havis kaŭzon. Nu,*
*Tuj kiam scios ni, jam tempos por laŭdad'.*
*Sed ne pli frue... ne hodiaŭ! Dio ĉagreniĝus,*
*Se Li konstatus, ke ni Lin adoris sen motiv';*
*Malsaĝo nun klopodi en nesci' mallumа*
*Heligi per la lumo... kiu nun ne lumas jam.*

*Ĉu servi Lin? Malsaĝo! Se dezirus servon Li,*
*Li estus koniginta nin pri l' manier';*
*Kaj senracie estas, de la hom' postuli;*
*Adoron, servon, laŭdon... kvankam mem*
*Li lasis nin sen certo pri detal'.*
*Se Dion ni ne servas laŭ la Dia vol'...*
*Ĝi estas Lia kulpo, Lia kulp, sed ne de ni!*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Sed dume — ĝis pli granda saĝ' — ĉu samas*
*bon' kaj mal'?*
*Mi ne kompenas, kial Di' al ni utilas en distingo*
*De bono kaj malbon'. Kontraŭe! Kiu bonon*
*faras, por*
*Ke Dio rekompencu lin, per tio faras el la bon'*
*Malbonon, eĉ negocon. Kiu fuĝas de l' malbon'*
*Timante Dian malfavoron, estas... malkuraĝa!*

*Ho, Dio! Mi ne konas Vin. Vin vokis, serĉis mi,*
*Preĝante Pri respond', sed Vi silentis! Estus*
*mia ĝoj'*
*Plenumi volon Vian... ne el punotim', nek por*
*merit',*
*Sed kiel fil' faranta patran volon... ame!*
*Silentis Vi... Vi ĉiam silentadis! Dum vagad'*
*Sopiras mi al hor', en kiu malkaŝiĝos Vi...*

*Kaj tiam mi demandos: „Patro, kial tiam nur*
*Vi montras al infan', ke patron havas ĝi,*
*Ke sola ĝi ne staris en batal',*
*Terura la luktad' por justo, humanec'!*
*Aŭ ĉu vi certis jam, ke agos mi laŭ Via vol',*
*Eĉ ne konante ĝin? Ke nekonscia pri*
*Ekzisto Via, mi Vin servos, kiel servi Vi*
*postulas?*

*Ĉu estas ver'? Respondu, Patro, se ekzistas Vi!*
*Infanon Vian lasu ne en dubo, Patro! Ne silentu*
*Al sange elpremita lama sabaĥtani!*

*Jen tielĝemas nescianto sur la mem prenita kruc'*
*Dolore tordiĝante kaj plendante pro soif'...*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*La saĝa — kiu kredas scii... koni Dion — mo-*
*kas lin,*
*Prezentas al li galon, jubilante: „Jen, li sian*
*patron vokas!"*
*Murmuras: „Dank', ho Dio, mi ne estas kia li!"*
*Kaj psalmas li: „Benita, kiu estas sen malbon'*
*Kaj ne iradas sur malpura vojo de pekul'"...*

*La saĝa... kaŝirante borsen por marĉandi bilojn.*

*La Patro silentadas... Dio, ho, ho ne ekzistas Di'!*

*Tradukis: **G. J. Degenkamp***

Multatuli estas pseŭdonimo de E. Douwes Dekker (1803—1879) tre konata nederlanda verkisto, komence registara oficisto en Ned. Indio. En kelkaj siaj verkoj Multatuli ( = mi multe suferis) forte protestis kontraŭ la terura subpremado de la indiĝenoj sub la kolonia reĝimo.

# Kara ter'...

*Kara ter', la tero de l' patrujo,*
*Pli ol or', donac' de via ter',*
*En la mond' ne estas land' pli bela,*
*Ĉiu homo vivas en liber'!*
*Maro zumas vent' tra lando blovas*
*Sur montpinto jen fiera pin',*
*Ortritik' ondadas en la vento,*
*Fortoj dormas en la ter' sen lim'.*
*Kiel sun' vizaĝoj ĉiuj brilas,*
*Ĝojas vir', infano kaj virin',*
*Ĉar liber', justeco estas nia,*
*Per batalo ni akiris ĝin!*
*Kara ter', la tero de l' patrujo,*
*Pli ol or', donac' de via ter',*
*En la mond' ne estas land' pli bela,*
*Ĉiu homo vivas en liber',*
*Unu jam' egalas la alian,*
*Estu li de brun' aŭ blank-kolor',*
*Samvaloras kun samrajt' la homo,*
*Sol-mezuro estas la labor'!*
*Inter ni ne estas jam barilo,*
*Ĉie nin renkontas kamarad',*
*Vivas ordo, justo kaj libero,*
*Firme, venke marŝas la movad'.*
*Kara ter,' la tero de l' patrujo*
*Pli ol or', donac' de via ter'*
*En la mond ne estas land' pli bela*
*Ĉiu homo vivas en liber'!*

(esperantigis: ***P. Balkanyi***)




Vidaĵo el Tirnovo (Bulgario), malnova urbo, konata per sia pitoreska situo kaj multaj monumentoj kaj ruinoj de la fora pasinteco

# Mirinda arbo

Oni plantas en la grundon herbeton (tiel ja aspektas tio), sed oni diras, ke tio estas estonta arbo. Efektive, post kelkaj monatoj tiu arbeto jam havas altecon de homo. Dum kvin jaroj ĝi atingas altecon de pli ol dek metroj. La neordinare rapida kresko de tiu valora subtropika arbo — la eŭkalipto — havas grandan signifon por la forstkulturo. Dudekjaraĝaj eŭkaliptoj donas el unu hektaro 800 kubometrojn da ligno. La ligno de la eŭkalipto posedas altvalorajn kvalitojn: ĝi estas pli rezista ol la kverkligno kaj pli malpeza ol la pinligno; ĝi ne purtiĝas kaj ne deformiĝas post sekigo.

Sed tio ne estas ĉio. La eŭkalipton oni nomas „arbopumpilo". Kiel pumpilo la eŭkalipto elsuĉas la likvaĵon (la akvon) el la grundo. Per ĝi oni povas sekigi marĉecajn terenojn.

El la folioj de la eŭkalipto oni produktas kelkajn specojn de eteraj oleoj. Per destilado de la lignaĵo oni produktas alkoholon kaj el la ŝelo oni produktas taninon.

# La inventisto de la aeroplano

Al la rusa maroficiro A. F. Moĵajski apartenas la honoro esti kreinto de la unua aeroplano en la mondo.

Moĵajski dediĉis al tio pli ol 20 jaroj de sia vivo. Li unua science pruvis la eblecon flugi per aparatoj pli pezaj ol la aero kaj malkovris la leĝojn de la fundamenta aerodinamiko. Postkiam li kreis kaj provis flugantajn aeroplanmodelojn Moĵajski finverkis la projekton de la unua aeroplano en la mondo. Dum 1881 jaro li patentigis sian eltrovaĵon kaj dum la somero de 1882 la konstruita de Moĵajski aeroplano estis sukcese ekzamenita en la aero. Tio okazis 21 jarojn antaŭ la flugo de la amerikanoj — fratoj Right.

# VENKO UNIKA DEPOST JARCENTOJ

*de akademiano E. TARLE*

Forpasos jaroj, dekoj kaj centoj, tamen la homoj refoje kaj refoje pense revenados al tio, kion faris la soveta popolo por la savo de Eŭropo kaj de la tuta mondo kontraŭ la faŝista mallumo, por la savo de la homa civilizacio.

Starante ĉe la piedoj de Kazbek oni malpli bone konceptas ĝian grandecon ol malproksimiĝante de ĝi je sufiĉa distanco. La venontaj generacioj certe ankoraŭ pli komplete kaj profunde agnoskos la rolon de Sovetunio por la liberigo de la popoloj en la mondo el la hitlerjugo kaj ekstermo.

Al la rabbesto de Berlin, kiu konkeris komence Germanion kaj poste Francion kaj preskaŭ tutan Eŭropon, estis tre klare, ke la milionoj da homoj, laborantaj sur la tero sen bienmastroj kaj en la fabrikoj sen kapitalistoj, starigos plej firman reziston kaj neniam por nenia prezo konsentos treni la jugon de la nova biensinjoro — la germana, kaj de la nova fabrikposedanto — ankaŭ germana. Eĉ plie: dum ekzistas Sovetunio neniaokaze rezignos sian amaran sorton kiel la francoj, perfiditaj de *Laval* kaj *Petain,* la italoj, subpremitaj de la nigroĉemizaj amikoj de la hitlerismo, la norvegoj, malgraŭ la perfido de Okisling, tiel ankaŭ la hispanoj, super kiuj oni sukcesis regigi Franco.

Sekve — ĝis kiam ne estos neniigita Sovetunio, nenio ankoraŭ estas certa, nenio ankoraŭ estas definitiva. Kaj ĉar la sovetaj laboristoj kaj kamparanoj certe kontraŭstaros decide, ĝuste pro tio unue oni devos sarki la grundon — likvidi tiujn naciojn, kiuj povus embuske ataki, kiam la „supera raso" kondukata de Hitler, Keitel k. c. militmarŝos venkoplene al Moskvo. Nur post la forigo de tiu minaco estas realigebla la „fulm -milito", la kapturna konkero de Moskvo, Leningrado, Ruslando.

La tasko estis ne nur la konkero de la fremda teritorio, sed la plena prirabo de la viktimoj, ne nur la sadismaj perfortoj kaj murdoj de miloj kaj miloj da homoj kaj ne nur la konstruo de specialaj koncentrejoj por ekstermo de milionoj da homoj — ĉiuj tiuj Oswiecim, Majdanek, Buchenwald, Dachau k. t. p. La ĉefa tasko estis, konforme al la celo donita al la germana ĉefkomandejo, la plena ekstermo de aro da popoloj — ĉiuj „nenecesaj al Germanio popoloj, posedintaj la konkeritan de la germana armeo teritorion".

Ne koloniigo, sed ekstermo! — tia estis la lozungo de la hitleristoj.

Parton de la loĝantaro ili penis ekstermi senprokraste: tio estis la inteligentularo — la spiritaj suproj de la venkitaj nacioj. Mortigante per malsato kaj torturo la profesorojn de la unuversitato en Krakovo, la murdistoj diris ridante al la edzino de unu el tiuj: „Ja de nun la popoloj ne plu bezonos okupi sin pri scienco; ili nur plugu la teron kaj haku lignon".

Ruinigante kaj malĉastigante la restadejojn de Puŝkin, Jasnaja poljana, la domon de Ĉajkovski, la germana faŝista hordo ne kaŝis sian intencon ĝenerale neniigi ĉiun memoraĵon pri rusa kulturo. „Ĉu tio ĉi necesas plu al la sklavoj, kies historio ĉesas kaj kiuj de nun vivos nur por plugi la teron de la germanoj sub la vipo de la gardistoj; ĉu estos necese al tiu vivanta terkultura inventario memori, ke ĝi havis iun Puŝkin aŭ Tolstoj?" — cinike parolis la barbaroj faŝistaj.

Ĉe Stalingrad la germana faŝista bando jam tute ne kaŝis, ke ĝi tute ne intencas sin limigi en okcidenta Eŭropo kaj Rusio. „Post la milito neniu ŝtato de Eŭropo devas supozi, ke ĝi povos konservi sian plenan sendependecon. Ĉiuj Eŭropaj landoj devos submeti sin al la supera protekto de Germanio". Tiu ĉi nekredebla pro sia aroganta impertinenteco frazo estis prononcita de la „Hitler-anstatuanto" en Belgio.

Kaj alia anstataŭanto — generalo Stulpnagel, kiu rabadis en Francio, klarigis: „Ni ekstermos tioman loĝantaron en la malamikaj landoj, ke ili neniam restariĝos".

La germanaj banditoj prezentis al si la estontan homaron jene: „Aŭdante prononcita la vorton kulturo, mi eltiras la revolveron kaj demetas la antaŭgardilon" tiel kriaĉis post Goebels la grandaj kaj etaj Goebels'oj Frieck, Dietrich.

Antaŭ la homaro sterniĝis nigra, senfunda, fetora kavo, en kiun ĉiuj akiroj de la kulturo, la ideoj pri libero, homa digno, moralo devis droni sen resto kaj postsigno...

Kaj tie ĉi eksonis la dua enteriga sonorado, ankoraŭ pli potenca ol tiu dum decembro 1941 sur la vojoj de Volokolam. Kaj nunfoje oni ne povis ĝin sufoki eĉ por momento: post Salingrad en tuta Germanio oni devis pendigi nigrajn standardojn dum tri tagoj.

De tiu momento la funebra sonoro super la faŝista rabista tendaro ne ĉesis eĉ unu tagon.

Ni tute ne deziras malgravigi la valoran oferon de niaj batalfratoj por la venko de la komuna malamiko. Sed estas faktoj nerefuteblaj, agnoskitaj malproksime ekster la limoj de nia patrolando. Tiuj faktoj atestas, ke Sovetunio kaj ĝia armeo eltenis preskaŭ la tutan pezon de la milito, ne ricevinte efikan helpon sur la frontoj dum la plej decidaj tagoj de pereigaj bataloj kun la germanaj hordoj kaj kun la armeoj de iliaj satelitoj.

Dum la printempo 1945 nek la amerikanoj, nek la angloj, nek la francoj, ekzemple, malgraŭ ĉiuj iliaj penoj, povis malebligi la ruinigan bombardadon de Londono per raketobusoj. En la samaj tagoj, kiam la Ruĝa armeo alpaŝis Berlinon, fandante la germanan armeon, ekstermante kvar kvinonojn de la germanaj armitaj fortoj — ĝuste en tiuj tagoj ĉe la Manche, norda Francio kaj Belgio la aliancanoj, kvankam ili havis kontraŭ si tre malgrandan parton de la germana armeo, tute ne povis konkeri la marbordon kaj forigi la fontojn, de kie flugadis al Londono la mortoŝprucaj „$V_2$". Kaj kiam en Berlino la faligita faŝista monstro kuŝis en la polvo sub la piedoj de la sovetaj soldatoj, kiam Keitel subskribis sian senkondiĉan kapitulacion, tiam, apenaŭ tiam la evakuitaj el Londono centmiloj da virinoj kaj infanoj povis reveni en la 25 procente detruitan urbon.

Kun nenio oni povus kompari la rolon de Sovetunio en tiu-ĉi milito, de ĝia komenco ĝis la fino mem! Kaj la danĝero, minacanta la homaron, estis pli terura ol ĉio, kion oni povas al si prezenti; kaj la venko de la soveta popolo, kiu difinis la marŝon de la mondhistorio, superis per sia grandiozeco, per siaj rektaj rezultoj ĉion, kion la mondo akiris dum multaj jarcentoj.

Dum la dekunu jarcentoj de sia historia vivo Rusio multfoje gajnis venkojn, sed nur unufoje ĝi atingis la apogeon de sia gloro. Kaj la venko en la milito de 1941—45 okupas apartan lokon en la mondhistorio.

# Granda rumana nacia entrepreno — konstruo de la kanalo Danubo -- Nigra maro

En la Popola Respubliko Rumanio komenciĝis jam la laboro pri la konstruado de la kanalo kiu kunligas Danubon kun Nigra Maro tra la valo Karasu (regiono de Dobruĝa). Per tiu kanalo la distanco inter Danubo kaj Nigra Maro estos mallongigita 380 kilometrojn. La kanalo estos longa 70 kilometrojn.

En la proksimaj vilaĝoj Poarta Alba kaj Nâvodari, en la profunda stepo de Dobruĝa, estas konstruata la administra urbo de la kanalo „Poarta Alba", kiel ankaŭ la urbo „Nâvodari", situita ĉe la lago Taŝaul.

Ĉe la rando de la kanalo, inter du gigantaj digoj, eniĝante en la maron ĉe pli ol 3 kilometra distanco estas konstruata la plej granda rumana mara haveno Midija.

Laboristoj el ĉiuj landpartoj laboras sur tiu ĉi nacia objekto. Dank' al la enportitaj de USSR maŝinoj kaj instalaĵoj, la laboro estas mekanikita kaj marŝas tre vigle.

Krom la sovetaj maŝinoj ĉi tie estas utiligata ankaŭ la metodo de la sovetaj novistoj kaj stahanovistoj, same tiel ankaŭ la soveta metodo de masonado kaj de fosado.

La laboristoj ĝuas nutrecan manĝaĵon kaj higienan vivon. Ili disponas manĝejojn, legejojn, dispanseriojn, klubojn, sportludejojn. Ili eldonas ankaŭ sian ĵurnalon, kiu respegulas ilian vivon, iliajn sukcesojn ĉe la konstruado, same tiel ilian kulturan kaj sportan vivon...

Baldaŭ en tiu objekto elkreskos novaj urboj de la lando kaj plifortiĝos la ekonomia nivelo de la regiono de Dobruĝa, kiu de marĉa landparto fariĝos industria centro kun progresinta kaj fruktodona agrikulturo.

La kanalo mallongigos per 380 kilometrojn la distancon, kiu disigas Nigran Maron de Danubo. Per la konstruado de multaj novaj fervojlinioj, ŝoseoj kaj vojoj laŭ la longeco de la kanalo estos kontentigita la manko de komunikiloj kaj per tio la prezo de la transporto malaltiĝos. Krome vaporŝipoj kun granda tunpotenco povos eniri ĝis la centro de la lando, kio ankaŭ kontribuos por la malaltigo de la prezoj de la importitaj varoj kaj helpos la facilan transportadon de la rumanaj eksportaj varoj.

Tiu granda objekto transformos la naturon de la tuta regiono de Dobruĝa, kiu eniros novan historian epokon.

Kiam tiu granda entrepreno de la Rumana Popola Registaro estos finita, la loĝantaro de Dobruĝa eliĝos el la obskuro kaj mizero, en kiu estis tenata de la burĝ-farmista reĝimo en la pasinteco. Ĝi ĝuos la novan civilizan ekzistadon, kiun ĝi ricevos post la fino de tiu giganta objekto, kiu kontribuos por la konstruo de la socialismo en la Popola Respubliko Rumanio.

*Trad.: M.* C.

# Kvinjaro de pola filmkroniko

La pola Filmkroniko, kies agadon komencis la filmtaĉmento ĉe 1 Divizio je nomo de Tadeo Kosciuszko en la Pola Militistaro, festis en januaro sian kvinjaran ekzistadon.

En Polujo la dokumenta kinematografio havas precipe tre gravan kaj respondecan rolon. Parolante per la sugesta formo de la filmbildo, dirante veron pri la hodiaŭa vivo, pri la plej gravaj okazintaĵoj en la socialista konstruado, pri sukcesoj en klerigado, kulturo kaj artoj, la dokumenta filmo ne nur respegulas la hodiaŭan epokon de la revoluciaj ŝanĝoj, sed fariĝas ankaŭ ilia kunkreinto.

La unua numero de la Pola Filmkroniko aperis la 1-an de januaro en jaro 1945 en Lublin, kie dank' al soveta helpo estis organizita la unua provizora filmproduktejo en Polujo, kies estro fariĝis reĝisoro Aleksander Ford. En Marto de la jaro 1945 la filmproduktejo estis translokigita al Lódz, kie oni faris dokumentajn, klerigajn kaj distrajn filmojn. Nun la produktejo de dokumentaj filmoj troviĝas en Varsovio kaj estas plej moderne ekipita.

Entute dum kvin jaroj la filmproduktejo faris ĉirkaŭ 250 numerojn de la Kroniko kaj pli ol 200 dokumentajn filmojn. La produktejon popularigis kaj famigis en la lando kaj eksterlande inter la aliaj la filmoj, ilustantaj partoprenon de la Pola Militistaro en batalo kun la hitlerismo, nome: „Batalo por Kolobrzeg — Koldberg" kaj „Pereo de Berlino", la filmoj pri la unua periodo de rekonstruo de la ĉefurbo — „Ni konstruas Varsovion" „Varsovia Suito", la filmo „Inundo", kiu ricevis premion en festivalo en Cannes. En la pli nova produktado citindaj estas „La libera tero", premiita en Marianske Váry kaj „Granda ŝafopelado", premiita en Cannes. Diferenciĝas per la alta nivelo la laste produktitaj mezlongaj filmoj: „La larĝa vojo", dediĉita al la ĵus konstruita nova trafikarterio en Varsovio — Oriento — Okcidento — „Respondo" kaj la ĵus finita filmo „Letero de karbministo", la interesa provo montri novajn formojn de la socia vivo en polaj karbminejoj.

De aŭtuno de la pasinta jaro oni realigas specialajn eldonojn: „En la lando de socialismo", muntitajn laŭ la sovetaj bildoj kaj la ciklon „Nuntempa Pollando".

Interŝanĝo de la filmkronikoj okazas nun kun 15 landoj.

La ĉefa tasko de la pola filmkroniko en la kuranta jaro estas mobilizo de la socio por plenumo de la sesjara plano kaj por batalo por la paco. Oni intencas realigi filman ciklon, dediĉitan al la personoj, speciale distingiĝintaj per realigo de la sesjara plano. La novaĵo estos speciala „Monata Filmeldono" por vilaĝoj, kiu donos revuon de la plej gravaj okazintaĵoj dum la monato.

*I. Dratwer*

---

Tiu-ĉi venko brilados dum jarcentoj per potenca lumo kaj rakontados al la idaroj kiel la sovetaj homoj, kreinte la unuan en la mondo socialistan ŝtaton, sub la supera gvidado de Stalin, faligis la impertinentajn perfortulojn kaj savis ne nur sian estontecon, sed ankaŭ la estontecon de la tuta liberama homaro.

Trad: *L. Marikin*

---

RENOVIGU VIAN ABONON SENPROKRASTE!

*V. Majakovskij*

# LENIN

*La matenon heian de la sun'*
*Registar-bulten' ombrigis nun.*
*Ne!*
*Ne kredu!*
*Ĉu ordonos vi al falmo:*
*ĉesu?*
*Ne!*
*Vi ne katenos fortojn de vulkan'!*
*Ĉiam*
*per milpaĝa preso*
*tondros*
*kun alarmo*
*Lenin-lang'.*
*Ĉu la tondro povas esti muta?*
*Ĉu haltigos vi*
*turniĝon de ciklon'!?*
*Ne!*
*Ne malfortiĝos Lenin — volo tute*
*en partia vol' de milion'.*
*Ĉu mezuros*
*termometroj*
*ard-fervoron!?*
*Ĉu sekunde*
*pulsas*
*Lenin'a raci'!?*
*Ĉiam fajre bolos Lenin-koro*
*En la brust'*
*de la revoluci'.*
*Ne!*
*Ne!*
*N-n-ne!*
*Ni ne volas kredi'*
*al bulten-foli',*
*Nigra ombro*
*iru for de ni!*

El la rusa lingvo tradukis: ***N. H.***




Vidaĵo el la bulgara urbo Plovdiv (la antikva Philipopolis).

*František Halas:*

# Dek Plagoj Egiptaj

„Sango, ranoj, cimoj, muŝoj, pesto, ulceroj, hajlo, akridoj, obskuroj, forbuĉo de l' unuenaskitoj"

***Sur viraj manoj, sur frunt' infana, sur ina sin',***
***sur tuta mondo sanga glu'.***
***Poet' ŝaŭmfrato kriu ĝin,***
***kantu laŭ sangoguta ritmo-flu.***

***Monstraj vortbufoj rampas el la buŝ' gazeta***
***en naŭza muko garn',***
***mensoggelatoj en profundo kreda,***
***kaŝiĝis mond' en karn'.***

***Moneroj-cimoj ŝvelaj de mizero,***
***sur korp' de malriĉuloj suĉas svarm',***
***ĉi rust' kadukaj igas arbojn de libero,***
***cimfetoras perfid' el libra ĉarm',***

***Sub muŝnubar' homec' disfala,***
***insigne muŝmakul',***
***hurlu fideiaj tra l' paradar' banala,***
***tra marŝ' de militul'.***

***En orkapuĉ', purpuro venas pestoj,***
***viktim-intestojn sur la ŝild',***
***ŝrapneloj dispendigas infanvestojn,***
***pri „Ĉio por infano" bild'.***

***Korpoj fermitaj sub ulcerbutono,***
***devizĉifonoj sur anim' mucida,***
***estas Eŭropo vi ulcerfestono,***
***vipuro vi perfida.***

***Teren puŝita kio alĉielis***
***per ŝtalokaj'.***
***en Kristo-vundojn ree sangon pelis***
***maljunulina, beba ĝemonaj',***

***Tiras akridoj malsattrenajon,***
***vermdorse sub argilon ŝovata***
***lasta almozulo donas omaĝon,***
***regalas senpanulo malsata.***

***Rondflugas mallumoj tra helomanko,***
***en ĉiuj koroj nigras fi',***
***pli aĉa kio ol senhonta vango***
***antaŭ vi Hispani'.***

***Buĉitaj unuenaskitoj preparas inferon,***
***per dolĉmurmur' ilia eknaturis Di',***
***atestas mi pri plag' egipta kaj suferon***
***ties por ĉiuj malkuraĝaj vokas mi.***

*El la ĉeha **Jiri Korinek***

Komence de Novembro 1949 mortis unu el plej eminentaj nuntempaj ĉeĥaj poetoj František Halas en aĝo de 48 jaroj. Li estis granda porbatalanto de vero kaj justeco, de pli justa socia ordo. El liaj verkoj famiĝis poemoj Maljunaj Virinoj (dediĉita al patrinoj kaj avinoj), Nia sinjorino Bozena Nemcová (memorskribita al granda ĉeha poetino), Agordo kaj Torso de Espero. La lastnomita emociege elkantas la malĝojon kaj doloron kolerplenan de trompita popolo. El Torso de Espero estas ankaŭ la tradukita poemo Dek Plagoj Egiptaj, kiu ilustras al ni la jaron 1938, la tempon de Munĥena perfido.

# KUN ĈIUJ FORTOJ NELACIGEBLE NI LUKTU POR LA PACO!

Tiu nokto restos neforgesebla en la historio de la urbo, de la popolo, de la homaro! La nokto de 13-a al 14-a de Februaro 1945, dum kiu la bombflugistoj de la amerikanoj detruis Dresden kaj kun ĝi dekmilojn da homoj kaj netakseblajn monumentojn de la arto de pasintoj jarcentoj.

La rememoro pri tiu terurnokto metas la demandon: kiu estas kulpa por tiu aĝo de detruado? Neniu germano cetere volas forgesi, ke la decida kaŭzo estas la barbara hitlerfaŝismo. Kaj tamen, per tio la demando pri la kulpo ankoraŭ ne estas solvata, ĉar kiam Dresden fariĝis viktimo de la anglo-amerikanaj detruarmiloj, ***la milito jam estis decidita.*** Kial do Dresden devis morti? Dresden estis transformita en ruinmaron, ĉar la imperialistoj de Usono sciis, ke Dresden apartenos al la Soveta okupadzono laŭ la intertrakto de Jalta subskribita de ili. Tiele Dresden fariĝis viktimo de la antisoveta agitado, kiun la granda germana aŭtoro Thomas Man iam nomis fundamenta malsaĝeco de la jarcento. Sed la laboranta, pacon amanta popolo de Dresden ekkomencis jam la senlacan rekonstruon de la urbo, subtenata de la soveta okupo-potenco. Tiele nova vivo floras el la ruinoj.

Ĉu ĉia penado fariĝu denove vana? Ĉu denove niaj edzinoj kaj infanoj, fratoj kaj fratinoj brulmortu kaj estu sufokitaj en fosfor-flama maro? Ĉu sukcesus la imperialistaj militagitantoj kaj ties germanaj helpantoj kaj lakeoj denove detrui la rekonstruon per tria mondmilito kiun ili deziras kontraŭ la pacama Sovetunio?

Dresden estu averto por ĉiuj urboj de Europo, por ĉiuj urboj de la mondo.

La ekzemplo de Dresden pruvas: la plej valora posedaĵo de la homaro estas la paco. Ĝin ni defendu! La taskon kaj la vojon montras la pacama Germana Demokrata Respubliko. Kiu lernis el la sorto de Dresden, devas fariĝi fanatika malamiko de ĉia antisoveta propagando. Ĉar je la fino de la antibolŝevismo staras la milito kaj la definitiva detruado de nia urbo kaj de nia patrolando. Ĉar ĉiuj respondecaj, sian popolon kaj landon amantaj germanaj homoj tion ekkonis, ili sekvas la vokon de la Nacia Fronto, en kiu sin kolektas pli kaj pli ĉiuj veraj patriotoj.

# DEMANDOJ DE INFANO

— Panjo, kio estas „kulturo“? — tute neatendite demandis min mia fileto, lernanta en la dua klaso de elementa lernejo.

— Kulturo? Kie vi trovis tiun ĉi vorton? —

— Jen estas skribite! Kultura Kuirforneto. — Li montras la klarigilon pri la simpla bakilo, kiu havas truon meze, vaste uzata en la lasta tempo. Ĝi estas donaco al mia familio de iu homo.

— Mi vidis! la kulturo signifas ĉion ajn, kio estas oportuna por nia vivo kaj beligas kaj altigas la koron de ĉiu homo.

— Do, kion signifas „Kultura Federacio“ (Japana Demokrata Kultura Federacio)?

— Tio estas la nomo de organizaĵo, en kiu ĝiaj laborantoj batalas kun granda peno, por ke ĉiuj japanaj laboruloj povu akiri bonan kulturan vivadon.

— Hm! — li respondas iel nekonvinkita, ĉar por tio ni havas multajn kaŭzojn.

Lia patro ĉiutage okupite laboras ĉe „Kultura Federacio“, sed ĉu ekzistas io kultura en mia hejmo? Antaŭ longe radio-aparato estis forportita de la patro en ŝarĝsako sur lia dorso por vendo. Ĉar nur sola ĉambro larĝa 6 ĵooj (6×6 metroj) estas hejmo de li kaj liaj gepatroj. Gramofono estas tenata en konservejo, kaj preskaŭ neniam oni uzis ĝin.

Kiam vizitis nin junaj virinoj el mia provinco ni aŭskultis la melodion de Beethowen pere de diskoj. Dum la aŭskultado la knabo subite ekparolis kvazaŭ li eltrovis gravan aferon.

— Kiam nia vivo venos en pli da mizero, ni vendu ĉi tion, ĉu ne? — La gastinoj sentis humiliĝon pli ol la gepatroj. Ĉar li imitis tiel lerte, ke ni surpriziĝis pro lia imito al lia patro, kiu ofte konsultis kun sia edzino pri libroj kaj vestaĵoj vendotaj.

Oni distribuis sukeron anstataŭ sep tagporcioj da rizo, sed kvin tagporcioj da manĝaĵo ankoraŭ restas ne liveritaj. En rizkesto restas neniom da faruno, do neniam utilos la „Kultura bakilo“. Lastajn tagojn mia familio manĝas nur panojn, kiujn ni aĉetis por 20 jenoj po peco per la mono, kiun mi akiris per la vendo de sukero kaj terpomoj, kiujn mi aĉetis en nigra merkato.

La fakto, ke la volontuloj laborantaj por konstrui novan demokratan kulturon povas vivi nur nekulturan vivon en nuna Japanio, devas esti nekomprenebla kaj malfacila konvinko por la naŭjara knabo.

Ĉi matene li demandis la patron, starantan dorse al sia filo kaj portantan ŝuojn por ekiri, iom suspekteme.

— Kial, paĉjo, vi malfrue revenas hejmen vespere? Mi neniam vidas vin krom matene. Kion vi faras ĉiutage?

— Mi estas ĉiam okupita kaj precipe nun ege okupita de multaj aferoj per „Societo por defendo de Japana kulturo“.

La vorton „kulturo“ lia patro prononcis klare por komprenigi ĝin al sia filo. Ŝajnas, ke al li faris fortan impreson la vorto, kaj tuj li denove demandis.

— Defendo de kulturo? Do kiuj atakis ĝin?

Certe, ĝi estas atakata ne nur de antaŭe, sed ankaŭ de malantaŭe. Kiel okupitaj ni estas por defendi kontraŭ la atakado!

Por forigi ĉiujn senkulturaĵojn, kiuj mallumigas lian malgrandan koron, kiel okupite laboras patro kaj liaj kolegoj kaj koleginoj.

Neniu alia demando de infano ol „kio estas la kulturo?“ ĉagrenigas gepatrojn kaj instruistojn en nia nuna socio!

Kiu estas tiu, kiu donas al infanoj la kulturon, kiu koleregas nin kaj lasas al ili fari naivan demandon.

„Kial oni ne distribuas al ĉiuj homoj monton da panoj, dum ili estas vendataj en nigra merkato de urbo?“ kune kun belaj demandoj: „kial floras ruĝa floro?“ „kial homo vivas?“

# Sur insulo de Bering

*Hans Hartvig Seedorff*

*Li malkovris la rokon solecan*
*martelitan de l'mar'.*
*La malvarmo enrampas la koron.*
*Morto estas najbar'.*
*Al insul' sian nomon li donas*
*kiel plej lasta far'.*

*Liaj revoj, esploroj kaj agoj*
*nun fariĝas legend'.*
*Li neniam plu aŭdos la flirton*
*de la flagoj en vent'.*
*Liaj kontoj bilancas finfine*
*kun la mort' kiel rent'.*

*Ĉiam tranĉis li tra la envio,*
*kalumnioj kaj mok'.*
*Horizontojn li scils aperti*
*sole per sia vok'!*
*Sed hodiaŭ li pagas per vivo*
*famon de la epok'.*

*Pliiongiĝas la ombroj, nigriĝas*
*nun la grandmara rand'.*
*Liajn manojn senmovajn katenas*
*sablofluoj en vand'.*
*Li nur aŭdas la bojojn de l'vulpoj*
*ĉe la blovneĝa strand'.*

*En speguloj de liaj okuloj*
*bluas lia fier':*
*Lia maro kun nigraj standardoj*
*el la nuba aer'.*
*Adiaŭas lin lumo kaj vento*
*kaj ĉielo kaj ter'.*

*Li atingis la rokon solecan.*
*Estas for lia tag'.*
*Nevideble lin vindas en morto*
*patrolanda la flag'.*
*Kaj la maro alportas fuk-kronon*
*al la sabl-sarkofag'.*

*En la dana:* **Poul Thorsen.**

### NOTO DE LA TRADUKINTO

La dano Vitus Bering mortis la 8-an de decembro 1741 sur la insulo, kiu portas lian nomon. Antaŭ tio li en rusa servo gvidis du grandajn ekspediciojn tra Siberio al Kamĉatko, Japanio kaj Alasko. Li spitis la danĝerojn kaj donis sian nomon al marstrato Bering pruvante, ke Ameriko estas apartigita de Azio.

Li mortis mizere post pereo de la ŝipo. Longtempe li rifuĝis kun la kunuloj en kavoj sur la strando, kie la sablo estis fluanta vando...

Mortis 30 el la 77 ŝipanoj antaŭ la sava forveturo en la printempo sur boato konstruita de la restaĵoj el la pereinta ŝipo.




Vidaĵo el la apudmara urbo Balĉik (Bulgario) kun ĝia pitoreska marbordo

# Babilado inter Geothe kaj Eckermann

„Verki militkantojn kaj sidi en la ĉambro! Jen kio ne korespondus al mia naturo! Jes, sur la militkampo mem, kie oni aŭdas la blekadon de la ĉevaloj en la malamikaj linioj, jes, tie oni povus fari tion. Sed tio ne korespondis al mia vivstilo; tio estas afero de Theodor Körner. Kun lia naturo harmonias la militkantoj. Sed por mi, kiu tute ne havas naturon de batalanto kaj al kiu mankas militemo, miltaj kantoj estus masko, kiu akre malharmonius kun mia vizaĝo."

„Mi neniam afektadis en miaj poemoj. Kio ne tuŝis mian propran vivon kaj kio ne ekscitis min, tion mi ne diris en poemoj aŭ prozo. Ampoemojn mi verkis nur tiam, kiam mi amis. Kiel mi povus verki kantojn de malamo sen malamo! Kaj inter ni dirate, mi ne malamis la francojn, kvankam mi dankis Dion, kiam ni liberiĝis de ili. Nur kulturo kaj barbareco estas gravaj aferoj por mi, kaj kiel mi estus povinta malami nacion, kiu estas unu el la plej kulturitaj en la mondo kaj al kiu mi ŝuldas tiom grandan parton de mia klereco"!

„Cetere," Goethe daŭrigis, „la malamo inter nacioj estas stranga afero. Vi konstatos, ke ĝi estas ĉiam plej forta kaj akra sur la plej malaltaj ŝtupoj de la kulturo. Ekzistas eĉ ŝtupo, sur kiu ĝi tute malaperas kaj kie oni certmaniere staras super la nacioj kaj kie oni sentas la feliĉon kaj malfeliĉon de la najbara popolo, kvazaŭ ĝi estus nia propra sorto. Tiu ĉi kulturŝtupo korespondis al mia naturo, kaj mi jam staris firme sur ĝi longe antaŭ ol atingi mian sesdekan vivjaron".

Trad. *O. Bün.*

# LA EKSPOZICIO „NUNTEMPA BULGARIO“ EN BRUXELLES

La 12-an de Februaro j. k. estis fermita en Bruxelles la ekspozicio „Nuntempa Bulgario“. La laboruloj el Bruxelles kaj el la provinco kun nemalgrandiĝanta intereso daŭrigis vizitadi la ekspozicion ĝis la lasta momento kaj montri sian intereson kaj simpatiojn al la Popola Respubliko Bulgario kaj al la sukcesoj de la bulgara popolo.

En tiu ekspozicio oni povas vidi ĉion, kio estas karaktera por Bulgario: la krudan geografian pejzaĝon kun ĝiaj majestaj montoj kaj vastaj ebenaĵoj, samkiel la popolan folkloron, kies riĉeco kaj multformeco tuj altiras la vizitanton.

La belga civitano, en kies lando la popola folkloro jam delonge malaperis, kun scivolemo haltas antaŭ la buntaj bulgaraj naciaj kostumoj, esprimas sian admiron antaŭ la arte ellaboritaj bulgaraj brodaĵoj, daŭre rigardadas la internon de la malgranda bulgara vilaĝa domo kun ĝiaj originalaj mebloj kaj pentrindaj tapiŝoj, tra kies fenestro estas videblaj montoj, arbaroj, brutaroj.

Grandan intereson vekas ĉe la vizitanto la standoj montrantaj la riĉecon kaj la produktabundecon de la bulgara tero. „Bulgario posedas la tutmondan monopolon de la rozoleo“ estas legebla surskribo en la stando, en kiu estas elmetitaj grandaj ampoloj kun rozoleo (oni de malproksime sentas la rozodoron), fotoj kaj fotomuntaĵoj el la Roza valo. Ĉi-tie estas elmetita la fame konata bulgara tabako, kiu estas ŝatata kaj serĉata de la komercistoj kaj fumantoj en ĉiuj eŭropaj landoj. Apude estas elmetitaj bulgaraj legomoj kaj fruktoj kune kun ĉiuj specoj de konservaĵoj, konfitaĵoj kaj kompotoj, produktataj en Bulgario. Apud ili estas la puraj bulgaraj vinoj kaj brandoj. Flanke de ili estas la produktaĵoj de la bulgaraj arbaroj, ĉiuj specoj de ligno (pina, kverka kaj faga) — grava eksporta produkto de la bulgara popola mastrumado. Krom tio la tuta ekspozejo estas sternita, kaj ankaŭ la muroj estas kovritaj per belaj bulgaraj tapiŝoj el Ĉiprovci, Koprivŝtica kaj Kotel.

Sekvas la standoj montrantaj la heroan pasintecon de la bulgara popolo, la epokon de la turka jugo, ribelantojn kun ĉerizligna kanoneto de la tempo de la Aprila ribelo, ribelantojn el la taĉmentoj de Haĝi Dimitr, Stefan Karaĝa kaj Hristo Botev — monumentoj de la rusa-bulgara amikeco.

Jen estas la ribelo de la ribelintaj dum 1918 jaro soldatoj, la Septembra ribelo dum 1923. Sekvas la stando de B. K. P. kiu montras la sekretajn presejojn, la malliberejojn, la policejojn.

La belgaj laboruloj kaj honestaj civitanoj mirante haltas antaŭ la stando de la rezistado. Kun intereso ili legas la ciferojn montrantajn la nombron de la arestitoj, de la transloĝigitoj, de la kondamnitoj, de la mortpafitoj kaj pendigitoj: 1,200,000 arestitoj, 64,000 mortigitoj en daŭro de 20 jara obstina lukto kontraŭ la monarkofaŝismo. Ĝis tiu-ĉi momento ili ne sciis la amplitudon de tiu giganta lukto de la bulgara popolo.

Plue sekvas la stando montranta la glorajn septembrajn tagojn de la popola liberiĝo: la partizanoj descendas de la montoj, la armeo aliĝas al la popolo, la ĝoja renkonto de la liberiga soveta armeo, la multnombraj amaskunvenoj, la tutpopola ĝojo. La belgaj laboruloj, la partoprenantoj en la rezistmovado ĝoje rememoras similajn tagojn. Gloroj tagoj, neforgeseblaj tagoj! Sed en Belgio ili baldaŭ forkuris. La anglo-amerikanaj armeoj, kiuj invadis Belgion, senarmigis la rezistmovadon. Post tio la ĝisnunaj kunlaborantoj de la germanoj denove komencis levi la kapon. Nun la belga reakciularo aranĝas juĝprocesojn kontraŭ la herooj de la rezistmovado kaj preparas la revenon de la reĝokunlaboranto, kaj la reakcia gazetaro senpune blasfemas la sanktan nomon de la rezistmovado.

La sekvantaj standoj montras la profundajn politikajn, ekonomiajn kaj sociajn reformojn estiĝintajn en la vivo de la bulgara popolo post la liberiĝo: la proklamon de la Respubliko, la naciigon, la ekonomian supreniron de la lando, la fratan helpon de Sovetunio: tritikon dum la sekecaj jaroj, traktorojn, elektrajn instalaĵojn, specialistojn — jen kion sendas Sovetunio al Bulgario por helpi ĝian industrian disvolviĝon, dum la belgan industrion sufokas la amerika „helpo“ laŭ „la plano Marshall“. La komerco estas en krizo, pli ol 300,000 belgaj laboristoj estas senlaboraj.

Sekvas la standoj dediĉitaj al la popolklerigo en Bulgario. La admiro de la vizitanto estas pli senlima, kiam li ekscias, ke en tiu lando, kiu laŭ loĝantaro estas pli malgranda ol Belgio kaj kiun ĝis nun li opiniis sufiĉe malpli kultura ol Belgio, estas studentoj samnombre kiel en Anglio kaj trioble pli multe ol en Belgio kaj — kio estas nemalpli grava — la plimulto el ili estas de laborista aŭ vilaĝana deveno.

La admiro de la vizitantoj estas klare montrita en la libro por impresoj de la ekspozicio.

La salono estas senĉese plena. La publiko estas plej diversa. Tie-ĉi grupo da laboristoj rigardadas la standon de B. K. P.; apud ili grupo da studentoj, starantaj antaŭ la historiaj standoj brue diskutas. Flandra instruisto demandas en kia lingvo lernas la turka minorito, kies lernejoj kaj kultura agado ne estas preterlasitaj en la ekspozicio. Kelkaj gravaj sinjorinoj rigardadas la tapiŝojn kaj demandas pri iliaj prezoj. Grupo da religiemaj virinoj, ĵus venintaj el la proksima katolika preĝejo kun preĝlibroj en manoj, surprizite vidas en unu angulo de bulgara vilaĝana domo ikonon kaj konstatas, ke kontraŭe al tio, kion parolis al ili la katolika pastro, en Bulgario ekzistas libereco de la religio.

Laboristoj venas vidi kiel efektiviĝas ilia idealo kaj kiel vivas iliaj fratoj en tiu lando liberigita de la kapitalista jugo. Inteligentuloj interesiĝas pri la stato de la oficistoj, de la artistoj, de la sciencaj laboristoj, pri la kulturo kaj la kulturaj akiraĵoj de la bulgara popolo sub la popola regado. Komercistoj interesiĝas pri tio kion ili povas aĉeti aŭ vendi en Bulgario. Ĵurnalistoj, deputitoj, politikistoj, superaj oficistoj kaj diplomatoj ankaŭ notis siajn impresojn en la speciala por tiu celo libro.

La ekspozicio estis vizitita de pli ol 14,000 personoj. Ĝi vekis viglan intereson en ĉiuj sociaj tavoloj kaj estis unu el la grandaj kulturaj okazaĵoj dum la lastaj semajnoj en Bruxelles. La plej grandaj burĝaj ĵurnaloj presis favorajn kvankam moderajn recenzojn pri la ekspozicio, dume la progresivaj ĵurnaloj, precipe la komunista „Le drapeau rouge“ (Ruĝa standardo) dediĉis entuziasmajn artikolojn pri la ekspozicio kaj pri la Popola Respubliko Bulgario.

La ekspozicio „Nuntempa Bulgario“ ĉiurilate estas granda sukceso en la lukto por klarigo de la justa afero de la bulgara popolo en la okcidentaj landoj kontraŭ la kalumnia kampanjo, kiu senĉese estas farata kontraŭ la popolaj demokratioj.

*I. K.*

# 35-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

PARIZO — 5-12 AŬGUSTO 1950

OFICIALA BULTENO

### ĜENERALAJ INFORMOJ

*Loka Kongresa Komitato.* — Prezidanto: s-ro Georges Warnier; Ĝenerala sekretario: S-ro Jean Couteaux; Konstanta sekretario: S-ro O. T. Nicolaisen; Komitatanoj: s-ro Paul Boulet, s-ro Jean Guillaume, f-ino Huguette Royer kaj s-ro Raumond Schwartz.

*Adreso:* 35-a Universala Kongreso de Esperanto, 62, avenue de Clichy, Paris 18, France.

*Kongresejo:* La Sorbonne (Universitato de Parizo).

*Kongreskotizoj:*

| | | ĝis 31.12.49 | ĝis 31.3 50 | poste |
|---|---|---|---|---|
| Kongresano. . . . . . . . | fr. fr. | 1500 | 1800 | 2000 |
| Edzo aŭ-ino de kongresano | „ | 750 | 900 | 1000 |
| Junul(in)o ne pli ol 20-jara | „ | 300 | 400 | 500 |
| Subtenanto (Ne ricevos kongreskarton). Minimume . | „ | 1000 | 1000 | 1000 |

En tiu malalta kotizo por junulo ne estas enkalkulita la prezo de la kongresa libro. Do, se la junulo deziras tiun libron, li povos mendi ĝin antaŭe. La prezo estas fr. fr. 200.

*Pagoj:* Estas akceptataj ĉiuj pagiloj ŝanĝeblaj en bankoj, poŝtmandatoj k. t. p. Nia poŝtĉeka konto estas: 35e Congrès Universel d'Espéranto, Paris n° 3208-35.

Kiel pagon por la kongreskotizo ni *ne* akceptas poŝtmarkojn aŭ varojn, sed ni povas akcepti ĝuste stampitajn internaciajn respondkuponojn laŭ la tarifo 1 rpk. = 25 fr. fr.

*Aliĝiloj:* Haveblaj ĉe la kongresoficejo; U. E. A., U. E. F. kaj ĉe la landaj Asocioj. Aliĝo validas nur kun samtempa pago. Skribu la nomon kaj adreson tre klare.

*Kongreskarto:* Tuj post la ricevo de la aliĝilo kaj kotizo, L. K. K. sendos al vi la *definitivan* kongreskarton.

*Informpetoj:* Al informpeto bonvolu aldoni internacian respondkuponon, (frankoj, poŝtmarkon).

Dum la 35-a U. K. okazos la 20-a Internacia Kongreso de Blinduloj.

*Presaĵoj:* disdonotaj en la Kongresejo aŭ en la kongresaj kunvenoj devas esti aprobitaj de la L. K. K.

*Salutoj:* Ĉe la Solena Malfermo oni rajtos saluti en la nomo de Registaro nur se ni estos antaŭe ricevintaj oficialan informon de la koncerna Registaro.

Ĉiu landa Asocio devas informi nin antaŭ la fino de Julio pri la nomo de la delegito, kiu salutos en ĝia nomo.

*Vizito en la urbo.* Dum la kongresa semajno ni aranĝos plurajn vizitojn en Parizo La vizito daŭros preskaŭ duonan tagon kaj kostos proksimume fr. 250.

*Ekskurso al Versailles* okazos ĵaŭdon la 10-an de Aŭgusto.

*Postkongreso* estos aranĝata. Detaloj pli poste.

*Postkongresaj vojaĝoj* estos aranĝataj al diversaj partoj de Francujo.

*Internacia Somera Universitato:* S-ro G. Warinhien akceptis la prezidon de la *Internacia Somera Universitato* kaj preparas interesan programon.

*Poŝtejo* funkcios en la Kongresejo kun speciala kongresa stampo.

*Radio:* Ĉiutage inter 18.15 — 18.30 vi aŭdos Esperanton en la franca radio. Ondoj: 48.82 m. Gravajn informojn ni disaŭdigos per tiu radio. Dankleterojn sendu al: Radiodiffusion française, Emissions en Esperanto, 118, Champs-Elysées, Paris 8, Francujo.

*Limigo:* Notu la jenan gravan informon pri aliĝoj al la Kongreso: Ni ***ne akceptos*** kongresaliĝojn post la 1-a de Julio 1950.

### KARAVANOJ

Ni jam estas informitaj pri jenaj aranĝoj. Brita Esperantista Asocio, 140, Holland Park Avenue, London, W. 11, Anglujo.

Itala Esperanta Federacio, Via Saluzzo 44, Torino, Italujo.

La germanoj sin turnu al: s-ro Michel Schmidt, Grüngang 9, (17b) Konstanz a. B., Germanujo, (Poŝtĉeka konto: München 33.992).

Nederlanda Esperanto-Asocio „La Estonto Estas Nia". Stadionkade 6, Amsterdam Z, Nederlando.

Sekcio de eksterlandaj vojaĝoj de la Universala Ligo, S-ro J. Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam, Nederalando.

Turisma Oficejo de Danaj Esperantistoj, s-ro S. K. Nielsen, Havepladsvej 136, Fredericia, Danujo;

### INFORMOJ PRI LOĜEJOJ

Estas malfacile rezervigi hotelĉambrojn en Parizo, sed ni tamen faros nian eblon kontentigi la mendantojn. Jen la nunaj prezoj kaj ni esperas, ke la hoteloj ne plialtigos siajn prezojn ĝis la Kongreso:

*Aranĝo A.*

| Hotelo | Ĉambro por unu persono (a) | Ĉambro kun granda lito (b) | Ĉambro kun du litoj (c) |
|---|---|---|---|
| Kategorio: 1 | fr. 1200 | fr. 1400 | fr. 1600 |
| Kategorio: 2 | fr. 750 | fr. 850 | fr. 1000 |
| Kategorio: 3 | fr. 450 | fr. 500 | fr. 600 |

La prezoj estas por unu nokto kun la servmono enkalkulita, sed nenia manĝo. La prezoj indikitaj sub (b) kaj (c) validas por 2 personoj en unu ĉambro dum unu nokto.

*Aranĝo B.* KUN-RESTEJO.

Kategorio: 4 Lito kun matenmanĝo. . . . fr. 150
Kategorio: 5 Lito kun matenmanĝo kaj tagmanĝo aŭ vespermanĝo. . . . . . . . . . . . „ 400
Kategorio: 6 Lito kun 3 manĝoj . . . . . . . . „ 650

La Kun-restejo estos en parizaj liceoj kaj superaj lernejoj. Ĉiu ricevos sian propran liton kun matraco, lankovrilo, kapkuseno kaj littukoj. La Kun-restejo troviĝos proksimume je 10 minutoj piede de la Kongresejo.

*Aranĝo C.* TENDO PROPRA.

Kategorio: 7 Sen iu manĝo (por ĉiu persono) fr. 50
Kategorio: 8 Kun matenmanĝo. . . . . . . . „ 100
Kategorio: 9 Kun matenmanĝo kaj tagmanĝo aŭ vespermanĝo. . . . . . . . . . . „ 350
Kategorio: 10 Kun 3 manĝoj . . . . . . . . . . „ 600

La tendarejo troviĝos en bela granda parko je sep minutoj de subtera fervoja stacio. La veturo ĝis la Kongresejo daŭras proksimume 20 minutojn.

*Manĝado.* Loĝontoj en hoteloj povos manĝi laŭplaĉe en iu restoracio proksime al la Kongresejo elspezante de fr. 250 ĝis fr. 1500. Sufiĉe kontentiga manĝo

kostas proksimume fr. 350; kaj matenmanĝo fr. 100. Al tiu prezo oni devas alkalkuli servmonon, ekz. 10% aŭ 15%.

FERVOJAJ RABATOJ.

I. — POR FRANCOJ.

a) *Individua bileto*: Rabato: 20% (kun slipeto = fichet). Validas dum 15 tagoj.

b) *Kolektiva bileto:* Rabato 30%. Validas dum 20 tagoj.

II. — POR EKSTERLANDANOJ.

a) *Individua bileto:* Rabato 20% (kun slipeto = fichet); ekde la franca landlimo por ir-reira bileto rekta. Validas dum 40 tagoj. Turnu vin al la jenaj agentejoj de la francaj fervojoj:

Britujo: 179, Piccadilly Street, London.

Belgujo kaj Nederlando: 25, Bd. Adolphe Max. Bruxelles.

Svedujo: Vazagatan 16, Stockholm.

Svisujo: 5, rue du Mont-Blanc, Genève, kaj la stacioj de Bâle kaj Vallorbe.

Se en via lando ne estas agentejo franca, turnu vin al la plej proksima vojaĝoficejo aŭ al L. K. K.

b) *Kolektiva bileto:* Rabato: 30% por ir-reira bileto rekta kun listo de la kunvojaĝantoj (minimume 15 por la plej multaj landoj). Por Belgujo kaj Nederlando la minimumo estas nur 10 kunvojaĝantoj.

La kolektiva bileto validas dum 2 monatoj, escepte por Svisujo kaj Italujo (nur unu monato).

Oni devas peti pri la bileto unu monaton antaŭ la vojaĝo.

***Post la alveno al Parizo vi devos stampigi la bileton ĉe la Kongresa Oficejo.***

**PROVIZORA PROGRAMO**

*SABATO 5:*

*8.00 Akceptejo malfermiĝos.*
*15,00 Kunsido de L. K. K. kun Estraro de U. E. A.*
*20.30 Interkoniĝa vespero.*

*DIMANĈO 6:*

*8.00 Katolika Diservo.*
*10.00 Solena malfermo de la kongreso.*
*12.30 Fotografado.*
*15.00 Vizito en la urbo.*
Evangelia Diservo.
*17.30 Kunsido de U. E. A. Estraro.*

*LUNDO 7:*

*10.00 Unua ĝenerala kunsido.*
*14.30 Kunsido de U. E. A.-Komitato.*
Fakaj kunsidoj.
*20.30 Malfermo de la Internacia Somera Universitato.*

*MARDO 8:*

*10.000 Dua ĝenerala kunsido.*
*14.30 Kunsido de U. E. A-Komitato.*
Fakaj kunsidoj.
*Ekskursoj kaj vizito en la urbo.*
*16.00 Internacia Somera Universitato.*
*20.30 Kongresa balo.*

*MERKREDO 9:*

*9.30 Internacia Somera Universitato kun filmprezentado.*
*14.30 Kunsido de U. E. A.-Komitato.*
*Sporto.*
*Ekskursoj kaj vizito en la urbo.*

*Lingva angulo*

# Demandoj kaj respondoj

## *SOFIO — SOFIA*

Leganto demandas, kial en „I. K." estas uzata jen la formo *Sofio*, jen la formo „Sofia"; ĉu la dua ne devas esti konsiderata kiel adjektivo?

Ĝis nun estas tendenco en E. konservi la originalan nacian formon de la personaj kaj geografiaj nomoj, neesperantigante ilin. Multaj kredas, ke donante pure esp. formon al tiaj nomoj oni faros ilin neekkoneblaj speciale por neesperantista leganto; kaj ankoraŭ pli speciale oni timas, ke kelkiuj esperantigitaj nomoj de urboj, skribataj en adresoj, ne povos esti komprenataj de la poŝtoficistoj kaj la korespondaĵoj ne atingos la adresaton.

En la ordinara lingvo tamen kelkaj tre vaste popularaj nomoj de urboj, regionoj, riveroj ktp. jam havas esperantigitajn formojn: Parizo, Londono, Novjorko, Usono, Alpoj, Danubo ktp. Kompreneble, tio estas en tekstoj, destinitaj por la esp. publiko; ankoraŭ dum longa tempo estas preferinde, pro la montritaj praktikaj konsideroj, en la adresoj skribi Warszawa, anst. Varsovio, New York, anst. Novjorko.

El tiuj ĉi esperantaj formoj oni regule faras aliajn gramatikajn kategoriojn: Pariza vivo, Londona turo, Novjorka strato, ĉedanuba lando ktp.

Rilate al la nomo de la ĉefurbo de Bulgario oni estas ankoraŭ en la periodo de ŝanceliĝo: jen oni sentas ĝin sufiĉe vaste konata kaj do esperantigebla (Sofio), jen oni emas konservi ĝian originalan formon (Sofia). En la titolo „Sofia esperantista societo" sendube *Sofia* estas adjektivo, ricevita el la substantiva formo *Sofio.*

(En simila ŝanceliĝa periodo estas ankaŭ la nomado de serio da aliaj ĉefurboj: Bukureŝto — București, Belgrado — Beograd, Budapeŝto — Budapest, Prago — Praha, Berlino — Berlin, Romo — Roma, Moskvo — Moskva ktp.).

Verŝajne post kelka tempo en la vivo de la esperantistaro stabiliĝos kaj ĝeneraliĝos prefere la esperantaj formoj.

La nuna nestabiligita stato rilate al multaj nomoj ne estas tamen domaĝa. Por atingi la definitivan formon estas neevitebla tiu ĉi ŝanceliĝa periodo. Tiel evoluas, progresas kaj stabiliĝas lingvoj. Ankaŭ Zamenhof tiel prezentis al si la vojon de Esperanto.

Pri la propraj nomoj estas rekomendinde tralegi §§ 164, 165 kaj 166 de la ***Plena Gramatiko de E.*** (K. Kaloczay kaj G. Waringhien, II eldono, Literatura Mondo, Budapest 1938). ***At. D. Atanasov***

---

Fakaj kunsidoj.
*20.30 Distra vespero.*

*ĴAUDO 10:*

*10.00 Tria ĝenerala kunsido.*
*13.30 Ekskurso al Versailles.*

*VENDREDO 11:*

*10.00 Oratora Konkurso.*
Fakaj kunsidoj.
*14.30 Internacia Somera Universitato.*
*Ekskursoj kaj vizito en la urbo.*
Fakaj kunsidoj.

*SABATO 12:*

*10.00 Ferma kunsido.*

# Grava sciigo

La 16-an de Aprilo 1950 j. je la 8 h. matene en la salono de la Ŝtata Muzika Akademio, str. Budapeŝta № 1, Sofio okazos

**LA REGULA KOMUNA JARKUNVENO**

de la Bulgara Esperantista kooperativo, dum kiu oni analizos ĝian ĝisnunan agadon kaj planumos la estontan. Ĉiuj membroj estas invitataj ĉeesti. Estas akceptataj ankaŭ novaj membroj.

---

**MALLUMO SUPER PORTUGALUJO**

El Portugalujo ni ricevis la jenan komunikon kun peto pri publikigo:

ESPERANTO MALPERMESITA EN PORTUGALIO

Ni bedaŭras sciigi la tutmondan esperantistaron, ke la portugala ministro por internaj aferoj o f i c i a l e malpermesis la propagandon kaj instruadon de Esperanto en la portugala teritorio. La ŝtatpolico PIDE (polico por internaciaj aferoj kaj ŝtatdefendo) traserĉis la hejmojn de la direktoroj de Portugala Esperanto-Ligo kaj konfiskis en la pasinta 23.8.49 ties arkivojn, bibliotekon kaj ceteran dokumentaron. La nomita Esperanto-organizo estas oficiale likvidita de la ŝtatpolico. Ĉiuj leteroj surhavantaj propagandajn glumarkojn de Esperanto estos konfiskataj, laŭ informo de la menciita polico. La portugalaj esperantistoj petas la specialan atenton de la eksterlanda esperantistaro pri tiu ĉi informo. La orienteŭropaj esperantistoj estas petataj ne skribi al la portugalaj esperantistoj, ĉar la ŝtatpolico estas speciale interesata pri la rilatoj de la portugaloj kun la orienteŭropaj esperantistoj. La portugalaj esperantistoj estos tre dankemaj, se ĉiuj Esperanto gazetoj represos ĉi tiun gravan komunikon por la bonfarto de la portugalaj esperantistoj.

**ANKAŬ LA FIZIKA LABORO NE ESTAS KONSTANTA KAJ OFTE ONI RESTAS SEN LABORO EN IZRAELO**

Post mia alveno de Bulgario mi konatiĝis kun multaj izraelaj esperantistoj el diversaj urboj kaj vilaĝoj. Nun oni devas zorgi pri la multaj novvenintoj el diversaj landoj kaj pro tio la esperanta movado nun estas ankoraŭ ne tiom vigla. La plimulto de la novuloj devas lerni la landan lingvon, alie ili ne povas trovi pli bonan laboron. Mi mem, malgraŭ ke scias kelkajn lingvojn, mi povas trovi nur fizikan laboron, ĉar mi ne scias sufiĉe bone la hebrean lingvon. Sed ofte, ankaŭ la fizika laboro ne estas konstanta kaj ofte oni restas sen laboro, sen vivrimedoj. La lokaj esperantistoj helpas al mi. Mi ricevis „Internacian Kulturon" kaj estonte vi daŭru sendadi ĝin al mi. Salutojn al ĉiuj samideanoj.

*E. Zisman*

**STALINITO**

En USSR estas eltrovita superrezista hardita vitro, nomita stalinito. Ĝi estas nerompebla. El ĝi oni preparas kontraŭventajn aŭtomobilajn vitrojn, ministajn lampajn k. a. La stalinito estas ne nur nerompebla, sed ankaŭ termostabila. El ĝi oni preparas kaserolojn, telerojn, tasojn, kiuj povas esti metataj sur la forno. Samtempe ili estas nerompeblaj.

---

La redakcio de INTERNACIA KULTURO ricevis kun malĝojo la funebran sciigon pri la morto de ĝia ŝatata amiko kaj kunlaboranto

# ELTUNKO



membro de la Ĥina komunista partio, neŝanceligebla demokrato kaj fervora esperantisto, tradukinto en Esperanto de la „Marŝo de volontuloj" kaj aliaj revoluciaj kantoj.

La brava ĥina revoluciulo kaj esperantisto k-do Eltunko estis mortpafita de la sekreta polico de Ĉan-kaj-ŝi la 1-an de decembro 1949 jaro en Chengtu, kelkajn tagojn antaŭ la alveno de la Popola armeo.

Ni klinas niajn kapojn antaŭ la glora vivo kaj morto de la heroo.

INTERNACIA KULTURO

---

Kun kordoloro ni sciigas niajn legantojn, ke la malnova fervora esperantisto

## Georgi Donĉev Georgiev

post longa malsanado mortis la 19-n de marto 1950 en Tirnovo (Bulgario). Li dum multaj jaroj senlace laboris por la disvastigo kaj diskonigo de Esperanto kaj havas grandajn meritojn en la prospero de nia lingvo.

---

***Por garantii ĝustatempan aperadon de Internacia Kulturo la administracio decidis redukti ĝian eldonnombron kaj sendadi la gazeton dum 1950 nur al pagintaj abonantoj.***

***La administracio***

# ĜOJIGA KONTAKTO PER ESPERANTO por popoldemokratio kaj mondpaco!

La redakcio kun ĝojo presigas jenajn materialojn kaj atentigas al sial abonantoj pri tiu ĉi modela agado por interpopola kompreniĝo.

Kara red.-samideano!

Mia Esperanto-Uzingrupo „Verdaj Talpoj" ricevis el Budapeŝto tre kamaradecan simpatiskribaĵon okaze la fondiĝon de la Germana Demokrata Respubliko. Per ĉi tiu mesaĝo per Esperanto profundiĝis reciproke nia kunlaboro por la Popoldemokratio kaj mondpaco. Ni transdonis la mesaĝon al nia Polit.-Direktoro kaj tuj nia propra Uzin-Radio Stacio Karl Liebknecht-Werk disaŭdigis ĝin dum ĉiuj tri en kaj elveturŝanĝoj de niaj kelkmilaj subteraj karbministoj, kaj sciigfolioj sur la nigraj tabuloj, murgazetoj kaj elmontrokestoj publikigis pri E. O. kiel la ponto al la popoloj. Samtempe mi transdonis la mesaĝon ankaŭ al s-ro W. Pieck-Berlino, la prezidanto de l'Germana Demokrata Respubliko; la respondon mi ankoraŭ atendas. Pro la graveco mi petas vin publikigi en la Internacia Kulturo.

Kaj ni atendas ankaŭ el via lando E-aĵojn afiŝojn k.t.p. por niaj nigraj tabuloj, murgazetoj kaj elmontrokestoj. Kun antaŭdanko kaj minista saluto „Feliĉon"!

via Esperanto-***Rosner***

Salutletero
de la hungaraj esperantistoj al la germanaj:

Karaj Kamaradoj!

Bonvolu sciigi, ke ni hungaraj esperantistoj — samtempe kun nia registaro—ĝoje salutas vin, vian landon kaj popolon okaze de fondiĝo de via demokrata registaro, sub kies saĝa gvido certe malaperos tiuj memoroj, kiuj malheligis nian ĉielon pro minacado pasintmiljara germana kontraŭpopola regado!

Nun eble via „ĵurnalo" akceptos artikolojn pri hungara popoldemokratia vivo (foiro, junulmondkunveno, kvinjarplano, k.t.p.) kiajn ekz. finna „ĵurnalo" tradukigas kaj uzas!

Kore salutas:
***P. Balkanyi,*** Budapest

Respondo
de la germanaj ministoj al la hungaraj esp-istoj

La SED-Uzingrupo de la Karl Liebknecht-Werk (sindikato) en Oelsnitz-Erz. kun ĝojo akceptas la salutojn de la hungaraj esperantistoj.

Ni la membroj de la SED faros ĉion por evoluigi kaj akceli la reciprokan amikecon kun la hungara popolo kaj ĝia popoldemokrata registaro.

La kreo de sendependa demokrata kaj pacama registaro en unu parto de Germanio kaj ĝia agnosko de la popoldemokrataj ŝtatoj estas por ni devigo ankoraŭ pli multe labori por la paco en la mondo ol antaŭe.

Ĉiuj ankoraŭ ĉeestantaj ideologiaj malfortecoj en nia popolo oni abolos sisteme kaj persiste per intensa kleriĝado.

La FDJ (Libera Germana Junularo) per la akiritaj impresoj de la mondjunularkongreso en Budapeŝto ĉion faros por krei la interkompreniĝon sur samrajta bazo kun ĉiuj progresemaj popoloj kiel en nia propra lando.

Ni pro tio salutas ĉiujn amikojn de nova Germanio kaj deziras al vi en la batalado por socialisma Hungario la plej bonajn sukcesojn.

subskribo *Kluge*
stampo Karl Liebknecht-Werk
SED Betriebsgruppe
Oelsnitz-Erzgeb.

La germanaj esperantistoj dankas:

Ni „Verdaj Talpoj" kaj esperantistoj de la Esperanto-Centro Oelsnitz-Erzgeb, korege dankas niajn hungarajn esperantistojn pro ĉi tiu granda servo farita al ni esperantistoj en la Germana Demokrata Respubliko kaj esperas, ke sekvos imito el aliaj landoj.

Esperanto-***Rosner***

## LA UNUA POSTMILITA KONGRESO DE IZRAELA ESPERANTISTARO

Je la 9-a kaj 10-a de Oktobro 1949 en Tel-Aviv okazis la Unua postmilita kongreso de izraela esperantistaro. La kongreso estis salutita je la nomo de la izraelaj elmigrintoj de 50 landoj. Flanke de bulgara esperantistaro salutis la kongreson k-do Bencion Danon. Dum la laborkunsidoj estis akceptitaj gravaj decidoj kaj estis elektita nova Centra Komitato kun sidejo en la centro esperanta Tel-Aviv. Tri membroj de la Centra Komitato estas el Tel-Aviv, du el la provinco el Jerusalemo, unu de Haifa kaj k-do Bencion Danon el kibuc Afikim. La kongreson partoprenis pli ol 80 gesamideanoj el diversaj lokoj de la Izrael-Respubliko. Post la laborkunsidoj estis organizitaj komunaj tagmanĝoj kaj ekskursoj. Estis akceptita la propono ke la dua kongreso dum 1950 j. estu en Jerusalemo.

*B. Danon* — membro de C. K. de Iz. E. A.

## SIMBOLO DE FRATECO — LA PILGRIMADO ANTAŬ LA TOMBO DE BULGARA PARTIZANO EN BELGIO

Je la 27-a de Novembro 1949 okaze de la datreveno de la morto de fama bulgara antifaŝisto Todor Angelov, pereinta kiel komandanto de fremdlandaj partizanoj en Brussel dum la hitlerista okupado, estis aranĝita memorvizito al lia tombo en Skaerbek-Brussel.

Inter multnombraj simpatiantoj kaj kamaradoj de Angelov, belgoj, bulgaroj, estis la bulgara ambasadoro en Brussel k-do D. Bratanov kun la oficistaro de bulgara legacio, la popola belga deputitino Izabela Blüm, reprezantantoj de belga rezista antifaŝista batalo, de la Fronto de sendependeco, de belga partizana armeo, sekretario de Belga-bulgara amikeco, junuloj belgoj-brigadistoj en Bulgario, partizanoj, bulgaroj loĝantaj en Belgio k. a.

La tombo de la heroo-antifaŝisto, troviĝanta inter la tomboj de la pereintaj kune kun li liaj kamaradoj belgoj kaj fremdlandanoj, estis kovrita per floroj kaj kronoj. Je la nomo de lia malproksima patrujo—Popola Respubliko Bulgario estis metita granda krono de floroj kun surskribo: „De la dankema patrujo".

***L. Damjanov***

# NIAJ POZICIOJ

Pri la pozicioj de la bulgara esperantistaro ni jam multfoje skribis artikolojn, tial eble la jena estas superflua. Ĝin tamen ni dediĉas al la gazeto „La estonto esperantista" (oficiala organo de la Junulara Sekcio de Germana Esper. Asocio, aperanta en Hannover, Okcid. Germanio), responde al la artikolo de s-no Rolf en la rubriko „ni kritikas", n-ro 12. 1949, direktita kontraŭ artikolo de s-no Klie.

Ni ne posedas la 11-an n-ron de la supra gazeto kaj ne legis la artikolon de s-no Klie por scii kial ĝi ne plaĉis al s-no Rolf. Kompreneble estas tamen, ke ĝi ne plaĉis al s-no Rolf pro la sola kaŭzo, ke en sia artikolo s-no Klie pledis pri la neceso de „linioj" por nia movado. Laŭ s-no Rolf, la serĉado de „linioj" por nia movado estas tre „danĝera afero" kaj por pruvi tion, kiel ekzemplon li citas la sorton de la Junulara Fako ĉe Bulgara Esp. Asocio.

Ĉar certe ne ĉiuj esperantistoj legis aŭ memoras nian rezolucion, pri kiu temas s-no Rolf, ni denove citos ĝin, por ke ĉiuj ekscíu nian „danĝeran linion", despli ke ni subtenis, subtenas kaj subtenos ĝin:

> „La 3-a konferenco de Junulara Fako ĉe Bulgara Esp. Asocio, okazinta en Jambol dum la 31-a kongreso de Bulgara Esp. Asocio konstatas, ke la Junulara Fako ne povas esti fremda al tiaj gravaj problemoj, kiaj estas la malebligo de nova imperiisma milito, sekurigo de vere demokrata paco kaj batalo kontraŭ la imperiismo.
>
> La konferenco komisias la centran estraron de Junulara Fako ĉe Bulgara Esp. Asocio eldiri kaj substreki ĉie, kie estas necese, ke la Junulara Fako ĉe B. E. A estas kontraŭ la imperiisma milito, la imperiismo generale, kaj ke ĝi batalos por vere demokrata paco. La Centra estraro ne nur eldiru tion, sed ankaŭ varme subtenu la tiurilatatajn iniciativojn de la ceteraj organizaĵoj.
>
> La konferenco varme subtenas la faritan proponon de la brigadistoj en la esperanto laborbrigado „Vela Peeva" al la Danubvala kontakta komitato, nome, ke en ĝia kadro estu kreota Junulara Sekcio al kiu aliĝu ĉiuj progresemaj junularaj organizoj esperantistaj de la tuta mondo por batalo pere de Esperanto kontraŭ la denove leviĝanta faŝismo kaj reakciularo.
>
> La konferenco komisias la centran estraron informi en plej proksima tempo ĉiujn Esperanto-organizojn pri tiu-ĉi punkto de la rezolucio.
>
> La konferenco opinias, ke la sekretario multon faris por la bona organizado de la sekcioj, sed rekomendas al la Centra estraro turni ankoraŭ pli grandan atenton al la organiza vivo kaj la disciplino en la sekcioj.
>
> La Centra estraro devas prepari referaton pri la rolo de la internacia lingvo en la epoko de socialismo, al kiu nia lando rapide marŝas. Ĝi devas ĝisfine disbati la vivantajn ankoraŭ en iuj esperantistoj sensencaj „ideoj" pri etburĝa kosmopolita „nova sento", „interna ideo" aŭ iu speciala dia misio de Esperanto".

Jen nia rezolucio, laŭ kiu s-no Rolf difinas nian „danĝeran linion". — Jes! Ni estas kaj estos sur la samaj pozicioj: kontraŭ la bruligantoj de nova imperiisma milito; kontraŭ la imperiistoj kaj reakciuloj tutmondaj; kontraŭ tiuj, kiuj diversmaniere kaj diversrimede provas haltigi la progreson en la popoldemokrataj landoj; kontraŭ la malamikoj de la liberiginto, protektanto, defendanto de ĉiuj subpremitaj kaj sklavigitaj popoloj — USSR. Ni estas kontraŭ tiuj, kiuj volas uzi la atoman energion por fabrikado de atombomboj kaj kiuj povas kaj preparas diversajn armilojn por amasa mortigado de senkulpaj homoj.

Ni estas ankaŭ kontraŭ la kosmopolitismo aŭ la mondcivitaneco, predikata de la usonaj imperiistoj kaj de ties obeemaj agentoj en la okcidenteŭropaj landoj.

„La mondo estas unu lando! La homaro estas unu popolo!" — Jen ilia lozungo perfida, al kiu la subtenantoj de la „interna ideo" kaj de la „homaranismo" aldonas la lozungon:

„Unu homaro-unu lingvo!" nekonsciante eble kiaj danĝeraj estas la postsekvencoj. Al la sama celo imperiisma servas la t. n. „Plano Marŝal". Kaj ni vidas la rezultojn de ĉi-tiu plano en la landoj, kiuj akceptis ĝin. Ĉi-tiu plano celas la ekonomian sklavigon de la ceteraj popoloj. Despli danĝera estas la kosmopolitismo pro tio, ke ĝi demagogias, misuzas per la idealismo de iuj homoj, kiuj kredas, ke per la realigo de la ideoj pri „Mondregistaro", „Mondfederacio", „Eŭropaj Unuigitaj Ŝtatoj", k. t. p., estos forigitaj la kontraŭdiroj, kiuj kaŭzas militojn inter la popoloj. En la vicoj de la tutmonda esperantistaro estas naivuloj, kiuj kredas, ke en tia „tutmonda federacio" aŭ parte en tiaj „Eŭropaj Unuigitaj Ŝtatoj" esperanto estos la komuna lingvo parolata, sed tio estas trompo. La kosmopolitismo estas burĝa perfida ideologio, kiu malkovras la vojon por la amerika imperiismo. Ĝi signifas rezignon de la sendependeco kaj suvereneco de la patrolando; ĝi signifas ekonomian kaj politikan sklavigon. Nome tion celas la usonaj imperiistoj per siaj asertoj, ke la plua ekzisto de memstaraj nacioj estas anakronismo ne plu taŭga kaj inda por la homaro de la nuna jarcento. — Ni ne aprobas kaj estas kontraŭ tia peresperanta agado.

Ni estas por la konservo de vere sendependaj, amike rilatantaj unu al la alia ŝtatoj. Esperanto, kiel rimedo por facila interkompreniĝo, kontribuos ĉi-tiujn bonajn rilatojn.

Ni estas kontraŭ tia „neŭtraleco" de nia movado, kiu fakte tre bone servas la imperiismon, la bruligantojn de nova milito, la malamikojn de la progreso kaj la malamikojn de Esperanto mem. Ĉu, ekzemple, ni devas esti neŭtralaj kaj indeferentaj rilate la reĝimon de Salazar en Portugalio, kies cenzurejoj konfiskas ĉiun leteron, gazeton, ĵurnalon, tuj kiam oni vidas, ke ili estas esperantlingvaj aŭ ke ili temas pri esperanto? Ĉu estas loko por neŭtraleco rilate la rasismon, kiu persekutadis la esperantistojn, konfiskadis niajn esp. bibliotekojn, arkivojn, klubejojn, k t. p.? En n-ro 10-a de „La estonto esperantista" s-no Friedel Rues skribis, ke en tiu senco ne estas ebla neŭtraleco. Ni konsentas tiun-ĉi opinion. Kompreneble estas, ke ni kiel esperantistoj, ankaŭ ne povas kaj ne devas esti neŭtralaj kaj indeferentaj rilate la bruligantojn de nova milito, despli ke Zamenhof nome por tia celo kreis Esperanton, por ke ĝi servu al la paco kaj al la progreso ĝenerale.

Kiam Zamenhof eklaboris por krei esperanton, kaj kiam li kreis ĝin, li estis konvinkita kaj sincere kredis, ke la diverslingveco estas la sola kaŭzo, kiu malhelpas ke la popoloj vivu en paco. Li kredis, ke se la homaro havus unu neŭtralan lingvon, tiam „en la mondon venos nova sento", ekestos paco eterna kaj la popoloj

## LA GERMANA DEMOKRATA JUNULARO PLIFORTIGAS LA BATALON POR UNUECO DE GERMANIO

Antaŭ nelonge en la vivo de la germana popolo kaj junularo okazis historia okazaĵo. Estis proklamita la Demokrata Germana Respubliko. Laŭ la volo de la germana popolo estas fondita demokrata Germana registaro. La laborula junularo kaj popolo de Germanio vidas en ĝi la garantion kaj sukceson de la batalo por libero, sendependeco kaj pacama Germanio.

Dum la jaroj post la venko sur la hitlerista Germanio neŝanĝeble kreskis la demokratiaj fortoj de la lando. Ili stabiliĝis. La progresema junularo estas unuigita en la Unio de Libera Germana Junularo (L. G. J.), laboranta sub la gvidado de Unueca Germana Partio. Por tre mallonga tempo nun la Unio de L. G. J. nombras 800,000 gejunulojn.

La Unio de Libera Germana Junularo helpas tre aktive demokratan edukon de la germana junularo, pri mobilizado de ĝiaj fortoj, por demokratigo de la lando kaj plenumado de la dujara ekonomia plano de la Orienta Zono de Germanio.

Rezulte en la Orienta Zono la germana junularo ricevis siajn fundamentajn rajtojn — la rajtojn de laboro, ripozo kaj klereco. Senlaboreco plu ne ekzistas. Laŭ la akceptita leĝo de la Germana ekonomia komisiono la labortempo por gejunuloj de 16 jaroj estas 42 horoj semajne, kaj de 18 jaroj estas 45 horoj, enkluzive 12 horojn profesia kvalifikado. La minimumo de ferio estas por la gejunuloj de 16 jaroj 21 tagojn, kaj al tiuj de 18 jaroj — 18 tagojn.

Estas enkondukita la principo por egala laboro — egala pago. Por la laborulaj gejunuloj estos sekuritaj la kondiĉoj por studado. Oni organizis specialajn laborist-agrarajn fakultatojn por la laborista kaj vilaĝana junularo, kiuj donas superan klerecon al ili. Laŭ la nova konstitucio la gejunuloj havas la rajton partopreni en la balotado post 18 jaraĝo.

La ekzistantaj fundamentaj demokrataj rajtoj por la junularo en Orienta Germanio kaŭzis inter la junularo altnivelan politikan kaj laboran entuziasmon. Per la iniciato de la Unio de Libera Germana junularo estis kreita la movado de la aktivuloj, kiu nun venke disvolviĝas en ĉiuj popolaj entreprenoj de Germana demokratia respubliko. Tiu movado ludas gravan rolon en la plenumado de dujara ekonomia plano de la respubliko. Tiu plano malfermis al la junularo novajn vojojn al fruktodona laboro. Nun estas en honesta kamarada konkurado 15,000 grupoj da aktivuloj kun sume 100,000 membroj. Estas organizitaj volontulaj gejunulaj grupoj por partopreno en la konstruado de loĝejoj por la vilaĝanoj, kiuj ricevis teron laŭ la agrara reformo kaj en la Maŝintraktoraj stacioj. La Unio de Libera Germana junularo helpas al la gejunuloj ellerni pli bone la materion en la profesiaj lernejoj, edukante ilin en nova rilato al la laboro. Grava sektoro de la Unio estos la lernejo. Fondita laŭ la iniciato de Unio de L. G. J. estas la Asocio de pionioroj kiu nun nombras 650,000 membrojn. Ambaŭ organizoj ludas grandan rolon pri la demokratigo de la klerigado kaj la edukado de la infanoj.

La Unio de la Libera Germana Junularo plifortigas la amikecon inter la soveta junularo kaj la demokrata junularo en aliaj landoj en la batalo por longdaŭra paco, por unueco de demokrata kaj pacamanta Germanio.

Tute aliaj estas la kondiĉoj, ĉe kiuj vivas la laborula junularo en Okcidenta Germanio, nehumane eksploatata de angla-amerikaj imperiistoj sub la masko de t. n. konstitucio de Bohn.

En la pupa okcidentgermana ŝtato la situacio de la laborula junularo de tago al tago malboniĝas. Pligrandiĝas la senlaboreco. Nun en Okcidenta Germanio estas 1,500,000 senlaboruloj. La junuloj ne povas trovi laboron. Pli granda parto de la infanoj bavas nenian eblecon viziti lernejojn. La nombro de malsanaj junuloj de tuberkolozo triobliĝis en la lastaj jaroj. La junulkri-

---

ekvivos kiel veraj fratoj. Kaj li kreis tian lingvon. Nun, tamen, ĉiuj objektive pensantaj homoj scias, ke tia paco ne estas kaj ne estos ĝis kiam ne estos forigataj la kaŭzoj, kiuj kaŭzas militojn: la kontraŭdiroj, kiuj estas karakteraj por la kapitalismo. Eĉ veraj fratoj povas estiĝi plej teruraj malamikoj, tuj kiam inter ili ekzistas kontraŭaj ekonomiaj interesoj. Kontraŭdiroj ekzistas ankaŭ inter Anglujo kaj Usono, malgraŭ ke ambaŭ popoloj parolas anglan lingvon. Do, ni asertas kaj la vivo pruvis tion, ke la diverslingveco ne estas kaŭzo, kiu malhelpas la bonajn internaciajn rilatojn. Jen: en Sovetunio loĝas pli ol 100 diversaj popoloj, parolantaj pli ol 100 diversajn lingvojn, kreantaj kaj havantaj siajn proprajn nacilingvajn kulturojn, kaj tamen ili ĉiuj vivas en paco, granitfirma unueco kaj amikeco. Hitler esperis, ke tuj kiam la germanaj armeoj invados Sovetunion, tie eksplodos ribeloj de la apartaj popoloj kaj ke tiuj ribeloj plifaciligos la realigon de liaj agresivaj planoj. Tio, tamen, ne okazis kaj neniam en la estonteco okazos, ĉar la sovetaj popoloj estas liberaj, egalrajtaj laŭ la Stalina Konstitucio kaj inter ili ne ekzistas kontraŭdiroj kaj kontraŭaj interesoj, kiaj ekzistas en la burĝreĝimaj landoj.

Ni neas la „internan ideon" de Esperanto kaj ni opinias, ke ĝi malhelpas la progreson de Esperanto. Pro ĝi oni opinias la esperantistojn homoj stranguloj, vanaj revuloj, maniuloj. Mokindaj estas ankaŭ ĉiuj ceteraj misioj de esperanto. Al esperanto ni devas rilati kiel al ĉiu lingvo. Ĝi estas nur lingvo- rimedo por facila interkompreniĝo. Estante facila, pli facila ol ĉiuj ceteraj lingvoj, ĝi estas lerninda. Kiel tia rimedo, ĝi povas esti bonega porpaca kaj porprogresa armilo, kapablanta akceli la konstruon de la internacia solidareco de la popoloj. Entute, nia vidpunkto al Esperanto estas realisma. Per ĝi ni volas kontribui al la progreso, la paco, la demokratio. Jen tia estas nia „linio". Ĉu ĝi estas „danĝera", ke ni pravas aŭ ne, ni lasu ke la gesamideanaro tutmonda diru sian opinion. Ni tamen estas fieraj; ke ni estas sur tiaj pozicioj, kaj ke sur la samaj pozicioj staras ĉiuj vere demokrataj, progresemaj esperantistoj en la tutmondo, pri kio pruvas la ricevataj en la redakcio de „Internacia Kulturo" kaj en la Junulara Sekcio leteroj el ĉiuj partoj de la mondo, kiujn ni povas publikigi kaj kiuj estas je ĉies dispono kiel pruvdokumentoj.

*Hr. Karaneŝev*
prezidanto de Junulara Sekcio
de Bulg. Esp. Asocio

moj estas grandnombraj. La pupaj germanaj regantoj perforte varbas junulojn por laboro en la minejoj, kie la kondiĉoj de la laboro estas sklavaj.

La progresemaj germanaj organizaĵoj de la junularo estas persekutataj, dum la faŝistajn organizaĵojn oni protektas. Malgraŭ la teroro la progresemaj gejunuloj subtenas senrezerve la registaron de la Germana demokrata respubliko kaj la batalon por unueca partio de laboruloj. La gvidorganoj de la Unio de L. G. J. montras, ke la ĉefa tasko estas fari la organizaĵon amasa kaj pliaktivigi la junularon por la batalo por defendi la naciajn interesojn de Germanio, de Nacia Fronto por paco. Tiun batalon la germana junularo taksas kiel parton de la batalo por longdaŭra paco kontraŭ la bruligantoj de la milito. Por la longdaŭra paco la germana demokratia junularo disvolvas kaj plifortigas la kunlaboradon kun la junularo de Sovet-Unio kaj la progresema junularo de aliaj landoj kun la Federacio de Tutmonda demokratia junularo.

Trad. ***Ŝt. K.***

### JUNAJ AMIKOJ,

Mi dum kelke da tagoj ricevis multe da leteroj kaj poŝtkartoj, dank' al la anonceto en „I. K." el multaj landoj, plej parte de plej seriozaj esperantistoj: laboristoj, terkulturistoj, inteligentuloj, maljunuloj kaj junuloj.

Ĉiuj tre interesiĝas pri vivo en Sovetio kaj pri sovetanoj mem.

En multaj skribaĵoj esperantistoj esprimas sian grandan amon kaj estimon al nia lando — regno de la laborista klaso kaj al ĝia gvidanto k-do Stalin.

Sed precipe mi ricevis tre multe da leteroj de vi—junaj esperantistoj — mastroj de via renaskiĝanta kaj floriĝanta lando.

Ĉar mi ne havas eblecon respondi ĉiujn leterojn, elkore skribitaj de junaj bulgaraj esperantistoj, mi decidis respondi al ĉiuj per tiu-ĉi letero.

Viaj entuziasmaj leteroj plenigis mian koron per neesprimebla ĝojo.

Mi estas nun 47-jara, sed mi ankoraŭ de la 17-jara aĝo estis arda esperantisto kaj de tia aĝo foriris al popolo, por ĝoji per ĝia ĝojo kaj suferi per ĝia sufero.

Tial al mi estas tute kompreneblaj viaj junaj entuziasmigitaj koroj, kiuj pulsas akorde kun la mia.

Tute hazarde de unu Usona k-do mi eksciis pri la funkciado de via belega kaj bonenhava ĵurnalo „I. K.".

Antaŭ nelonge mi skribis al la Usona k-do, ke por la tutmonda laboristaro kaj ĝiaj amikoj estus tre necese funkciigi pres-organon, kiu respegulu la volon kaj dezirojn de la tutmonda laboristaro, ke en ĝi devas partopreni la plej progresemaj homoj de la mondo: verkistoj, poetoj, pentristoj, artistoj, skulptistoj, scienculoj k. t. p.

Ili ĉiuj devas senvualigi la falsecon de la kapitalismo kaj tiri ĉiujn al la socialismo.

Mi estis ĝojege surprizita kiam mi eksciis, ke tia presorgano jam ekzistas, ke ĝi estas la plej perfekta luktilo kontraŭ la tutmonda reakcio, vidigas proletan kulturon kaj arton kaj superegas miajn revojn.

Des pli mi estas miriĝita, kiam mi eksciis pri la funkciado de la Junulara Sekcio. Via ĵurnalo konsolas kaj ĝojigas la korojn de laboristoj, kiuj vivas en kapitalistaj landoj, kie reprezentantoj de kapitalista klaso penadas mensogi ilin per diversaj promesoj kaj kie ili estas subpremitaj kaj sklavigitaj.

Por la tutmonda laboristaro U. S. S. R. estas Mekka*) de la tutmonda revolucio.

En la nuna tempo via lando — Bulgario fariĝis kultura proleta lando, kies heroaj agoj kaj kreado de kulturo estas skribitaj en la libro de la homara historio.

Kion mi povas skribi pri U. S. S. R., kiam via bonega ĵurnalo — amiko de sklavigitaj laboristoj en kapitalistaj landoj, enhavas bonegajn artikolojn pri U. S. S. R.

Viaj koroj devas esti plenaj de fiereco pri la sukcesa marŝado de la bulgara popolo al la socialismo, pri sukcesa disvolviĝo de la esperanta movado, pri sukcesa funkciado de la ĵurnalo, kiu ludas grandan rolon je la edukado de la tutmonda laboristaro kaj altiro kaj uniiĝo de ĝiaj amikoj.

Vi devas fieri, ke en via lando naskiĝis kaj laboris k-do Dimitrov, kiun bone konis kaj amegis la laboristoj de la tuta mondo.

Al vi — junaj amikoj apartenas la rolo rekonstrui politike kaj ekonomie vian belan landon, riĉigi viajn laboristojn kaj terkulturistojn per saĝa proleta gvidado, per mastraj zorgoj pri via lando.

Venas la tempo, kiam via lando eliros el malriĉa stato, ke ĝi riĉiĝos kaj multaj el vi estos altranguloj.

Estu ĉiam sindonemaj, modestaj, simplaj homoj.

Evitu lukson en via privata vivo, kiu povas nur forpuŝi de vi la popolon.

Vian privatan komforton akordu kun la kreskonta komforto de la popolo.

Alie vi fariĝos tute fremdaj por ĝi.

Prenu ekzemplon de k-doj Lenin kaj Stalin, kiuj estis kaj estas modestaj en sia privata vivo.

Finante ĉi-tiun leteron, mi tre dankas ĉiujn junajn bulgarajn kamaradojn, kiuj skribis al mi ardajn leterojn kaj petas pardonon al kiuj mi ne respondis.

Vivu amikeco inter la popoloj de la popol-demokratiaj landoj.

Kun kamaradecaj kaj frataj salutoj

**Ilja Kiseljov**

---

* Mekka — la sankta urbo de la mahometanoj.

## Tra la leteroj

### PRI LA ARTIKOLO „KEMIO DE JAPANAJ MANĜAĴOJ"

Estas por mi tre granda ĝojo skribi nun al vi. Mi ĉi tie volas respondi al d-ro Agro pri la kritiko al mia artikolo en n-ro 1-a de nia organo, „La Horizonto", kiu aperis ĉe p. 23, n-ro 3—4, 4-a jaro (Mar.-Apr., 1949) de via „Internacia Kulturo".

A) Pri mia artikolo, „Kemio de japanaj manĝaĵoj":

1. La tabelo sur p. 25 montras precipe la interrilaton de nutraĵoj kaj funkcio de nutrado. Mi ne nomis ĉiujn manĝaĵojn, kiuj enhavas la nomitajn nutraĵojn. Tial meti la legumenojn ĉe la linio de la manĝaĵoj kun proteino ne estas grave. Por japanoj kiel proteinmanĝaĵoj pli gravaj ja estas legumenoj (precipe sojfaboj) kaj ne animalaj manĝaĵoj. Vidu la tabelon ĉe p. 27.

2. Mi estus tre dankema, se d-ro Agro kaj aliaj kompetentuloj de aliaj landoj helpos min, sciigante la specon kaj kvanton de la ĉefe konsumataj manĝaĵoj en sia lando. Mi volegas studi pri la manĝaĵoj de ĉefaj nacioj kaj kompari klamaniere diversaj nutraĵoj estas prenataj. Eble ĉiuj landoj havas statistikon de la manĝaĵoj konsumataj ĝenerale. Se la speco kaj kvanto de ĉefaj manĝaĵoj fariĝos klaraj, mi povos analizi la ciferojn por montri en kiaj formoj iuj nacioj prenas la diversajn nutraĵojn (kaloriojn, proteinon, grason, neorganikajn elementojn k. e. kalcion, feron, ktp., kaj vitaminojn A. $B_1$, $B_2$, niacinon, C, k. a.). Pri japana statistiko mi jam donis resumajn tabelojn en la nomita artikolo mia. Mi atendas la informojn.

B) Pri la vortoj „agronomio", „agrikulturo", kaj „agrokulturo".

D-ro Agro difinis „agronomion" kiel tuta scienco pri terkulturado. Ankaŭ mi tion konsentas. Sed en tuj okazoj iuj uzas la vorton „agronomio" en la signifo de agrokultura ekonomio. Tion ankaŭ oni devus konsenti. En anglaj vortaroj oni trovas tian tendencon. La vorto „agrokulturo" ne nur singnifas praktikan terkulturadon, sed ankaŭ agrokulturscienco, precipe en objektiva formo antaŭ „fakultato", „stacio" k. s. Mi volis esprimi mian opinion, ke la vorto „agrokulturo" povas esti uzata en ambaŭ sencoj, praktika kaj scienca. La vorto „agronomio" havas diversajn flankojn, laŭ la angla vortaro de E. L. Thorndike: 1-e, science of managing farm land (scienco de kontrolado de agro; aŭ agrokultura ekonomio), 2-e branch of agriculture dealing with crop production (fako de agrokulturo traktanta produktadon de rikoltaĵo; aŭ agrokulturo en malvasta senco; (vidu mian artikolon „Klasigado de agrokulturo: ĉefaj terminoj de agrokulturo" en n-roj 2-a kaj 3-a de „La horizonto"), kaj 3-e, husbandry (terkulturado). Laŭ la klarigo de Plena Vortaro de SAT, eĉ la plej fama japana esperantistovortaristo, s-ro Okamoto-Yositugu (Joŝicugu) eraris, ke terkulturado praktika (nur praktika) estas „agrokulturo", kaj terkultura scienco estas „agronomio" (nur „agronomio"). Mi volis tion kontraŭi.

Due pri la formo „agrikulturo" ni japanoj tute ne havas simpation, mi povus diri. Racia formo „agrokulturo" kaj internacia formo „agrikulturo" ĉi tie treege similas; tial ni japanoj deziregus izu en Esperanto ne la internacian kaj tradician formon „agrikulturo", sed pli racian formon „agrokulturo". Tiun ĉi principon la kompilinto de la Plena Vortaro ankaŭ akceptis, ĉu ne?

C) Pri la japana ortografio.

D-ro Agro demandas pri japana ortografio, ĉar li ne konas ja-

panan lingvon. Se la redaktoro al mi permesus, mi volonte klarigo-s pri ĝi poste pli detale. Kaj mi volas, ke eŭropanoj ankaŭ kone u japanan ortografion. Japanoj ne uzas latinajn literojn ordinare, ili uzas literojn tute nesimilajn, t. e. ĉinajn literojn kaj iliajn japnece simpligitajn formojn. Ĉi tie mi nur simple respondas al la demando de d-ro Agro. En japana-latina ortografio vokaloj kun supersigno esprimas longajn vokalojn, k. e. ô estas oo. En japanaj vortoj ne troviĝas la sono v, sed „wa" estas elparolata proksimume kiel ŭa. Apostrofo signifas, ke la vokalo post n ne direkte kuniĝas kun n: k. e. mia persona nomo Sin'itirô (atentu, ke mia familia nomo estas Kawamura!) estas elparolata kiel, ŝin-iĉiroo, kaj ne ŝiniĉiroo.

Kawamura-Sin'itirô, Vicprof. de Nihon Universitato, Nihol Daigaku, Nôgakubu Hizisawa, Kanagawa-ken, Japanujo.

P. S. Mi volonte korespondos kun samideanoj danubregionaj pri agrokulturo, kemio, muziko, kaj lingvoj. Mi estas 37-jara vicprofesoro de agrokultura biokemio, kaj esperantisto de 1929.

Kara k-do,

Antaŭ ĉio mi devas esprimi mian elkoran dankon pro tio ke vi regule sendis al mi „I. K." Ĝi tre interesas min, precipe la rakontoj kiuj aperas en ĉiu numero estas tre interesaj. **Ofte mi tradukas ilin en japanan lingvon.** Sed kelkaj antikoloj, nome ĝeneralaj raportoj pri sociaj aferoj ne estas tiel efikaj, ĉar tiajn ni jam bone scias pere de tagĵurnaloj kaj aliaj. Tiajn aferojn mi volas legi per impresoj aŭ opinioj de ĝin koncernantaj personoj. Ekz. ni jam bone scias ĝeneralan staton sukcesan de konstruado en Sovetio kaj popoldemokrataj landoj. Ni deziras legi artikolojn pri **travivaĵoj en la konstruado.** Tiaj artikoloj estas tre efikaj por traduki en nacian lingvon, ni opinias.

**Sejŝiro Nomra**
**Johana**, Tojama-ken, Japanio

## INTERNACIA KAJ FERIA ESPERANTO-KURSO

Aranĝitaj de G. E. E. (Asocio de esperantistaj geinstruistoj) okazos en agrabla loko (ĉu apudmara, ĉu en pariza ĉirkaŭaĵo) antaŭ la Universala Kongreso de Paris, internaciaj kursoj de Esperanto kun feria kunrestado.

La membroj estos apartigitaj laŭ nivelo: komencantoj, daŭrigantoj, lertuloj. La tuta aranĝo daŭros tri semajnojn.

Tiuj, kiuj ne povas tiel longe partopreni, estos akceptitaj ankaŭ por du aŭ nur unu semajno.

Interesatoj, sendu vian nomon kaj adreson por ricevi ĝustatempe cirkuleron kun detaloj. Se aparta letero postulus respondi pri personaj demandoj, bonvolu aldoni internacian respondkuponon kun stampo de la poŝto en la ĝusta flanko (maldekstre).

Adreso: F-ino Jeanne Dedieu, 3, Rue Arzac 3
Toulouse, Francio

Karaj kamaradoj,

Mi sentas grandan ĝojon por sendi saluton al niaj karaj redaktoroj de Internacia Kulturo. Bedaŭrinde mi ne povas esprim min mem.

Ke ni devas labori kaj batali por ĉiuj diligentaj laboruloj kontraŭ ekspluatado de kapitalistoj kaj faŝismo, estas sola ideo por mi.

Nun mi apartenas al Japana kompartio kaj antaŭ du jaroj komencis lerni nian karan lingvon. Feliĉe mi estas tre juna, do mi oferas min por popoldemokrata esp. movado kaj konstrui nian feliĉan vivon.

En lasta jaro mi tradukis en japanan lingvon la raportaĵon de k-do Eltunko, nomata „Kial la ĉinaj esp-istoj batalas por nova demokratio" de la IV jaro, n-roj 3—4 de Internacia Kulturo, kiun mi akiris okaze de la kongreso de la japanaj esp-istoj en Tokio. Samtempe la raportaĵon **mi kontribuis al nia organa ĵurnalo de Kanagaŭa regiono de Japana Kompartio kaj ĝi aperis en la ĵurnalo** Tiamaniere tion mi faris sen permeso de l' redakcio kaj k-do Eltunko. Se ĉi tio estas kulpo, bonvolu pardoni min. **Kun ĉi letero mi sendas la ĵurnalon, sed ĝi malfrue atingos vin, ĉar ĝi veturos per ordinara poŝto.** Samtempe mi sendas „Demandoj de la infano". **Kiam ĝi aperos en la gazeto, bonvolu sendi du ekzemplerojn al mi.** Unu ekzempleron el ili mi **volas donaci al la verkintino.**

Nuntempe por mi Internacia Kulturo estas **la sola informilo kaj batalilo el eksterlando kaj lernolibro.** Sed lastatempe mi akiras ĝin tre malfacile. **Ĉar mia vivo iom post iom mizeriĝas.**

Mia familio konsistas el gepatroj, du fratoj, fratino kaj mi. Mi estas la dua filo de l' familio kaj la plimulto de mia salajro estas elspezata por mia familia vivo. Mia patro nun estas senlaborulo. Mia maljuna frato funkcias por malgrandaj komercistoj kaj multaj malriĉaj homoj pri problemoj de imposto, domo kaj diversaj aferoj kiel kompartiano. Lia salajro estas sufiĉe malgranda. Mia frateto ankaŭ laboras, sed ne povas gajni eĉ por si. Mia fratino nun lernas en supera lernejo. Tiamaniere mia familio fartas ĉiujn tagojn. Sed mi kredas, ke ni, ĉiuj laboruloj venkos kontraŭ faŝismo kaj kapitalistaro, kaj konstruos sian demokratan socion en proksima estonto.

En sama n-ro de Internacia Kulturo mi legis la artikolon pri **infana urbo de Sofio.** Kaj mi gratulas la kompletigon. Pri tio mi havas petegon al vi. **Pri la infana urbo bonvolu informi kun la fotografaĵoj de ĝi por japanaj infanoj. Anstataŭ ĝi mi sendos bildlibron pri malnovaj fabeloj en Japanio.** Kaj por tiuj laboroj mi volas havi korespondanton en via lando, kiu volas havi tiel tiun ĉi aferon. Prezentu min al tia korespondanto.

Por japanaj infanoj la plej grava afero mankas. Tio estas ke **ili ne scias veran historion de Japanio kaj pri la mondo tute ne scias krom pri Usono.** Kaj la plej malgaja fakto estas, ke **budĝeto por edukado estas malmulte 3 procentoj de tuta ŝtata budĝeto en lasta jaro, 1949.** Do multaj gepatroj devas eduki infanojn pagante imposton.

Kial stranga afero!

Fine mi esperas ke vi akceptos mian proponon kaj deziras prosperon kaj progreson de via lando kaj de la esp. movado. Senpacience atendas ĝojan respondon.

Kun koraj salutoj
**Hideo Murakami**
Namamugimaĉi 1336, Curkmiku
Jokohama, Japanio

## NI DEFENDOS LA PACON, NIAJN AMIKOJN KAJ NIAJN POPOLOJN!

Ni havas malfacilan situacion en nia lando, kaj estas malfacile esti ĝoja kiam regas ĉe ni la socia maljusteco de la burĝa registaro.

Multaj danaj laboruloj suferas de la mizero. Ekzistas laboristaj familioj, kiuj havas po 12—14 infanojn kaj vivas en lignaj kabanoj en la periferio de Kopenhago dum la vintro sen sufiĉe da karbo, laboro kaj nutraĵoj. Multaj viroj estas hodiaŭ senlaboraj; laŭ lastaj informoj de niaj sindikatoj ili nombras 100,000 ĉe 4·5 milionoj da loĝantoj en Danio.

Malgraŭ la domaĝoj, la reakcia dana registaro aĉetas novajn kaj novajn armilojn de Usono laŭ la agresiva „Marshall" piano. Hodiaŭ ĉiu ĉe ni komprenis la „noblan helpon" de la amerikaj imperialistoj.

La batalo por defendi nian patrion kaj la pacon en nia lando estas tre malfacila, sed ni ne ĉesos batali. Unuigitaj ni batalos kontraŭ la bruligantoj de la nova milito kaj novnaskita Usona faŝismo!

Neniam ni forgesos la someron en Bulgario, kiun ni travivis kun la bulgaraj gebrigadistoj ĉe la digo „G. Dimitrov". Ni ankaŭ defendos niajn amikojn kaj niajn popolojn de la militaventuristoj.

Korajn salutojn de viaj ĉiamaj amikoj:
familio **Hans kaj Grethe Bindner**
Kopenhago

Karaj Samideanoj!

Kune kun la tuta laborula klaso, kortuŝitaj pro la morto de Wasyl Kolarov, la granda batalanto por la afero de la progreso en Bulgario, la fidela amiko de USSR kaj de landoj de Popolaj Respublikoj Demokrataj ni ligas nin kun Vi en la funebro.

Kun samideanoj salutoj
***Wieluna Filio***
de Asocio de Esperantistoj en Pollando

## NI ALIĜIS AL LA PACMOVADO

Estimata s-ro redaktoro, ĉiumonate mi legadas kun intereso la gazeton „Internacia Kulturo".

Dank' al via gazeto mi povas sciiĝi pri aferoj de popoldemokrataj landoj.

Lastatempe en nia lando nia movado reviglîĝis, speciale inter gestudentoj.

Mi estas studentino de Kioto Humanisma Lernejo. Mia estimata instruisto s-ro Sasaki fervore gvidadas komencantojn. Kaj novaj esperantistoj naskiĝis en Kioto. Lastan Zamenhofan tagon okazis sukcesa festo en Kioto. Pli ol 2 centoj da partoprenantoj partoprenis. De nun ni gestudentoj pli fervore klopodos por nia movado.

Ni aliĝis al la mondmovado por defendo de la paco. Mi deziras korespondadi pri belartoj, politiko k. a., interŝanĝi ion ajn kun progresemaj samideanoj en tutmondo. Fraŭlino Satori Kita, Shieijutaku, 72, Kitaougimaĉi, Kitaku, Osaka, Japanio.

# Recenzo

„LA HORIZONTO", № II, 1949, organo de l'Esperanta societo de l'Agrikultura fakultato de Nihon-universitato, Huzisawa, Japanio, p. 32 — 17×25 cm. + unupaĝa tabelo de preseraroj.

Post la recenzo de la unua n-ro de la menciita japana agrikultura revuo (v. Int. k., j. IV — 1949, 3—4, p. 23), mi ĝoje konstatas, ke la 2-a n-ro estas pliboniĝita. Ĝi estas ciklostile-manuskripta, sed tre klara kaj legebla. Nur la duono de la enhavo estas agrikultura kaj la cetera parto estas literatura, socia, prilingva, informa k. t. p., verŝajne pro manko de aliaj esperantaj revuoj en Japanio. Preseraroj ne mankas, sed la aranĝantoj ordigis la plejmulton de ili en la menciita tabelo. Tian laŭdindan zorgon en revuo mi vidas por unua fojo.

Tre grava kaj interesa estas la artikolo — terminaro de vicprof. *Kawamura* Sin'itirô — Klasigado de Agrokulturo — Ĉefaj Terminoj en Agrokulturscienco (1). La aŭtoro tradukas la ĉefajn japanajn agrikulturajn terminojn laŭ la japana decimala klasifiko de s-ro Mary — Kiyosi, 3-a eldono, 1935. La menciita aŭtoro donas ankaŭ anglan tradukon.

La terminoj estas ĝenerale tre trafaj kaj valoraj Tamen mi sentas min devigata fari jenajn rimarkojn sugestojn, klarigojn, proponojn ktp., ĉefe laŭ la esperanta teksto kaj la angla traduko, ĉar japanan lingvon, kiu tie-ĉi estas fundamenta, mi bedaŭrinde ne konas, kaj tial mi ne citas ĝin.

1. 614, p. 20 Kulturado de rikoltaĵoj. Mi uzus: kulturado de agrikulturaj plantoj, de kulturplantoj aŭ simple de kulturoj. Por mi rikoltaĵo estas ia aĵo de la rikoltado, finrezulto de tiu-ĉi procedo. Ekzemple, la tritiko, la grajno nome estas tia rezultaĵo. Tamen la kulturado de la tritiko estas ja komplika procedo, komencante per la liverado de la semo, ĝia sanigado, preparo de la grundo, semado, erpado, sterkado, rikoltado, draŝado, konservado ktp.

2. 617. 7., p. 21. Rural sociology; problemoj pri kamparaj vilaĝoj, vilaĝa sociologio. Mi dirus simple kampara sociologio.

3. 611. 8. ... kaj aliaj grenoj (cerealoj) — kaj aliaj cerealoj.

4. 612. 4. ... soils, ... terscienco — teroj, terspecoj, grundoj.

5. 612. 94. ... ekzameno de sterkoj — provo, analizo de sterkoj.

6. 614. ... agronomy, cultivation, crops; kulturado de rikoltaĵoj — agronomio, kulturado, rikoltado, rikoltaĵoj.

7. 614. 3. Radikaj rikoltaĵoj — ankaŭ radikaj plantoj kaj kulturoj.

8. 614 4. Rikoltaĵoj por furaĝo — ankaŭ plantoj por furaĝo, furaĝplantoj aŭ furaĝkulturoj.

9. 614 5. Industriaj rikoltaĵoj — ankaŭ industriaj plantoj, industriplantoj aŭ furaĝkulturoj.

10. P. 26. ... batato aŭ patato — batato, ĉar la latina radiko estas kun b. En nia lingvo antaŭ kelkaj jaroj oni ankaŭ hezitis, sed la latina radiko decidis. Tamen en tiaj okazoj, ŝajnas al mi, ke la loka prononcado devus esti decida. Do, kiel oni elparolas batatoj en ilia originloko?

11. 174. 6. P. 26. Rikoljaĵoj por oleo, graso kaj vakso — ankaŭ kulturoj por oleo ktp., aŭ oleoriĉaj kulturoj, oleoproduktaj k., aŭ simple oleaj, grasaj, vaksaj k.

12. „ 65. Rikoltaĵoj por tinkturiloj — ankaŭ tinkturkulturoj, kolorigkulturoj. Similaj estas p. 7., 8., 85., kaj 98

13. „ 9. Medikamentaj rikoltaĵoj — ankaŭ medikamentaj kulturoj, medikamentkulturoj, kuraciloj, drogoj.

14. „ 99. Rikoltaĵo por aromaĵo (parfumo) — ankaŭ arom- aŭ parfumkulturoj.

15. „ P. 27. Perilla frutesceno — ĉu ne frutescens?

16. „ 71. Cotton; kotono, gosipo — nur kotono sufiĉas.

17. „ 76. Manila kanabo — ankaŭ simple manilo (tiel ekzemple ni uzas en bulgara lingvo).

18. 615. 2., p. 28. Farm buildings; konstruaĵo por agro — bienkonstruaĵoj.

19. „ 3. Farm machinery, implements: agrikulturaj maŝinoj kaj instrumento — agrikulturaj maŝinoj kaj instrumentoj, agr. m. kaj agr. ilaro.

20. 616 . Hindrances, protections; malsano kaj malhelpo de rikoltaĵo, ĝia protektado — malhelpoj, protektoj aŭ protektado (laŭ la angla traduko).

21. „ 2. Frost, hail, wind, flood, drought; malhelpo pro prujno, hajlo, vento, akvego kaj senpluveco (sekeco) domaĝoj de prujno, hajlo, vento, inundo kaj sekeco.

22. P. 29. Ankoraŭ daŭrigos al la venonta numero — Daŭrigota.

En la artikolo — Kiel skribi japanajn personajn nomojn — la aŭtoro K. Matuba sciigas ke la ekstremorientanoj skribas unue la familian nomon kaj poste la individuan (personan). Mi ne povas min deteni ne komuniki, ke ni bulgaroj sekvas la ĝeneralan eŭropan regulon kaj skribas unue la personan nomon. Tamen, nia patra kaj familia nomo ricevas certan finaĵon. Ekz. Ivan Petrov Nikolov t. e. Johano, filo de Petro kaj nepo de Nikolao kaj Ivanka Petrova Nikolova, t. e. Johanino, filino de Petro kaj nepino de Nikolao. Pli maloftaj estas la finaĵoj ev — eva, ski — ska, ekz. Ivanĉev, Konjarska ktp. Ordinare oni renovigas sian patran aŭ avan nomon per la nomo de la unuenaskita filo aŭ filino — Atanas Dimitrov Atanasov. Ofte oni mallongigas la patran nomon per ĝia komenclitero — Atanas D. Atanasov aŭ tute ellasas ĝin — Georgi Dimitrov, t. e. Georgi Mihajlov Dimitrov. Apartaĵoj ne mankas.

Por eviti konfuzojn en la kompreno de la du mondoj, la aŭtoro s-ro Matuba trafe kaj akceptinde proponas, ke ni esperantistoj skribu la individuan nomon per pli-malgrandaj leteroj ol la familian, ekzemple Georgi DIMITROV.

ÅRSBERETING FRA J. E. OHLSENS ENKES PLANTEPATOLOGISKE LABORATORIUM. 1. August 1947 — 31 Juli 1948 ved Paul Neergard. (13-a jara raporto de la plantpatologia laboratorio J. E. Olsens Enke de la 1-a de Aŭgusto 1947 ĝis la 31-a de Julio 1948 de Paul Neergard, Kopenhago kun resumo en angla lingvo kaj esperanto, 19 p., 15.8 × 24 cm. kaj 9 tabeloj.

Dum la menciita periodo en la citita laboratorio estis kontrolitaj pri malsanoj 4,908 partioj (5077 specimenoj) de diversaj hortikulturaj semspecoj.

Nia konata samideano Neergard sciigas pri disvastiĝo de semportitaj patogenoj sur diversaj hortikulturoj. Poste li informas pri kelkaj atakoj neraportitaj ĝis nun. Plue li priskribas eksperimentojn por ekzameni la praktikan signifon de la persema infektado de *Ascochita pisi* Lib. sur *Pisum sativum* (la manĝebla pizo). Fine li komunikas pri pritraktado de legomsemoj per likvida atmosfera aero, t. e. per malvarmo inter — 183 kaj

# ENHAVO de la IV jarkolekto (1949) de „Internacia Kulturo“

(La cifero post ĉiu titolo markas la respektivan gazetnumeron)



— 191° C. Interese estas, ke en tiu-ĉi okazo la karoto kaj la brasiko konservas sian ĝermenergion, sed la petroselo, kontraŭe, spertas konsiderindajn domaĵojn. La pritraktita sciencaplika raporto certe estas tre interesa por fakanoj kaj per tiu-ĉi mallonga kaj populara resumo ni penu atentigi ilin pri ĝi.

Neergard uzas interalie du terminojn, kiuj meritas atenton. La unua estas tre trafa — p a r t i o por grandaj kaj multenombraj partoj de semoj. Tamen pri malgrandaj sempartetoj li uzas p r o v o n. Mi preferus la popularan s p e c i m e n o n.

*Agro*

## Pedagogiaj demandoj

**Faltynkowa, Jarmila:** Esperanto en ĉehoslovakaj lernejoj, 9;
**Pali, Janko:** La popola edukado en Albanio, 3—4;
**Perchan, A.:** Spertoj de instruisto, 9;
**Steppan, Josev:** La nova lernejo kaj esperanto, 8;
**Aŭtoro neindikita:** Esperanto kaj la lernejo, 2; Vesperaj lernejoj en Bulgario, 8; Societo de britaj esperantistaj geinstruistoj, 8; Pri la studrondoj, 9; Ekspozicio de infanaj desegnaĵoj, 12;

## Libera tribuno

**Czechowski, Bol:** Esperanto devas varbi la laboristaron, 1;
**Trifonov, St.:** Pri la poresperanta propagando, 2;

## Esperanto movado

**Balkanyi, Paŭlo:** La hungara esperanto-kongreso, 8;
**Cifudov, Ev.:** Bulgara esperantista kooperativo, 10;
**G. At.:** Vigla esperanto-laboro en Assenovgrad, 2
**Ivanova, Trajana:** La 34-a Internacia kongreso de Esperanto kaj niaj taskoj, 6;
**Kosny, I.:** Pri la vivo de esperantistoj en Wielun, 12;
**M. I.:** VII Esperanto-kongreso ĉeĥoslovaka, 8;
**Vanka, Dionisio:** Esperanto en la telegrafio, 3—4;
**Aŭtoro, neindikita:** Finnlando, 3—4; 32-a Bulgara Esperanto-kongreso en Vratza, 5; Esperanto en Ĉeĥoslovakio, 6; Eminenta persono de Ĉeĥoslovaka universitato rekomendas esperanton, 8; En Aŭstrio, 8; Kondamno de malamiko de esperanto, 8; Aŭstria trafikoficejo stariĝas specialan esperanto-sekcion, 9; La III tutslovaka esperanto-kongreso, 10; Internacia ligo de esperantistoj instruistoj stariĝas, 10; Malprogresoj sur la lingva kampo, 10; La 34-a kongreso universala en Bournemouth 1949, 11; Slovaka komisiitejo praktikas esperanton, 12;

## Tra la leteroj

**Balkanyi, Paŭlo:** Li montris al ni la vojon, 7;
**Derski, M.:** La terreformo en Pollando, 10;
**Dratwer, Isaj:** Malĝojo kaj doloro, 7;
**Erich, Eh.:** Honoron al G. Dimitrov, 7; Ni batalas kune kun vi, 10;
**Ikonomov, Nikolaj:** En la regno de la pinoj, 11;
**Kavenius Niilo:** Letero en Finlando, 5;
**Kumeda, Kacuja:** Ni deziras korespondi, 11;
**Lezan, J.:** Ni nomis mian filon Georgo, 7;
**Licbetrau, Er.:** La demokrata germana popolo en la batalo por paco decide ekstaras ĉe la flanko de la Sovetunio, 10;
**Menou, A.:** Du danĝeroj: senlaboreco kaj militminaco, 10; Letero el Francio, 12;
**Müller, Alfred:** Kiel ni sukcese pligrandigu la prestiĝon de esperanto inter la laboristaro tutmonda, 3—4;
**Pawlik, d-ro K.:** La fluktuado en nia movado, 10;
**Pfennigwerth, Rob.:** Dresden — la murdita urbo, 11;
**Rosenblum, Jean:** La dudekdua de Aŭgusto, 8; Terrasson — urbeto en Francio, 11;
**Sokolov, Boris:** Ni laboras por la plenumo de la kvinjara plano, 6;
**Stonul, Ho Ro:** La hispana popolo kaj la paco, 6;
**Thorsen, Poul:** Ni donu voĉon al la mutaj popoloj, 6;
**Wendt, Adolf:** Agrarreformo en la germana sovet-zono, 10;
**Aŭtoro neindikita:** Letero el Bolivio; Pri edifa letero de franca laboristo, 12;

## Virinaj demandoj

**Lakova, Tinka:** Ni volas daŭran pacon, 7; Esperantistinoj al laboro, 12;
**Mananikova, N.:** Zorgoj pri la infano kaj la patrino en USSR, 3—4;
**Aŭtoro neindikita:** Unu miliono da polaj virinoj salutas la bulgarajn virinojn-esperantistinojn en Sofia, 5;

## Socialaj problemoj

**Balkanyi, Paŭlo:** La konstitucio de la hungara popolo, 10;
**Suchy, Aleŝ:** La moralo en Sovetio kaj en la kapitalismaj landoj, 1;

## Ekonomio

**Zalupski, Imprich:** „Liberigita dommastrumado" en Ĉeĥoslovakio, 8;
**Aŭtoro neindikita:** La rozproduktado en Bulgario, 8;

## Recenzo kaj bibliografio

**Agro, d-ro:** Japana esperanta revuo agrikultura, 3—4;
**Valer, Ferenczy:** Angla libro pri kvardek lingvoj en Eŭropo, 2;
**Vanĉik B.:** La nevenkebla ĝeno, 3—4;
**Aŭtoro neindikita:** Enketo pri internacia helplingvo, 5; Indianoj kaj eskimoj de norda Ameriko, 5; Banejurbo Budapeŝto, 10; Japana popolo legas leterojn de fremdlandaj esperantistoj, 12; Bibliografio, 10, 11:

## Kultura observo kaj kroniko

**Cs. J.:** Ĉentjara datreveno de August Strindberg, 2; Sub la signo de la amikeco inter la popoloj, 2;
**Aŭtoro neindikita:** Invento de Soveta astronomio, 11; Valorega troavaĵo en Ĉeĥoslovakio, 10; Oni konstruas 26 etaĝan palacon por la universitato de Moskvo, 10; En Rumanio oni fondis „Societon por servi la disvastigon de la sciencoj kaj kulturo", 10;

## Scienco

**Aŭtoro neindikita:** La trakia maŭzoleo apud Kazanlik kaj ĝiaj murpentraĵoj, 2; Malkovritaj antikvaj nekropoloj en Sozopol ĉe la Nigra maro, 10;

## Literaturo

**Dinekov, prof. Petr:** Elin-Pelin — granda bulgara verkisto; 3—4; La nuntempa bulgara literaturo, 5;
**Kalocsay, K.:** Sandor Petöfi, 9
**Kurisu, Tugu:** Kobayasi, la verkisto-martiro, 3—4;
**Surkov, Aleksej:** La suno de la rusa poezio, 6;
**Aŭtoro neindikita:** La verkoj de Puŝkin en 11 milionoj da ekzempleroj; 5. En 48 milionoj da ekzempleroj oni eldonis la verkojn de Gorkij en Sovetunio, 5; Enketo pri Ivan Vazov, 11

## Muziko

**Ĝuĝev, prof. d-ro St.:** Pri la formalismaj tendencoj en la muziko, 6; La bulgaraj muzikinstrumentoj, 8;
**Malik, A.:** Bedrich Smetana — la genio de la ĉeĥa muziko, 5;
**Nano, d-ro:** Ĵeni Kovaĉeva koncertas por la Sofia Esperanto-societo, 5;

## Teatro

**Marŝak, G.** Freŝo de la juneco, kuraĝo de la vero, 1;
**Schoon, J.:** El la patrujo de Ĝu Deh, 8;
**Aŭtoro neindikita:** Teatra festivalo en Varsovio, 12;

## Filmo

**Kraus, R. — Marjik, J.:** Ĉeĥa filmo „Krakatit", 11;
**Aŭtoro neindikita:** Esperantlingva filmo „Danlando", 1; Esperanto film-grupo, 8; Esperanto parolanta filmo pri Budapesto, 8; Nederlandaj filmoj parolas en Esperanto, 8;

## Radio

**Ĉoĉov, V.:** Radio-Sofia dissendas ĉiutage en esperanto, 2;
**Withoos, A. W.:** Esperanto uzata en televido, 8; Informoj pri Svedio, Finnlando, Italio, Aŭstralio, 8;

## Sporto

**Ivanov, Nikova:** La malpeza atletiko en la popoldemokrataj landoj, 3-4;
**Filatelio:** 7, 10
**Tra la mondo:** 2, 3—4;
**La mondo vin vokas;** 1, 2, 3—4, 5, 7, 8;
**Kroniko:** 2, 8

## Ilustraĵoj

**Angeluŝev B.:** Puŝkin, 6; Petöfi, 9;
**Dimitrov, L.:** Abundeco, 2;
**Emanuilova, Vaska:** Kapo de knabino, 3—4;
**Gaĉev, V.:** Kapo, 1; Kapo de T. Pavlov, 1;
**Ĵekov, Mario:** Ripozo, 1;
**Lavrenov Canko:** Carevec, 1; Morta naturo, 1; Plovdiv — la malnova urbo, 1
**Lazarov, Ivan:** Kapo de laboristo, 2; La pano, 3—4;
**Markov Marko:** Laboristo, 1;
**Obreŝkov, Benĉo:** Vilaĝo, 2;
**Sotirov, Stojan:** Vagonloĝejoj, 2;
**Desegnaĵoj:** Ivan Vazov, 11; Stalin, 12:
**Fotaĵoj:** 3—4; 5, 6; 7; 8; 9; 10; 11; 12;

№ 1-2 JANUARO-FEBRUARO 1950 KVINA JARO

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESP.-ASOCIOJ
Telefono 7-89-08 — poŝtĉekkonto 9966

JARABONO: enlande — 400 lv. eksterlande — 20 respondkuponoj internaciaj.

Redakta komitato: Redaktoro: SIMEON HESAPĈIEV

AŬSTRIO: Gabriel Katzianka.

BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, Assen Grigorov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Vitali Julzari Ivan Keremidĉiev-Esperov, Ivan Sarafov

ĈEĤOSLOVAKIO: Adolf Malik.

HUNGARIO: d-ro Kolomano Koloscay, Paŭlo Balkányi, Ladislao Somlai.

POLLANDO: Isaj Dratwer.

RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Peliman, Josif Petrin, Simeon Zal

Adreso: STR. TRI UŜI 15, SOFIO — BULGARIO

# Bibliografio

Belga Esperantisto, № 1, Februaro 1950, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) Belgio.

Boletin, № 12, Diciembre 1949, № 1, Enero 1950 Ruzafa, 7, Valencia (Espana) Hispanio.

The British Esperantist, № 537 538 January, February 1950; 140, Holand Park Avenue, London W. II.

Dagblad voor de Zaanstreek, № 1485, 30 Dec. 1949 (kun paĝo en esperanto)

Franca Esperantisto, № 108 Nov. Dec. 1949 34, rue de Chabrol, Paris (10-c)

Heroldo de Esperanto, № 2 (1118), 16 Januaro 1950 kaj № 3 (1119) 1 Februaro 1950 Harstenhockweg 223, Scheveningen, Nederlando.

Kio estas Rotario-Klubo, broŝuro eldonita de Rotario-klubo de Te Awamutu, Novzelando.

La genia kavaliro Don Kihoto de Manĉujo, unua parto, ĉapitro XXII, tradukita de Luis Hernandez aldono al № 12 de Boletin de Federacion Esperantista Espanola, Ruzafa, 7, Valencia, Hispanio

La ĝusta vojo, №25 Januaro 1950, München, 19 Schul str. 26/I, Germanio.

La ponto, № 2, Februar 1950 München-Passing, Engellertstrasse,7 Germanio.

La progresanto, №1, 15 Januari 1950 kaj №2, 15 Februari 1950, Rolanstraat, 4, Amsterdam-W, Nederlando.

La vivo, № 5—6, okt.-dec. 1949, Heilo, Herenweg 181, Nederlando

Svisa espero, № 1, Januar-Februar 1950, Eigenheim Romanshorn, Svislando

Usona revuo, № 4, Decembro 1949, Milwaukee, Wis. U. S. A.

The Worker Esperantist, № 62, January, February, March 1950 27, Argyle Road, Ilford, Essex Anglio

## ĈEĤOSLOVAKA POŜTO ATENTAS ESPERANTON

Ĉeĥoslovaka poŝto eldonis serion de 32 bildaj poŝtkartoj, el kiuj 4 portas la jenajn esperantlingvajn surskribojn:

2. Praha — Esperantista centro en koro de Eŭropo
3. Ostrava — Radiostacio en ĉeĥoslovaka regiono de karbo.
8. Turĉiensky Sv. Martin — Sidejo de Slovaka Esperanto-Instituto.
24. Doksy — Somera Esperanto-Kolegio.

Estas interesa oficiala uzo da nia lingvo, kiu multe utilis propagandon de nia afero kaj la propagandon de vizitindaj lokoj en Ĉeĥoslovaka respubliko. Tiu lando estis ĉiam alloga centro turisma en centro de Eŭropo.

La poŝtkartojn povas liveri Esperanto-Asocio en ĈSR, Malá Štepánská 7, Praha II. Unu ekzemplero, adresita al la petinto, kostas 1 respondkuponon. Neeŭropaj samideanoj ricevos unu poŝtkarton senpage. Neuzitajn poŝtkartojn en koverto la Asocio ne povas ekspedi.

Surpresita estas poŝmarko por 1.50 Kĉs, vendoprezo de unu poŝtkarto estas Kĉs 3.

## GRAVA!

*La abonantoj estas petataj, kiam ili skribas al la redakcio pri kio ajn kunlige kun sia abono, nepre noti sian abon-numeron!*

## LA VORTARO DE NUNTEMPA RUSA LITERATURA LINGVO ENHAVAS 230,000 VORTOJN

En leningrada fako de la Instituto de rusa lingvo ĉe la Akademio de Sciencoj de USSR daŭras la laboro por la eldono de „Vortaro de nuntempa rusa literatura lingvo" en 15 volumoj; ĝi enhavos pli ol 230 mil vortojn. En 1948 aperis la unua volumo. Estas preparataj ankoraŭ 3 volumoj.

La vortaro devas larĝe respeguli la vorttrezoron de la rusa lingvo. La signifo kaj la uzo de ĉiu vorto estas ilustrataj per multnombraj eltiroj el la verkoj de elokventaj politikuloj, verkistoj, sciencistoj kaj ankaŭ per eltiraĵoj el gazetaj artikoloj. En la laboro por la kunmeto de la vortaro la instituto utiligas „la kartotekon de citaĵoj", aperintan en la pasinta jarcento kaj nun enhavantan ĉirkaŭ kvin milionojn da altiraĵoj. Precipe kreskis ĉi tiuj eltiraĵoj dum la lastaj jaroj.

Sur 85.000 slipoj estas surskribitaj la eltiroj el la verkoj de la gvidantoj de la Bolŝevika Partio kaj de la Sovetia ŝtato, 60,000 citaĵoj estis faritaj el la verkoj de Puŝkin, 35,000 de Gorkij, 21 miloj — de Ĉerniŝevskij, 15,000 — de Belinskij. Dezirante respeguli la novajn aperaĵojn en la gepatra lingvo pli plene, la kolektivo de la Instituto kompletigos la kartotekon per fragmentoj el la plej bonaj verkoj de la sovetia literaturo premiitaj per la Stalinaj premioj. En la kartoteko estas metitaj ĉirkaŭ 100,000 citaĵoj el la libroj de Fadejev, Pavlenko, Polevoj, Panova, Bebajevskij, Bubennov k. a. La kartotekon utiligas ne nur la kunmetantoj de la vortaro sed ankaŭ — la sciencaj laboruloj de Moskvo, Leningrado, kaj ankaŭ de Latvia, Azerbajĝana, Armena, Uzbeka k. a. respublikoj. En la laboro por la kunmeto de la vortaro partoprenas grupo de sciencaj kunlaborantoj de la Akademio de Sciencoj de USSR.

El „Literaturnaja gazeta" tradukis:
*V. Pisarev* USSR.

Loka Organizo de Japana kompartio deziras ke oni donacu materialojn de la rezista movado sub la faŝismo: angle, ruse, esperante, france kaj germane. Adresu: k-do Miyamoto-Masao. Nobatake 1011 Toyonaka. Osaka-hu, Japanio.

Koop. PRESEJO „ESPERANTO" str. TRI UŜI 15 SOFIO (Bulgario)

